XIII^a jaro. N° 193/194 (9/10) ☆ Monata ☆ 5 septembro/5 oktobro 1916

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5. — Frankoj (2. — Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6. 25 Frankoj (2. 50 Sm.)
*Svisa poŝtĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1ª de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . **0.40 Fr.** (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . **0.50 Fr.** (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## LA PACPROBLEMO

# NOVAJ VOJOJ

XIV

Resumo de la antaŭaj artikoloj. — 1ª Parto: La pacproblemo ne estas morala aŭ ekonomia, sed politika kaj jura. — La pacifistaj proponoj. La arbitracio kiel ĝi estas ĝis nun proponita ne estas sufiĉa, ĉar mankas al ĝi la bazo de internacia pozitiva juro kaj la necesaj trudrimedoj. — La principo de la popolrajto je memekzisto devas esti la jura bazo de la estonta ordo. Ĝia apliko postulas interŝtatan organizon. — La limigo de la armadoj. La armadoj estas neevitebla necesaĵo pro la neorganizita stato de la nacioj. Malfacileco trovi akcepteblan limigformulon. Limigo de la armadoj estos nur konsekvenco de interŝtata organizo. — Reformo de la diplomatio. La procedoj de la diplomatio estas kondiĉataj de la internacia ŝtatsistemo. Nur la starigo de ŝtatligo havus la nepran efikon transformi la diplomation, ĉar la funkcio mem de la diplomataro ŝanĝus kune kun la internacia reĝimo. — La komerca politiko dependas de la politika reĝimo. La protekcionismo estas la natura produkto de la interŝtata anarkio kaj povos malaperi nur kun ĝi. — La rolo de la gazetaro. — 2ª Parto: Fundamentoj de la federacio (ŝtatligo). Kongreso el la reprezentantoj de la ŝtatoj; ĝia organizo.

La principo mem de ŝtatligo (federacio) elvokis diversajn kontraŭdirojn. Kvankam malmulte konvinkigaj por homoj prudentaj, ili estas ofte aludataj de tiuj tre multaj personoj, kiuj preferas suferi sennombrajn malbonaĵojn ol rezigni je jarcentaj opinioj. Oni do ne ĉesu rebati ilin.

La ĉefa kontraŭdiro je la federacia principo estas pli morala ol pure politika. La plena sendependeco de la nacioj estas, oni asertas, ofte necesa por idealaj celoj utilaj je la tuta civilizacio. „La popoloj kaj la ŝtatoj," diras ekzemple unu el la partianoj de tiu tezo, G-lo Bernhardi, „havas tre diversajn kapablojn kaj karaktertrajtojn; ili estas destinataj produktadi diferencajn aferojn, celadi al tre malsamaj objektoj. Ĉia reala progreso dependas de ilia konkurado, kondukonta kelkfoje ĝis la milito, de la batalado por ilia ekzisto kaj de ilia potenco, en tiu senco, ke la malfortiĝintaj kaj eluzitaj elementoj pereas, dum pli fortikaj nacioj konserviĝas kaj superregas, ĝis ili siavice, plenuminte sian civilizigan taskon, cedas la lokon al novaj energioj naciaj." Nu, la nacioj ne povas plenumi la civilizigan taskon, kiu estas en rilato kun ilia aparta karaktero, se ili estas subigataj al la naciaro, kaj sekve ne plu havas plenan liberecon de agado. La federacio limigas la senliman konkuradon, kiu estas la leĝo de la sistemo de internacia anarkio; ĝi do, laŭ tiu vidpunkto, estus danĝera. Instigite de la sama timo, la franca pensulo Renan ie skribis: „De la tago, kiam la homaro fariĝus kvazaŭ granda, Roma imperio pacigita, la moraleco kaj la inteligento estus plej grave endanĝerigataj.

Resume, laŭ tiu tezo, la federacio, limigante la konkuradon inter la nacioj kaj malhelpante ilin celadi al propra idealo, malriĉigus la civilizacion kaj, sub la trompaj eksteraĵoj de materia sekureco, malaltigus la karakterojn kaj la inteligentojn. Preferinde estus do, de tempo al tempo, toleri detruigajn militojn ol elmeti la mondon je la danĝero de intelekta kaj morala dekadenco.

Tiuj timoj forte impresas, sed facile estas montri, ke ili devenas el malkomprenoj kaj bazas sur tre dubaj hipotezoj.

Ĉu estas vere, ke ĉiu ŝtato havas propran idealon, el kio rezultus por ĝi iu aparta civiliziga misio? Tio estas tute malcerta. Verdire ni ofte aŭdas pri la misio de Francujo, pri la misio de Germanujo, pri la misio de Italujo, sed estas tre malfacile ekscii, kiuj realaĵoj kaŝiĝas sub tiuj belsonaj esprimoj, ĉar oni ĉiam forgesas difini, el kio nome konsistas tiu aparta misio.

Oni eble asertos, ke ĉiu popolo, ĉiu ŝtato enkorpigas certan politikan, religian kaj socialan idealon? Se tiel estas, kia do estas la idealo de la franca, de la germana aŭ de la itala popolo? Ĝuste tion oni ne povas respondi kun certeco. En la realeco, interne de ĉiu ŝtato regas tre diversaj politikaj, religiaj kaj socialaj ideoj. Tiuj ideoj ne limiĝas je unu sola lando; ili elradias trans la naciaj limoj kaj preskaŭ ĉiam havas tutmondan karakteron, almenaŭ rilate al la landoj de Eŭropa civilizacio: la doktrinoj de l' katolikismo, de l' protestantismo, de la libera penso, de l' socialismo, de l' sindikatismo, de la liberalismo, de la konservatismo estas disvastigitaj ĉiulande. Nur varias de nacio al alia la etiketoj kaj ankaŭ kelkfoje la metodoj. Ne plu ekzistas iu ŝtato, kiu havus la taskon disvastigi la katolikismon, la demokratiajn ideojn aŭ la socialismon. Oni ofte esprimas nuntempe la opinion, ke Francujo havas la mision disvastigi tra la mondo la principojn de la Revolucio kaj batali por la libereco de la popoloj, dum Germanujo celus organizi Eŭropon konforme al sia kulturo, t. e. al siaj propraj metodoj de intelekta kaj materia laboro. (Oni plie devus difini la mision de aliaj landoj, kiel Italujo, Rusujo, Hispanujo, k. a., kio certe estus ankoraŭ pli malfacila.) Tia estis efektive la rolo de Francujo je la epoko mem de la Revolucio, kiam la francaj malamikoj de la revoluciaj principoj estis devigitaj rifuĝiĝi eksterlanden aŭ suferi mortigadon internlande, sed de longe tiu situacio ŝanĝiĝis: Unuparte, ekzistas francoj, kiuj ne akceptas la Revoluciajn principojn aŭ almenaŭ kritikeme rilatas al ili, kaj tamen ne malpli fervore batalas por Francujo ol siaj alikredaj samlandanoj; aliparte, tiuj principoj estas alprenitaj en multaj aliaj landoj kaj de longe ne plu estas franca karakterizaĵo. Rilate al la organizema misio, kiun havus Germanujo laŭ kelkaj verkistoj, oni forgesas, ke la organizo tute ne estas idealo, sed rimedo por atingi iun celon. La organizo devas do esti konsiderata laŭ la principoj, kiuj ĝin regas, kaj la celoj, kiujn ĝi havas. Sama organizaĵo povas esti uzata por tre diversaj celoj, bonegaj aŭ malbonegaj. La aserto, laŭ kiu la nomita lando havus la mision organizi Eŭropon, signifas nenion, ĉar ankaŭ la kontraŭaj militantaj regnoj pretendas reorganizi nian malfeliĉan kontinenton. La vera demando estas, laŭ kiuj principoj, laŭ kiuj kredoj fariĝos tiu reorganizo. Fine, estas apenaŭ necese rimarkigi, ke la ideo pri organizo, parenca al tiu pri labordivido, estas malnovega. Oni hontus rememorigi pri tiuj elementaj veroj, se ne ekzistus verkistoj, kiuj, saturite de la militmisticismo, penas pravigi la nunajn abomenaĵojn per ĉiuspecaj argumentoj, kiuj havas nenian rilaton kun la kruda realeco.

Fakte, kiam oni parolas pri la civiliziga tasko aŭ pri la misio de iu popolo aŭ de iu ŝtato, oni miksas du malsamajn elementojn, nome: la *ŝtato*, t. e. politika kaj jura organismo, kaj la *nacieco* (gento), natura grupiĝo karakterizata per komuneco de lingvo, de kulturo, de sentado. La ŝtato havas la samajn idealajn celojn en ĉiuj civilizitaj landoj: certigi la internan kaj eksteran sekurecon, garantii individuajn rajtojn, pligrandigi la ĝeneralan bonstaton. Certe, ne ĉiuj ŝtatoj same komprenas la plenumadon de tiu tasko; ili ne uzas la samajn procedojn kaj ne direktiĝas de samaj principoj. Tamen, estas inter ili identeco de funkcio kaj de celo, kio aliparte evidentiĝas el la simileco de la institucioj en la civilizitaj landoj. La nacieco, kontraŭe, estas grava elemento de diferencigado inter la homoj, ne tiel rilate al la ideoj kaj kredoj, kiel rilate al la karaktero kaj sentmaniero. Ĉiu nacieco havas propran esprimon, propran sentmanieron, propran stilon, en unu vorto, propran ecaron, kiu elmontriĝas en ĝiaj vivaj verkoj. Nu, oni timas, ke la federacio naskos egaligeman kosmopolitismon, detruos la naciajn originalecojn kaj malhelpos ĉiun popolon libere vivi laŭ ĝia propra genio, el kio rezultus ĝenerala malfortiĝado de nia civilizacio senigita je la potenca faktoro de la naciaj energioj. Certe, se la homaro estus elmetata al tia danĝero, oni rapide devus rezigni je la federacio, sed nenio rajtigas kredi, ke efektive tiaj danĝeroj ekzistos. La fenomeno de la nacieco ne dependas de la homa volo. La esenco de la nacieco estas jam profunde enfiksita en la homa animo kaj estas grava elemento en la agregato de sentoj, kiu formas nian karakteron. Ni tiel malmulte povas liberiĝi je la ecoj de nia gento kiel je niaj individuaj ecoj. Vane la almilitintaj regnoj penis perforte trudi alian naciecon al la popoloj de ili konkeritaj. Senutila perforto, vana barbareco! Kial do la federacio, kiu ĝuste bazas sur la rekono kaj respekto de la naciecoj, povus fariĝi ilia tombo? Sub la nova reĝimo, la gentoj estos plene liberaj. Neniu plu estos subpremata en sia lingvo, en sia religio aŭ en sia kulturo. Ĉiu popolo povos libere vivi laŭ sia propra genio kaj fosi sian sulkon en la grandega kampo de la homaj spertoj, sub la sola kondiĉo respekti la saman rajton lasatan al la ceteraj popoloj. La federacio estas neebla sen la tolerado, sed en socio, kie ne plu regas absoluta unueco de kredoj, nenia ordo estas vivkapabla, se ĝi ne havas kiel principon la toleradon.

Cetere estas ĥimere kredi, ke la federacio malhelpos ĉian konkuradon inter la ŝtatoj. La nacioj ne plu batalados por sia ekzisto, sed ili ĉiam batalados por defendi sian vidpunkton kaj atingi certajn profitojn. Tiuj bataladoj estos malpli krudaj ol la nuntempaj; ilin ne akompanos teruraj detruoj, sed ni vere ne povas malĝoji pro tio.

Ĉu vere estas, kiel asertas Renan, ke de la tago, kiam la homaro estus pacigita, la moraleco kaj la inteligento estus plej grave endanĝerigataj? Esprimante tian opinion, oni forgesas esencan fakton, nome, ke, en sia grandega plimulto, la homoj vivas, agas, laboras, ne multe zorgante pri la ŝtato, pri ĝiaj bezonoj kaj „vivinteresoj". Por centmilionoj da homoj, la batalado kaj konkurado inter la ŝtatoj prezentas, en normala tempo, nenian intereson. La ŝtato prosperas, se la individuoj, el kiuj ĝi konsistas, estas laboremaj, ordemaj, ŝparemaj, bonmoraj. Ĝi malprosperas en la kontraŭa okazo. Sed estas malĝuste kredi, ke la homoj malpli energie laboros kaj sin fordonos al spektikeco kaj malmoraleco, kiam la ŝtatoj estos unuigitaj per politika ligilo, ĉar jam nuntempe ni konstatas, ke la homa laborado grandparte efektiviĝas sendepende de la ŝtato. Nek la timo al la ekstera malamiko, nek la deziro plialtigi la propran landon ĝis la unua loko, streĉas la homan energion, sed la necesaĵoj de la vivo, la ambicio, la envio, la deziro al la ĝuoj kaj al la honoroj, la amo al la laboro, la kredo je certa idealo, en unu vorto la *intereso*, en la plej vasta senco de tiu esprimo. Tiu instigilo neniel malaperos pro la anstataŭo de internacia ordo je la nuna anarkio. Poste, kiel antaŭe, la samaj sentoj gvidados la homojn en la kondukado de ilia vivo.

Ĉu estas timinde, ke la registaroj fariĝos senagemaj kaj sin lasos tute regi per la rutino kaj la tradicioj, tuj kiam ili ne plu estos stimulataj de la timo al fremdlando? La registaroj ne estas tute apartigeblaj de la nacio. Ili estas tiaj, kiaj ilin akceptas la publika opinio eĉ tie, kie tiu ĉi havas nur limigitan povon. En la landoj, kie la publika opinio estas senagema kaj malinteresiĝas je la ŝtataferoj, la

registaro rapide forgesas siajn devojn kontraŭ la nacio, kiun ĝi inklinas konsideri kiel ilon, ne plu kiel celon, sed tiuokaze la vera kulpulo estas malpli la registaro ol la popolo, kiu pro sia pasiveco kaj egoismo mem laboras je sia propra malprospero. La origino de la historiaj dekadencoj kuŝas en la malfortiĝado de la karakteroj; kiel ĉe ĉiuj fenomenoj sociologiaj, la kaŭzoj de tiu ŝanĝiĝo estas multaj kaj ofte malfacile fikseblaj. Iuj popoloj malprosperiĝis, kvankam ilin ĉirkaŭis malamikoj. Aliaj, kontraŭe, plialtiĝis, kvankam ilia ekstera sekureco ne estis grave minacata. Fiksa kaj certa rilato inter la intelekta aŭ morala bonstato de iu lando kaj la sintenado de la najbaraj nacioj rilate al ĝi ne ekzistas. Sub la federacia reĝimo, la samaj kaŭzoj daŭrigos produkti la samajn efikojn: tie ĉi vigla idealismo altigos la popolon, tie egoismo kaj malagemo ĝin puŝos sur la vojon al la mallumo. Iuj supreniros; aliaj malsupreniros, ĉe la popoloj, kiel ĉe la partioj, kiel ĉe la individuoj. Tiu natura kaj eterna fenomeno ne ĉesos interne de la federacio, sed ĝuste dank' al tiu ŝanĝiĝado renoviĝas kaj pliriĉiĝas la tutmonda civilizacio. La estonta ŝtatligo neniel estos komparebla al la Roma Imperio nek pri sia konsisto, nek pri sia organizo, nek pri siaj celoj. (Cetere, la tiel nomata dekadenco de la Roma Imperio limiĝas je la dekadenco de la Roma popolo, t. e. de la tre malgranda gento, kiu estis trudinta sian superregadon al multaj fremdaj gentoj.) Fakte, neniam ekzistis iu vera tutmonda imperio, kaj ĉiu provo kondamni la federacion sin apogante sur pasintaj spertoj estas senvalora, tial, ke ĉiuj tiuj spertoj havas nenian rilaton kun la transformiĝo, kiun ni alcelas.

* * *

Kiel ajn dezirinda estas la federacio, oni pretendas, ke ĝi estas fakte neebla pro la tro profundaj diferencoj, kiuj apartigas la naciojn. La popoloj prezentas tian diversecon de rasoj, de gentoj, de kulturoj, de kutimoj, de kredoj, de tradicioj, de politikaj formoj, ke ĉiuj penadoj por ilin grupigi en unu asocion estas vanaj, ĉar kontraŭnaturaj.

Tre gravaj estas tiuj diferencoj, sed oni tamen ne forgesu, ke ili montras nur unu aspekton de la realeco; la alian flankon prezentas la similecoj. La nacioj estas apartigataj per multaj baroj, ĉu naturaj, ĉu artefaritaj, sed malgraŭ tio, ili havas multajn komunajn interesojn. Apartenantaj al sama civilizacio, kies plej belaj akiroj rezultas el la laborado de la ĉiutempaj kaj ĉiulandaj elitoj, la nacioj havas komunposedaĵon en ĉiuj fakoj de la intelekta, morala, estetika, sociala kaj ekonomia vivo. Bedaŭrinde, la politika anarkio en la interŝtataj rilatoj inklinas niajn spiritojn atenti pri tio, kio apartigas la popolojn, kaj malvidi tion, kio ilin kunigas. La diferencoj ŝajnas al ni pli grandaj ol ili reale estas, ĉar ni ne scias konstati la similecojn, kiuj iel ekvilibrigas ilin. En tiu rilato, plena reedukado de la publika opinio estas necesa.

Kiel ajn senteblaj ili estas, la naciecaj diferencoj ne tute malhelpas internacian kunlaboradon. La multnombraj internaciaj institucioj, ĉe kiuj, antaŭ la nuna katastrofo, ĉiunaciaj homoj unuigis sian penadon por la triumfigo de sama idealo aŭ por la plenumo de tutmonde utilaj verkoj, atestas la eblecon de konstanta kaj sistema kunlaborado inter individuoj apartenantaj al ĉiuj gentoj. Ŝajnas hodiaŭ neeble, ke reprezentantoj de la nun militantaj nacioj povis interkonsente labori je preciza tasko, kaj tamen tio estis kaj tio ankoraŭ estus, se la anarkia dividema politika reĝimo ne intervenus en direkto tute kontraŭa al pozitiva internacia kunagado. La raso, la gento, la lingvo enfermas la homojn en apartaj regionoj, sed la laboro, la pensado, la idealo transpaŝigas la naturbarojn.

La federacio neniel estas sinonimo kun tutmonda ŝtato; ĝi nur starigas inter la ŝtatoj iun juran ligilon por malhelpi la uzon de la perforto kaj ebligi ilian konstantan kunlaboradon pri komunaj interesoj. Kiel en multaj fakoj la homoj unuiĝis, senatente pri la gentaj, naciaj aŭ kredaj diferencoj, simple ĉar la sperto sugestis al ili samajn konkludojn, tiel same nenio en la naturo malhelpas, ke ili en ĉies intereso aliĝu al tiuj kelkaj, cetere tre simplaj, politikaj ideoj, sur kiuj bazas la federacia sistemo.

* * *

Oni, ĉefe nuntempe, kontraŭdiros, ke, eĉ se en si mem la naciecaj diferencoj ne tute malhelpas la starigon de la federacio, tiu ĉi ĉiuokaze ne estos realigebla tiel longe, kiel inter la popoloj regas malamo, venĝemo, suspektemo, naskitaj de militplena pasinto. Kaj jen, la plej terura el la militoj ĵus revigligis kaj paroksismigis tiun sentojn, kiujn oni tiel peneme kontraŭbatalis dum la lastaj jardekoj de relativa paco. Naskiĝis novaj malamoj. Sennombraj malfeliĉoj pezas sur nekulpaj popoloj, kiuj el tio verŝajne resentos venĝemon. Krimoj estis plenumitaj kaj postulas justan repagon. Malkompreniĝoj kreiĝis, ŝajne neripareblaj. Tiel grandega interbatalado nepre postelasos, krom sennombraj perdoj kaj materiaj detruoj, malamon en la koroj de tiuj homoj, kiuj suferinte aŭ vidinte suferi, senpripense kulpigos la personojn, t. e. la malamiko, je faroj, pri kiuj estas kulpa antaŭ ĉio la sistemo. Ĉu ne estas timinde, ke tiu spiritstato konstantigos la plej terurajn malkompreniĝojn kaj por longa tempo neebligos ĉian penadon por realproksimigi la popolojn?

Tiu psikologia kontraŭdiro estas la plej grava, kiu estas formulebla, se ne kontraŭ la federacia principo, almenaŭ kontraŭ la oportuneco de agado por la starigo de ŝtatligo. Tamen, se oni konfesas ties malfacilecon, tio neniel signifas, ke nenio estu provata por evitigi la reokazon de la nunaj abomenaĵoj. Rezigni je la batalado sub la preteksto, ke la situacio ne estas favora, estas taŭga por la timemaj kaj rutinemaj animoj, sed por la fortulo, la malfacilaĵoj estas stimulilo. Noble estas stoike akcepti la batojn de la fatalo, sed nur kiam ĉio ebla estis provita por ilin deturni; se ne, la stoikeco fariĝas malkuraĝo, la nobleco stulteco. Vi diras, ke la interpopolaj malamoj tre malfaciligas la agadon de la pacamikoj. Tion ni ankaŭ ja scias, sed dum vi el tio konkludas: ni atendu kaj dormu, ni vokas: ni stariĝu kaj agu.

Sed kiel efike agi kontraŭ la malamoj postlasotaj de la milito? Kiel devigi la homojn, ke ili forpelu la pasiojn naskitajn el la nunaj buĉadoj? Tion oni certe ne atingos per pura predikado. La prudento havas malmulte da influo je la homaj sentoj kaj, se iam ĝi sukcesas naski en nia animo kelkajn ekdubojn, la sentoj denove regas, kiam venas la momento por agi. Vane do estas, provi la repacigon de la popoloj, sin turnante al ilia prudento, ĉar tiu ĉi estas senforta kontraŭ la pasioj. Oni ne atingos pli multe predikante altruistajn doktrinojn kaj la tutmondan fratecon. La homoj volonte aŭskultas predikojn, sed kiam ili devas agi en la ĉiutaga vivo, ilin gvidas la propraj sentoj kaj pasioj, ne la supraja predikinstruado. La naciajn pasiojn oni povas mildigi nur per nerekta vojo, kontraŭmetante al ili aliajn pli fortajn sentojn. Ĉe multaj homoj, la nacia malamo ne havas tre profundajn radikojn; se ili cedas je la fluo, tio ofte okazas, ĉar ili ne trovas pozitivan solvon je la malbonoj, de kiuj ili suferas. La federacia ideo, taŭge prezentita kaj defendita de energia kaj fidplena elito, devas esti kapabla naski sentojn, kiuj kontraŭstaros je la suspektemo kaj venĝemo. Fine de la nuna batalego, venkintoj kaj venkitoj estos tute eluzitaj. Estos tiam facile montri, ke la federacio estos por la homaro la sole ebla savo, ne nur en

la estonteco, ĉar ĝi malhelpos similajn katastrofojn, sed ankaŭ en la estanteco en tiu senco, ke ĝi tuj faros al la popoloj malpli malbonajn vivkondiĉojn. Se vastampleksa pacagado povas esti organizata je la taŭga momento, la publika opinio, malgraŭ sia malamo kaj suspektemo kontraŭ difinitaj popoloj, estos inklina, pro la afliĝitaj vivkondiĉoj, akcepti la federacian principon, tiom pli, ke la profunda bezono de spirita renoviĝo, kiu sekvas ĉiun krizon, kontentiĝos en la alta civilizacia idealo, kiun enkorpigas la federacio. La pozitivaj sentoj naskotaj de tiu granda ideo devas esti pli fortaj ol la senfruktaj sentoj naskitaj de la milito. Cetere, la ĉefa tasko de la propagandistoj de la novaj ideoj celos al tio, ke estu direktataj kontraŭ la sistemo kaj kontraŭ la ideoj, sur kiuj ĝi bazas, la kritikoj, la kulpigoj, la venĝemo, kiuj nun senutile refalas sur la registarojn aŭ popolojn. Anstataŭ senfrukte envolviĝi, la malamo naskos penadon al pli bona stato, kiam ĝi estos direktata kontraŭ la veraj kaŭzoj, t. e. la sistemo. Al ĉiuj ĝemintoj, al ĉiuj suferintoj, ni denuncu la veran kulpulon, kies ĉiuj popoloj estas egale viktimoj, nome la anarkia reĝimo kaj la idearo, sur kiu ĝi sin apogas. La plej kruela el la tiranoj, la plej abomena el la registaroj, verŝigis malpli da sango kaj da larmoj ol la nin subpremanta reĝimo.

*(Daŭrigota.)* *H. Hodler.*

# ✻ SOCIA VIVO ✻

## La sociala politiko dum kaj post la milito

II

La plej gravaj faktoroj de l' estont-problemo troviĝas laŭ mia opinio:

A. En la demando pri la bezono de socialpolitika reformo post la milito.

B. En la ĝenerala sento pri sociala helpa agado, kaj la al tio rilatantaj politikaj fortkondiĉoj.

C. En la takso de la eventuale por tio uzeblaj aŭ troveblaj monrimedoj.

La bezono de sociala prizorgo dependas de la nombro de la sekve de la sorto aŭ de la propra malforteco helpbezonantaj homoj kaj ankaŭ de la grado de ilia helpbezono. Laŭ ambaŭ direktoj estas evidente, ke la milito aldonis novajn ampleksajn formojn de helpbezono al ĉiuj tiuj faktoroj, kiuj jam antaŭ la milito endanĝerigis la vivon de la laborantaj klasoj — la disigo de la hejma terpeco, kiu forprenis al ili la helpon de la hejmo kaj familio dum malsano kaj maljuneco, la fabrikindustrio kun ĝiaj eblecoj pri metia malsano, metia trolacigo kaj metia akcidento, kun ĝiaj danĝeroj pri malsaniga laboro de virinoj kaj geknaboj. Kvankam en la plejmultaj ŝtatoj oni prizorgas la militkripligitojn, kaj eĉ se ni malatentas ĉiujn pedagogajn aranĝojn por reakiro de korpa kapablo aŭ por lernado de novaj profesioj, estas tamen certe, ke tre multe da malfortigitaj personoj reiros en la industrion kaj bezonos duoblan leĝan prizorgon. Ankaŭ la pensioj kaj la ĝenerala helpagado por la duoninvalidoj estu kunligata kun la similaj branĉoj de la ĝenerala invalidasekuro; ĉiuokaze la prizorgantoj de la militinvalidoj, kiuj plenumas devon de honoro, zorgeme atentu la plivastigon ankaŭ de la flankaj branĉoj de la publika prizorga agado. Ankaŭ la milionojn da soldatvidvinoj kaj soldatgeorfoj oni kapablos prizorgi nur minimume, dank' al la oficiala helpa organizo. La ĝenerala disvolvo de la milito, kiu supozigas necertan rezulton, malpermesas atenti grandan militan monkompenson — simila al tiu de l' jaro 71, per kiu Germanujo kapablis pagi siajn pensiojn al la invalidoj. Tiuj ĉi milionoj da virinoj kaj infanoj estos devigataj penege batali por sia ekzisto; ili bezonos la socialhigienajn protektojn eĉ pli multe ol la viroj, kiuj antaŭ la milito estis laborintaj en la fabrikejoj kaj nun estas senigitaj de ĉiu produktema laboro pro la malamika kuglo.

Se do estas evidenta la neceso de l' plivastigo de la socialpolitiko post la milito, la problemo rilate al la tiucele konforma politika sento estas multe pli komplika. Certe, kiel ni rimarkigis antaŭe, oni sentos pli fortan deziron al helpo al tiuj homkategorioj, kiuj suferis sekve de la milito. Sed aliparte en ĉiuj militantaj landoj estos necese, fortege klopodi, por restarigi la industrion, ripari la detruitajn urbojn kaj laborejojn, replenigi la malplenigitajn provizejojn. Tio vigliĝos la industrian agemon — precipe tuj post la packontrakto — kvankam pli poste, kiam la malplenajoj estos replenigitaj kaj precipe en Germanujo, se industria „bojkoto" ekestus en la antaŭe tiom akceptkapablaj malamikaj landoj, plimalfortiĝo de la industria agemo eble okazus. Tiam novaj, pli viglaj klopodoj fariĝos, por akiri la ankoraŭ liberajn vendejojn de la neŭtralaj landoj per malaltaj prezoj. En ambaŭ epokoj do estos necese por la industrio, ke ĝi treege penadu; ĉar la procentpago de la militpruntoj ĉie kaŭzos pliigon de la impostoj, la labordonanto, eĉ bonanima, estos devigata plimalaltigi la salajrojn kai kontraŭstari al ĉiu plua ŝarĝo per socialpolitikaj antaŭrimedoj, al ĉiu leĝa limigo de l' labortempo k. t. p. Li diros, kiel estas dirite dum la milito ankaŭ en Anglujo: „ke la bonstato de la tuto postulas la streĉon de ĉiuj produktpovoj kaj la rezignon je specialaj por la protekto de la laboristaro alprenitaj antaŭrimedoj".

Ĉu tiu ĉi kontraŭstaro sukcesos, dependos de la akirita potenco. La laboristaj amasoj, kiuj dum la milito fordonis siajn historiajn idealojn kaj en ĉiuj landoj (escepte je certa grado en Italujo kaj Anglujo) sin metis je la servo de la ŝtata ideo, prezentos sian kalkulon. Eĉ se tie ĉi kaj tie oni sentas la emon, ilin malakcepti, estus tre malfacile, malkonfesi ĉiujn solenajn promesojn. La postuloj fariĝos pasiegaj; estos necese ilin elaŭdi, precipe se duba rezulto de la milito kolerigis la popolamasojn pro la senutilaj oferoj. Unue oni verŝajne proponos politikajn koncesiojn, kiuj ne postulas kontantajn elspezojn, kiel la demokratian realigon de l' prusa elektrajto; poste ankaŭ plivastigon de l' rajto je koalicio, favorigon de la metiaj asocioj kaj eble ankaŭ ŝtatajn uzurpojn pri fiksado de la salajroj.

Al la de tiuj proletariaj postuloj malpli tuŝitaj, malpli fruktigitaj kampoj apartenas la industria kaj ordinara lerneja instruado, ĉiuj tiuj organismaj reformoj, kiuj malpli rekte rilatas al urĝaj necesoj. En la premo de la interbatalantaj potencoj la interesoj de l' estonto, kiuj ne havas tian reprezentadon, estos verŝajne malatentataj.

Decidigaj estos tiam precipe la financproblemoj. La mondmilito kostis ĝis nun al la diversaj militantaj ŝtatpotencoj ĉirkaŭ 150 miliardojn da frankoj; se oni alkalkulas la privatajn perdojn, la dezertigon de la militaj regionoj, la malhelpon de l' permara komerco k. t. p., kiuj malpli facile povas esti kalkulataj, la duoblon. Se, kiel oni devas supozi, la batalhalto ne okazos antaŭ la aŭtuno de 1917, kaj eble nur en somero 1918 la efektiva packonkludo permesanta la malmobilizadon de la armeoj, tiam la rektaj elspezoj estos altiĝintaj de 150 al 300 miliardoj, kaj la sumaj elspezoj de 300 al 600 miliardoj. La procentpago de la pruntoj faritaj por la rektaj ŝtatelspezoj sumiĝus do je 15 miliardoj ĉiujare, kaj la privata perdo malfortigus la kapablecon de la loĝantaro por pagi la impostojn je sama aŭ eĉ pli granda sumo.

En alia artikolo mi provis montri, ke la starigo de internacia jura ordo permesus respondan malpliigon de la ĉiujaraj militistaj elspezoj, kaj tiel efikus kompenson — eĉ se nur partan — al tiuj pruntprocentoj. Tamen mi bone scias, ke la akcepto de tia programo de l' flanko de la militantaj registaroj estas tre neverŝajna. Al la 15 miliardoj da ĉiujaraj pruntprocentoj aliĝos do denove 15 miliardoj da militistaj elspezoj, kaj tio treege elprovos la pagkapablon de la ŝtatoj.

La metodoj de l' nuntempo (senĉese sin turni por helpo al la venontaj generacioj kaj uzi militgajnojn por la kredito de l' ŝtato) tiam kompreneble ne plu valoros, por provizi monon. Eble en grandioza maniero, per starigo de ŝtatmonopoloj, rompanta ĉiujn antaŭjuĝojn per ŝtatsocialisma politiko, oni trovos gravajn fontojn de enspezoj. Tamen en la malriĉaj landoj la fantomo de l'ŝtatbankroto minacante ekstaros, kaj en la riĉaj, al kiuj estas alkalkulotaj Germanujo, Francujo kaj Anglujo, estos nepre necese, malpliigi la elspezojn por bonstato kaj edukado, por ĉiuj socialaj taskoj.

Ni do vidas, ke premantaj bezonoj de pluaj socialpolitikaj aranĝoj kaj gravaj sentfaktoroj ilin urĝe postulantaj, kontraŭstaros al financa nekapablo aŭ almenaŭ al tre granda malfacilo, paralelogramo de fortoj, kies rezultanto en ĉiu lando, laŭ flankaj, hodiaŭ ne jam antaŭvideblaj faktoroj, eble sin montros diferenca.

Fortan probablecon havas la jena hipotezo: „Ĉe l' konkludo de la milito oni malakceptas la starigon de internacia jura ordo, armas por ebla venĝmilito kaj plue altigas la militistajn elspezojn. Tio naskas bankroton aŭ preskaŭ, kaj malebligas la kontentigon de ĉiuj socialpolitikaj deziroj, kiel ajn forte ili sin esprimas.

Sed se ili sukcesas, pere de la iom post iom vekiĝinta racio, rompi la kontraŭstaron de la ŝovinismaj antaŭjuĝoj kaj de la militistaj rondoj kontraŭ internacia jursistemo, la malpliigo de la armadelspezoj povos havigi iom da mono por socialpolitikaj celoj. Kaj se la sama demokratia direkto kondukas al vasthorizonta ŝtatpolitiko, eble post pluaj jarcentoj la vojo al socialpolitikaj entreprenoj denove estos libera. Sed tio, ĝi estu ree forte akcentata, estas nur *unu* hipotezo apud multaj aliaj, kiuj same povos realiĝi.

Estas ankoraŭ, kvankam neverŝajne, tamen supozeble, ke unuopa ŝtato per milita sukceso aŭ ke ĉiuj ŝtatoj per venko de la racio, kiu alkondukus al tuja starigo de internacia jura sistemo kaj al limigo de la armadoj, atingos pli bonan socian staton ol ni ĉi tie priskribis, tiel ke tamen tuj troviĝus iom da mono por socialpolitikaj celoj. Estu do permesate, montri al kiuj specialaj celoj de la socialpolitika agado tia reformo plej bone sin aplikus.

* * *

La sociala asekuro, speciale la asekuro de la invalidoj, kiel mi jam diris, kontentigos urĝan bezonon, kaj estos insiste postulata. Male la asekuro de la senlaboruloj, kiu antaŭ la milito estis la plej aktuala problemo de la socialpolitiko, fariĝos malĉefa. La forigo de tiom da viraj laborfortoj per la morto sur la batalkampo aŭ per daŭra kripligo, kompreneble pliigos la dungon de la postvivantoj kaj malpliigos la senlaborecon. Malpliiĝos ankaŭ, sekve de l' krudigo de la ĝenerala vivo, la plezuro al la sistema starigo de tiaj reformoj, kiujn ne postulas la devigo de momenta mizero. Estas do verŝajne, ke la malmultaj uzeblaj rimedoj helpos la kompletigon de la invalidasekuro, kaj ke la asekuro de la senlaboruloj estos flanken lasita.

La mallongigo de l' labortempo, kiun postulis epoko de riĉeco, kiam, antaŭ la milito, pere de la teknikaj eltrovaĵoj, la bonhaveco estis disvastigita en vastaj klasoj de l' popolo, nun laŭŝajne tute malaperos. La labortempon povas mallongigi nur tiu, kiu estas riĉa, la malriĉulo devas penadi pli longe por perlabori sian vivon, kaj industrio baraktanta kun pezaj ŝarĝoj nepre rifuzos ĉiun ajn mallongigon de l' labortempo.

Ĝi do povas esti pritraktata nur en landoj, kiuj ekonomie nur malmulte suferis pro la milito.

Similaj motivoj stariĝas ankaŭ kontraŭ la disvastigo de la fabrik- kaj hejmhigieno; sed la konsidero al la protekto de la nun tre vastamplekse al laboro devigataj virinoj kaj infanoj, la ŝtatpolitikaj kaj militistaj konsideroj pri konservo de la popolforto eble necesigos ankoraŭ kelkajn pluajn reformojn. Antaŭ ĉio ekrestu gravaj antaŭrimedoj kontraŭ la alkoholismo, unuflanke por antaŭgardi la popolorganismon kontraŭ tiu ĉi domaĝo, aliflanke por ŝpari tiun elspezon al la jam malpliigita nacia havo; t. e. oni certe unue gravege impostos la alkoholkonsumon kaj poste, pro fiskaj motivoj, oni eble transiros al monopoligo de la trinkaĵoj malpli suspekteblaj, kaj al malpermeso de la plej danĝeraj (brando kaj absinto).

Ŝajnas, ke el la diversaj linioj de l' socialpolitika evoluo, tiuj de la industriaj arbitraciaj tribunaloj kaj de la leĝdono pri minimumaj salajroj por malpliigo de la strikoj kaj de la monperdo kaŭzita de ili, havas plej grandan ŝancon sukcesi. Nenia vidpunkto de la ŝtatfinancoj malhelpas tian reformon; eĉ la neceso indulgi la nacian havon postulas ĝin. La individualismaj ideoj pri libereco estas treege malfortigitaj per la disvolvo de kolektivaj interesoj kaj teorioj dum la milito, kaj per la de ĝi mem en siaj propraj sferoj kreitaj aranĝoj. Oni alkutimiĝis al ŝtata prezfiksado, ŝtata dispartigo de la produktoj, ŝtata interveno, ĉiuspeca en la industria vivo; oni ne plu kontraŭmetos al tiuj fatalaj intervenoj la antaŭjuĝojn, kiuj estis modaj antaŭ la milito.

Oni povas diri la samon pri la problemo de l' ŝtatigo de la industrioj, kiuj fariĝis monopoloj; sed ĝi estas flanke de nia temo pri socialpolitiko. La ŝtata socialismo certe eliros el la milito treege fortigita.

Ni do vidas, ke en ĉiuj militantaj landoj la problemoj de l' tempo pasinta sin montros tre ŝanĝitaj. Novaj impulsoj sur unu kampo, regreso de malnovaj movoj sur alia. Interŝanĝo de spertoj kaj spirita sugestio igos tiun aliigon parte reagi sur la neŭtralajn landojn; sed la lastaj profitos je sia sendifekta financa mastrumado. Tiel ili kapablos, ĉefi la plej gravajn socialpolitikajn reformagadojn; ili havos ankoraŭ monon kaj intereson por kulturpolitiko, por homaraj kaj estontaj valoraĵoj; en sociala kaj kultura rilatoj, ili atingos pli altan gradon de perfekteco ol la landoj, kiuj estos elĉerpitaj de l' milita ebrieco.

Ĉu oni devas tion prijuĝi kiel mondhistorian justecon, kiel rilaton de kulpo kaj elpago? Eble tio estus troa, ĉar tio, kio kaŭzis la militon, estis malpli la subjektiva kulpo de l'individuo kaj de la amasoj, ol la historie kreita kaj, pro manko de sociologia kompreno, konservita neperfekteco de la internacia organizo. Ĉiuokaze tiu ĉi kulturagado en la neŭtralaj landoj prezentos al la aliaj ŝatindan modelon, por ilin konvinki, kiom pli bone *paco* kaj *laboro* servas al la popoloj, al ilia kulturo, bonstato kaj progreso, ol milita gloro kaj ĉiuj aliaj virtoj de l' pasinto, kiuj nuntempe ne plu alkonformiĝas al la meĥanismo de la popolsorto.

La vero de Norman Angell tiel sagace prezentita, kaj tamen tiel nesufiĉe atentita, „ke milito estas malbona negoco" estas komprenita de ĉiuj en la lumo de la fakta disvolvo. Ĉiuj pereigaj revoj pri progresigo de la interesoj de la laboristoj pere de imperia potencpolitiko estos neniigitaj de la maldolĉa premo de la faktoj.

Tial la esploro de tiuj estontaj eblecoj estas grava ankaŭ por la kompreno de ĝeneralaj problemoj koncerne la estonton de l' Eŭropo. Ju pli la milito alproksimiĝas al sia fino, des pli tiu esploro devus esti kaj certe estos zorge atentata kaj akurate plenumata helpe de partesploroj ankoraŭ ne faritaj, kiuj servos kiel fundamentoj por ĝenerala observado.

*Prof. D-ro Broda* (Bern).
Trad.[1]: *A. C.*

---

## La Internaciaj Problemoj kaj la Milito[2]

Sub tiu titolo, Sro *P. Otlet*, la eminenta ĝenerala sekretario de la Unio de la Internaciaj Asocioj, jus publikigis, en franca lingvo gravan verkon, kiu prezentas studindan materialon por ĉiuj interesuloj pri internaciaj problemoj. Oni ĉi-sube trovos analizan resumon de la diversaj demandoj traktitaj en la nomita verko.

Tiu ĉi libro estas provo prezenti en ilia tuteco kaj de sinteza vidpunkto la internaciajn problemojn, naskitajn de la milito. La kontraŭfrapado de l' armeoj, la surkampa interbatalado kaŝas la konfliktojn, kiuj estigis la militajojn. La batalado fariĝis universala, ĉar ĝiaj kaŭzoj estis profundaj kaj multenombraj; el ĝi rezultos grandega revolucio, okazonta en ĉiuj landoj.

Kia estas la medio treege komplika, en kiu agas la fortoj kontraŭstaraj; kiaj estas la faktoj, atentotaj en la estonto, kiel konstantoj ne forigeblaj el kia ajn kombino; kiaj estas la novaj aŭ renovigitaj solvoj, preferataj aŭ montrataj per la studado: tiaj estas la demandoj starigataj de l' aŭtoro. Li pritraktas ilin en kvar partoj: la ĝeneralaj faktoj rilataj al la milito, la kondiĉoj kaj la faktoroj de la vivo internacia, la organizo, doninda al la Asocio de la Nacioj; la konkludoj pri la internacieco, la internacia sociologio, la kaŭzoj de la milito kaj la korelativaj kondiĉoj de daŭra paco, fine — pri la estonto.

La verko estas inspirata de prizorgoj, esprimitaj — unu — de Asquith, en septembro 1914: „Neniam oni pripensos sufiĉe frue la novan situacion, rezultontan fine de tiu ĉi milito"; la alia — de Boutroux: „Super diskutoj en kiuj ĉiu penadas triumfigi siajn proprajn interesojn, oni devas starigi esplorojn, celantajn difini en la maniero pure objektiva la nunan staton, la faktojn certe konatajn, la diversajn sekvojn, rezultontajn pro tiaj aŭ aliaj aranĝoj laŭ la instruado, la sperto aŭ la deduktoj de la scienco."

La parto, dediĉita al la milito, konsideras ĝiajn kaŭzojn, la prirespondojn de la milito, ĝiajn metodojn kaj procedojn, ĝiajn efikojn, ĝian ĝeneralan ecaron. Ĝi insistas precipe pri la fakto, ke la milito sekvigos revolucion.

La parto, dediĉita al la esplorado de la faktoroj de la vivo internacia, prezentas la aferon plej klare kaj precize. Ĝi enhavas pli ol 350 paĝojn. La fundamenta ideo priparolata konsistas en tio, ke la milito estas similigata al la malsano de la socio, la paco estante ĝia sano, ĝia normala stato. Sekve, por kompreni la mekanismon de la unua, oni devas antaŭe kompreni la mekanismon de la dua, ĉar la patologio supozigas la fiziologion.

Naŭ grupoj de faktoj estas intersekve konsiderataj el la vidpunkto kompara kaj universala. Ĝi estas la fundamentaj kategorioj de la sociologio, bazitaj sur la elementoj de la socio, ĝiaj organoj kaj funkcioj — kategorioj, al kiuj en la realeco respondas la diversaj socialaj sciencoj.

1. Faktoroj historiaj: la evolucio de la homaro. La verko elcitas la grandajn faktojn de la homa historio, faktojn, el kiuj konsistis la reala vivo de l' homaro ĝis la komenco de la 19a jarcento; post tio ĝi skize priskribas la grandajn periodojn de la internacia historio (1815—1915) kaj donas kronologion de faktoj tutmonde gravaj, okazintaj dum la pasinta jarcento.

2. Faktoroj geografiaj: la Tero. Pluraj demandoj estas esploritaj: la terspaco kaj la disdivido de la tero inter la regnoj; la karakterizaĵoj de la mondpartoj; la variebla graveco de la naturo laŭ la epokoj; kunlaborado de la diversaj landoj je la universala civilizo.

3. Faktoroj sociaj: la homoj de la socio. Ĉi tie estas konsiderataj, interalie, la demandoj rilataj al la instigiloj kaj celoj de la socia vivo: la utilemo, la progreso; al ĝiaj sferoj: la naciismo, la internaciismo kaj ilia kontrasto; al ĝiaj manieroj: la koopero aŭ la konkuro, la organizo aŭ senordemo.

4. Faktoroj rasaj: la popolo kaj la nacioj, iliaj konfliktoj, la nacioj subpremataj aŭ distranĉitaj. Kiajn solvojn normalajn povas havi la problemoj de nacieco, distingante unuparte la diversajn tipojn de la loĝantaro, aliparte la diversajn reĝimojn politikajn kaj jurajn, je kiuj ili povus esti submetitaj.

5. Faktoroj ekonomiaj: la internacia vivo materiala. Esplorado de la kaŭzoj; ekonomiaj sekvoj kaj celoj de la milito, pririgardante la regionon de la produktado, laboro, komerco, financo, transportado, kolonioj, konsumado. Por ĉiuj agspecoj de la homoj la formoj pure naciaj estis rekonataj tro malvastaj kaj la universalaj aranĝoj estis kreitaj, projektitaj aŭ antaŭviditaj. La maleblo konkordigi naturajn dividojn rasajn, ekonomiajn kaj politikajn igas deziri por la modernaj regnoj specon de sennaciigo de la Ekonomio, simile al la senfunkciigo de la regno je la religiaj aferoj en la 16a jarcento. La grandaj ekonomiaj funkcioj jam reguligitaj per la trustoj kaj sindikatoj aspirantaj enpreni la universon, subtenados la vastajn internaciajn uniojn, kiuj, post leĝigado, estos starigitaj, kiel potencoj funkciantaj kontraŭ potencoj teritoriaj. La dilemo estas starigita, aliparte, inter la batalado aŭ la kooperado ekonomia, kaj oni sin demandas, ĉu la mondo volos daŭrigi la kolektivemon, en kiu ĝi vivas dum la milito.

6. Faktoroj kulturaj: la intelekta vivo. En ili estas la lingvoj, la religio, la sciencoj, la instruado kaj la edukado, la gazetaro. Ĉiuj ĉi elementoj agas, por neŭtraligi la popolojn kaj krei la antagonismon inter la diversaj naciaj ideologioj, ankaŭ inter la lastaj kaj la universala batalado. Ni ĉeestas je la renovigitaj penoj por starigi fortan spiritan potencon; ĝi ne estos plu tiu de la religioj, sed ĝi povos altrudi raciajn gvidojn de vivo kaj agado je la nomo de idealoj superaj, rajtaj kaj rezone pruvitaj.

7. Faktoroj moralaj: la moralo universala. Kiamaniere la foresto de la moralo ludis rolon en la nuna konflikto; fundamento de la moralo, ĝia evolucio, la milito kaj la moralo; kio estas kaj kio devis esti la moralo en la internaciaj rilatoj; neceso subigi la politikan agadon al la moralo.

8. Faktoroj juraj: la juro internacia, la ideo pri la rajto kaj la forto, ilia paralela evoluado, la unuecigo de la juro, la respekto de la traktatoj, la rompoj de la juro internacia. La neceso organizi adapteblon de la internacia juro, distingi inter la aferoj laŭleĝaj kaj politikaj konfliktoj, celantaj starigi novajn jurajn rilatojn. Kio mankas al la nuna juro internacia (precizeco, sankcio, vera sistemo) kaj kiajn bazojn devus havi la nova juro, ebligonta kompletan kaj racian organizadon de la internaciaj rilatoj.

9. Faktoroj politikaj: la politiko universala kaj la regnoj. Studo de la ideo pri la regno kaj la suvereneco, la pereigaj konsekvencoj de la dogmo pri la absoluta suvereneco de la regno kaj la neceso uzi anstataŭe la principon de la rajt-

[1] El *Dokumente des Fortschritts* (aprilo 1916).
[2] Librejo Kündig (4. rue du Rhône, Genève). In-8o. XII + 593 paĝoj. Prezo: 8 Fr.

limigo de iu regno per la egala rajtpovo de la ceteraj regnoj; paralelismo inter la batalado preskaŭ finita kontraŭ la absolutismo de la regno en la landinterno kaj la batalado komenciĝanta kontraŭ ĝia absolutismo eksterlande. La rolo internacia de la demokratiaj ideoj. La kombinoj de regno, federacio kaj ligoj nepre kondukantaj al politika superorganizacio, la grandaj kaj la malgrandaj regnoj, la supozeblaj aliiĝoj de la neŭtraleca reĝimo. Resumo de la ĉefaj problemoj pri la internacia politiko en la ambaŭ mondoj.

La tria verkparto konigas la kondiĉojn kaj la eblojn, kiel organizi la Asocion de la Nacioj. Ĝi apogiĝas sur la faktoj de la dua parto, por provi solvi la ekzistantajn kontrastojn en supernacian organizajon. Ĝi esploras la demandojn, de kiuj esence dependas la starigo de internacia aŭtoritato, komisiita certigi la trankvilecon interpopolan, respektigi la tutaĵon de la internaciaj juroj, antaŭe difinitaj kaj proklamitaj, aŭtoritato, disponanta je povo leĝodona, juĝa kaj rega, disponanta ankaŭ je sankcioj kaj je armeo internacia, havanta en sia juĝopovo regionon universalan, formitan de la maroj, aeroj kaj de iaj terpartoj, subigitaj al reĝimo internaciiga (apud Markoloj, la tuta Afriko intertropika). Firmigado de la tuta organizaĵo tiel difinita per universala akto, proklamota de la postmilita kongreso konstituciiga.

Tia estas la enhavordo kaj la ĉeftemoj de verko, donanta samtempe priskribon de konkretaj faktoj, analizon de konstantaj certaĵoj, katalogon de demandoj, elciton de fontoj, klasifikon rezonitan de kaŭzoj kaj efikoj de la militapero, tiom multenombrajn kaj variajn, ke sole ilia sintezo ebligas nin kompreni ilin en la tuteco, determini iliajn sekvojn kaj voli la necesan reformadon. *A. Ŝ.*

---

## La Dia ideo kaj la milito

Volonte ni represas ĉi tie leteron, kiun en la revuo „Er werde Licht" (Fariĝu Lumo) publikigis nia Delegito en Wiesbaden, S-ro *Ludwig Istel.*

„En via artikolo „La Dia ideo kaj la milito" vi alvenas al la rezultato, ke, se daŭre restus la idealaj sukcesoj, kiuj montriĝis dum la milito, tio estus bono, kiun per neniu prezo ni estus tro alte pagintaj. Pri tio mi bedaŭrinde ne povas konsenti; unue jam en via pravigo troviĝas la neo: „se". Morale abomeninda fakto, kiel tiu milito, detruas multe pli da bonaj kaj noblaj ecoj ol ĝi konstruas, ĉar la ŝtate pravigita mortigo de centmiloj da homoj, kiuj neniam nur ofendetis la mortigiston, same kiel la kruda, senindulga perforto, la malamo kaj la multnombraj aliaj malmoralaĵoj vekas ĉe la farintoj senton, kiu ilin profunde malsuprentiras de ilia homa alteco. Kiel malmulte la milito plibonigas la homojn, tion ni ankaŭ povas konstati ĉe la hejmrestintoj de verŝajne ĉiuj landoj: la agado de la procenteguloj, la egoismo en plej kruda formo ĉe la proviza akirado de manĝaĵoj kaj aliaj malĝojigaj faktoj kaŭzitaj de la milito, kiuj ja devas pruvi al klarvidanto, ke la esperita ideala unueco de l' popolo jam plene rompiĝis dum la milito. Instrua ekzemplo donis ankaŭ la milito de 1870/71, al kiu post same grandega entuziasmo sekvis la hontiga ideala malsukceso de la spekulacia periodo; periodo, kiu difektis la artan belŝajnon de niaj urboj kaj florigis riĉulaĉan stilon, je kiu ni ankoraŭ nun suferas. La milito, kiel organizita mortigo, kiel deiro el la leĝa fundamento, estas en preskaŭ ĉiuj okazoj la morale plej malalta faro de l' homo, kaj el tio logike sekvas, ke ĝi ne povas konduki al morala progreso de l' homaro.

Sed eĉ se tiu „se" ne estus forigata per la faktoj kaj la sperto, se vere restus daŭre tio, kio en la nunaj tagoj montriĝis pli bele kaj pli forte ol kutime, eĉ tiam mi ne povus konsenti, ke neniu prezo estus tro alta por tiu bono. Kiu kuraĝus postuli por si kaj siaj kunvivantoj progreson kaj ĝui estontan profiton nur haveblajn el tia maro de mizero, malĝojo, sango kaj homa malbonago? Pensi alimaniere, estas propagandi novajn militojn, ĉar, se vere grandegaj progresoj devenus el milito, estus ja laŭdinde ĝin prepari. Mi tre volonte rekonas la grandecon, la sinoferon kaj la valoron de la sennombraj heroaĵoj kaj bone komprenas, ke en ili oni vidas la plej altan realigon de homa farado; ankaŭ mi konsentas, ke tiajn ecojn oni laŭdu, *sed* pro tiu laŭdo oni neniam forgesu diri, ke la milito mem estas la plej terura krimo kontraŭ la homaro, kaj ke estas en nia mano ĝin malebligi, se ni estos forpuŝintaj certajn ideojn. Se en ĉiuj landoj oni ĉiam nur gloriĝas la grandon, la heroecon kaj belon de la milito, ne montrante ĝian kulturan danĝeron, tiam oni fariĝas nevola subtenanto de estontaj militoj kaj haltigas la progreson de l' homaro. La grando, la belo kaj bono, kiujn oni nun spertas pli forte ol antaŭe, tio jam estis en la homaro kaj ankaŭ multoble montriĝis antaŭ la milito. Estas neniu nova eco de la homoj; ĝi estus disvolviĝinta kaj disvolviĝos ankaŭ sen milito. Tial ekzistas por mi nur la milito kontraŭ la milito kiel homa aranĝo, kaj neniu forto estas tro senpova, por ke ĝi ne povu kunhelpi, ke tiu celo de senmilita epoko estu atingata almenaŭ rilate la kulturitaj popoloj.

La nuna milito estas historia fakto. Ne valoras disputi ĉu ĝi devis aŭ ne devis okazi; ĝi estas, do ĝi ne estis evitebla. Sed, oni estus povinta ĝin eviti, se la pacifistaj ideoj estus atingintaj pli grandan publikon, se la kompreno inter la popoloj estus penetrinta pli profunde, se la sento pri rajto kaj fideleco al kontraktoj estus pli forte enradikiĝinta, ol fakte okazis. Ĉiuj tiuj supozoj ne realiĝis; la haltigaj, la detruigaj influoj estis pli fortaj, tial la milito devis veni. Tiu „devo" tamen neniel pruvas, ke estonte milito ne estas evitebla, se iam la supre nomitaj ideoj pli multe pezos ol la haltigaj kaj detruigaj. Kiu atente prikonsideras la okazintaĵojn, kaj ne sole fidas je tio, kion la naciaj gazetoj alportas al siaj legantoj, tiu vidas kun ĝojo kiel fortaj fariĝis niaj ideoj . . . Eraris miaj amikoj kaj mi pri la influo de niaj ideoj, sed ni ne eraris pri la vojo kaj celo. Se ni ne estus timintaj la eksplodon de nova milito, nia tuta laborado ja ne estis necesa. Tiu eraro pri la povo de niaj ideoj ne rajtigas la pretendon, ke ni pacifistoj estas same kulpaj pri la milito kiel la militemuloj. Se en nian kalkulon ni metis ciferojn ne konformajn al la realeco, tio nur pruvas, ke la pormilitaj fortoj estis pli grandaj ol supozite, sed tio ne pruvas, ke la malpligrandaj pacaj fortoj estas same kulpaj. Se tiun jaron la ondegoj de la Norda Maro detruis la digojn de Nederlando kaj la ĉion englutantaj akvoj verŝis sin en la landon, ĉu oni rajtas kulpigi la digojn? Ĉu oni pretendos, ĉar denove homa konstruaĵo montriĝis tro malforta, ke oni ne plu faros digojn, aŭ ĉu oni despli klopodos ilin rekonstrui tiel fortikaj, ke ili kontraŭstaros la proksiman ventegon?

Tiel ankaŭ ni daŭrigas granite konstrui, konsciaj, ke ni servas la eternan progreson. Se la nuna ondego estos forfluinta, kaj se nova ree superŝutos nin, neniam ŝanceliĝos nia konvinko, ke venos nia tempo, ke niaj ideoj fariĝos pli fortaj ol la haltigaj kaj detruigaj, kaj ke tiam ne plu estos ebla milito inter kulturitaj popoloj. Kiel tiuj, kiuj gloriĝas la militon kaj ĝiajn rezultatojn sin sentas kiel la iloj de supra potenco, tiel ankaŭ ni rajtas kredi, ke ni estas la iloj de tiu, kiu en nin metis' la konvinkon, ke ne mortigo kaj malamo estas la celo kaj maniero de progresado, sed lumo, amo kaj vivo!

Trad.: *Ed. St.*

## Intelekta helpado al militkaptitoj

Jam de longaj monatoj centmiloj de kaptitoj estas en militkaptitejoj aŭ en internigejoj de Svisujo kaj Holando, kaj kun sia plia daŭro la milito minacas plilongigi tiun kaptitecon kaj fari novajn kaptitojn. Krom tio miloj da personoj estas forigitaj je siaj kutimaj okupoj pro la cirkonstancoj. Terure timinda estas la malplifortiĝo de la inteligentoj, de la sentoj kaj de la voloj pro la deviga senlaboreco. Aliparte, la sociaj perdoj kaŭzitaj de la neutiligo de laborhoroj estas grandegaj kaj aldoniĝas al ĉiuj aliaj militdomaĝoj.

Plibonigo de tiu situacio estas provinda. El ĉiuj flankoj oni penis organizi laboradon ĉu produktan, ĉu instruan, ĉu legan. Multo jam estas farita, sed ankoraŭ pli multo estas farota. En tiu rilato interesa estas la entrepreno kreita de la Internacia Bibliografia Instituto.

Fondita en 1895 en Bruselo, la Internacia Bibliografia Instituto estas vasta kooperativo de kleruloj. Unuj penas senĉese pligrandiĝi centrajn dokumentajn kolektojn; aliaj uzas tiujn kolektojn por siaj laboroj, sia informiĝo kaj instruiĝo. Tiuj kolektoj estas starigitaj en rilato kun grandaj internaciaj asocioj, kaj ampleksas ĉiujn landojn kaj ĉiujn fakojn. En ili estas entenataj: la Universala Bibliografia Repertuaro (11 milionoj da slipoj), unu kolektiva Biblioteko (63 specialaj bibliotekoj), dokumentaj kaj fotografaj Arĥivejoj (10,000 dokumentaroj), enciklopedia Muzeo (17 ĉambroj ampleksantaj 2500 m²). Ĉar tiu organizo estas nun en Belgujo, la Instituto kreis svisan oficejon, kiu daŭrigos la entreprenon ĝin adaptante al la militcirkonstancoj.

La programo de la entrepreno por intelekta helpado al militkaptitoj estas jena: Instigi ĉe la militkaptitoj kaj militinternigitoj la emon al spiritaj okupoj por persona kaj por socia utilo. Por tiu celo oni sugestos laborojn, konsilos metodojn, proponos rimedojn. Speciale konsilindaj estas la eduka kaj la sistema legado, la bibliografiaj laboroj, la farado de objektoj utilaj je la instruado. Tiun programon oni realigos per intelekta kunlaborado de la kaptitoj kaj kaptitamikoj.

Por organizi la sisteman kaj edukan legadon, respondantan al meminstruado per taŭgaj libroj, oni konsilas diversajn rimedojn: Fondi elektitajn bibliotekojn; starigi listojn de rekomenditaj libroj, speciale pri la profesioj kaj metioj; doni konsilojn pri la maniero fruktodone legi, pri la not- kaj analizlaboroj necesaj je la elkompreno de la verkoj, pri la plano sekvota en la legado, pri la plej bonaj verkoj respondantaj al ĉiu kategorio de legantoj (psikaj tipoj, profesioj, grado de instruiteco); korespondadi kun iuj militkaptitoj. En ĝenerala maniero, oni alvokos la helpon de la entreprenoj, kiuj penis provizi la kaptitojn je libroj. Oni, laŭ la montrita senco, klopodos plibonigi la ekzistantajn kaptitejajn bibliotekojn, kiuj estas hodiaŭ tro ekskluzive literaturaj aŭ amuzaj.

La dummilita senokupa tempo estu ankaŭ uzata por bibliografiaj laboroj utilaj je la universala bibliografia repertuaro, komencita de la Bibliografia Instituto. Tiu repertuaro estas ĝenerala katalogo-inventario de libroj, broŝuroj, revuoj, gazetartikoloj publikigitaj en ĉiuj landoj, je ĉiuj epokoj kaj pri ĉiuj fakoj. Ĝis nun ĝi enhavas slipojn rilatantajn al ĉirkaŭ 11 milionoj kaj duono da ĉiulingvaj kaj ĉiutemaj verkoj, klasigitaj en du serioj, laŭ aŭtornomoj kaj laŭ fakoj. Kiam ĝi estos kompleta, tiu repertuaro enhavos proksimume kvindek milionojn da slipoj kaj prezentos vastan monumenton starigitan je la pensado de ĉiuj popoloj. Tiu granda scienca laborado, de alta internacia signifo, postulas multjaran kunlaboradon.

La libera tempo de iuj militkaptitoj povus esti uzata por la kopiado kaj klasigado de la slipoj. Al tiu laboro ja ne povus kontraŭstari la militistaj aŭtoritatoj, ĉar ĝi konsistas nur el titoloj sen iu teksto. Aliparte, oni rezervus al la soldatoj de ĉiu nacio la kopiadon de verkoj apartenantaj al ilia nacia literaturo. Ili tiamaniere intelekte utilus al sia lando, ĉar ili helpus inde reprezentigi la penslaborojn de sia samlandanoj en la universala bibliografia repertuaro. En tiuj kondiĉoj la laboro havus la dezirindan moralan kaj patriotan karakteron.

La nomita bibliografia repertuaro estas formita per la kompilado kaj kopiado de apartaj katalogoj, kiujn estas nek facile kunigi, nek oportune konsulti. El praktika vidpunkto, la proponita laboro do simple konsistus el tio, ke oni disdonus rekopiotajn katalogojn al aroj de elektitaj militkaptitoj, kaj sendus al ili la necesajn blankajn slipojn kaj skribmaterialon. Kelkaj partoj postulas resumojn kaj analizojn, kiuj prezentas taŭgan laboron por pli kleraj kaptitoj.

La realigo de tiu projekto rememorigus pri la formado de la grandaj kopiejoj en la monaĥejoj de l' Mezaĝo. Meze de la terurajoj de la tiama tempo, tiuj „scriptoria" savis la multvalorajn antikvajn manuskriptojn. La funkciigo de la entrepreno estus iom-post-ioma. Oni komencus kun la internigitoj en Svisujo, kies laboro povus tuj esti dediĉata al entrepreno postulita de la universitatuloj kaj bibliotekistoj, sed malhelpita de la milito, nome: la kolektiva katalogo de la svisaj bibliotekoj, efektivigota samtempe kiel inventario de la libroj kaj kiel partolaboro je la universala bibliografio.

Multaj manfaraj talentoj, kun instruiteco kaj inteligento, povus esti utiligataj por la farado de objektoj taŭgaj por la instruado kaj sekve havontaj konstantan valoron. En tiu fako, oni nuntempe kreas tro multe da senutilaĵoj. Tiuj objektoj konsistus el modeloj, reproduktoj, reliefoj, demonstraparatoj, kartoj, tabeloj, diagramoj, ilustraĵoj uzeblaj por lernejoj, institutoj kaj muzeoj. La internacia, pedagogia kaj enciklopedia Muzeo, kreita en rilato kun la Bibliografia Instituto enhavas kolektojn de tiaj objektoj. La manfaritaĵoj de la kaptitoj povus pliriĉigi la apartajn kolektojn aŭ esti destinataj por la internacia Muzeo.

La instituto varme alvokas ĉiujn personojn, asociojn, aŭtoritatojn, militkomitatojn por kunlabori je la komencita entrepreno en unu el la sekvantaj manieroj: *a)* patronado; *b)* monhelpado; *c)* donacado de verkoj, de papero, de materialo necesa por modeloj; *d)* helpado per ideoj kaj sugestoj, konsiloj kaj utilaj klopodoj, gazetartikoloj kaj paroladoj; *e)* helpado per laboro: unua prizorgo de laboraĵoj antaŭ ilia disdono ĉe la kaptitejoj; multobligo, adaptado, kompletigo kaj traduko de la instrukcioj; konservado de la plenumitaj laboroj ĉe la centra sidejo; eduka korespondado kun la kaptitoj, k. t. p.

La labortipoj, la materialoj kaj la necesaj instrukcioj estas nun kunigataj; la entrepreno ekfunkcias. S-ro Paul Otlet, direktoro de la Internacia Bibliografia Instituto, estas prezidanto kaj S-ro Emile Chavannes ĝenerala sekretario. La sidejo estas: Internacia Bibliografia Instituto, svisa oficejo, Casino de Montbenon, Lausanne (Svisujo), kie ĉiuj interesuloj bonvolu sin turni por ĉiuj pliaj informoj kaj klarigoj.

---

## La duonnegroj en Brazilio

La demando pri la duonnegroj el antropologia kaj socia vidpunkto havas en Brazilio ekstreman gravecon, precipe ĉar en la miksita loĝantaro de tiu lando, la proporcio de la duonnegroj estas tre alta.

Ni unue fiksu antropologian punkton, kiun iuj opinias ankoraŭ nesolvita, nome ĉu la blankuloj kaj negroj estas du

rasoj aŭ du specoj. La poligenistoj faras el ili du specojn de la gento homa, bazante sur la diferenco de la fizikaj karakteroj, kiuj apartigas la negron de la blankulo, diferenco, kiu laŭ ili estas pli profunda ol tiu ekzistanta inter multaj bestospecoj. Oni tamen, tiel rezonante, forgesas, ke la sama diferenco de fizikaj karakteroj rimarkiĝas inter samspecaj rasoj, kiel ekzemple la hundo, kaj naskis rasdiversecon, kies fizikaj karakteroj rilate al koloro, formo, staturo, estas ankoraŭ pli malsamaj ol tiuj diferencigantaj la blankulon de la negro. La scienco ne ankoraŭ posedas la seneraran kriterion por diferencigi la rasojn kaj la specojn; la sola rimedo por taksi tiun diferencon estas la nenaskemo de la produktoj devenantaj el la kunmikso de du specoj. Se la idoj daŭrigas sin reprodukti en sinsekvajn generaciojn, la reproduktantoj formas rason; se, kontraŭe, tiuj idoj restas nenaskemaj, la reproduktantoj formas specon.

Akceptante tiun kriterion, kiu al mi ŝajnas pli fiziologia kaj natura ol ĉiuj aliaj, mi volonte allasas, ke la blankulo kaj la negro reprezentas du rasojn, ne du specojn, ĉar oni scias, ke la duonnegroj estas naskemaj dum longa sinsekvo de generacioj.

Tamen, dum la blankulo kaj la negro izole konservas por nedifinita tempo proprajn raskarakterojn, la idoj de duonnegroj ne formas veran rason, pro la malfirmeco de la fizikaj ecoj, kiuj kun ĉiu nova kunmikso emas jen al la blanka tipo, jen al la negra tipo.

Tiu tendenco de la duonnegro estas speciale grava tie, kie la raskunmiksoj ne obeas al precizaj sociaj reguloj kaj kie la duonnegroj povas libere kuniĝi je blankuloj, produktante idojn, kiuj ĉiufoje plialproksimiĝas al la blankulo ol al la negro.

Tio ĝuste estas la nuna kondiĉo de la miksrasa loĝantaro en Brazilio. La tute sovaĝa negro aĉetita ĉe la afrikaj kontoroj kaj transportita al Brazilio de la portugalaj negocistoj, dum la unua duono de la lasta jarcento, alvenis tien en stato de plena brutiĝo. La aventuristoj, kiuj tiam ekspluatis la fruktodonajn terojn de Brazilio, traktis ilin pli malbone ol dombestojn. Dum la trapasado de la Oceano, je la plej eta signo de ribelo, ili sufokigis ilin en la ŝipkeloj. Unuj mortis de malsato, aliaj de soifo, aliaj de asfiksio. La registaroj de kelkaj civilizitaj nacioj ribeliĝis kontraŭ tiu malhumaneco, kiu neniel ofendis la konsciencon de la turmentantoj; Anglujo estis devigata toleri la korsarojn por finigi tiun hontindan negocadon.

Elŝipigite ĉe marbordaj lokoj plej kaŝataj al la korsaroj, tiuj homaj amasoj estis dividitaj laŭ lotaĵoj, kiujn oni vendis al la bienposedanto, tute ne zorgante, ĉu oni apartigas la edzinojn de la edzoj, la filojn de la patroj. Por kulturigi la grundon, la Portugaloj enkondukis pli ol du milionojn da negroj. Tiu malfeliĉa trudmigrado de sklavoj pezis sur la vivado de Brazilio ĝis nuntempe, kaj havis malutilegajn sekvojn, kiuj tute malaperos nur per la malrapida agado de l' tempo. La novalvenintaj negroj estis transportitaj internen en la landon, kie ili amase mortis, suferinte ĉiuspecajn mizerojn. Estas notinde, ke en tia situacio la mastroj faris el tiuj sklavinoj siaj konkubinoj. Tiuj kuniĝoj inter blankuloj kaj negrinoj kompreneble fariĝis rapide tre multaj.

En malmultaj jaroj la ĉirkaŭaĵoj de la bienoj pleniĝis je duonnegroj, kiuj dividis la sorton de siaj parencoj kaj restis sub la jugo de la komunaj mastroj. Ĉar ili estis pli agemaj kaj pli inteligentaj ol la negroj, ili penetris en la hejmojn kaj sin dediĉis al la domservoj. Multaj eĉ gajnis la estimon de siaj mastroj, kaj kelkaj, doninte pruvojn de sindonemo, estis dankeme liberigitaj kaj ekedukitaj de ili. Pluraj fariĝis lertaj mekanikistoj, ĉarpentistoj, lignaĵistoj, tajloroj. Mi persone konis liberigitan duonnegron, kiu nur al siaj kapabloj ŝuldis la doktoran diplomon, kiun li honorigis dum sia tuta vivo.

La plialtiĝo de la duonnegroj, komencite en la tempo de ilia sklaveco, malrapide daŭris ĝis nuntempe, laŭ la leĝoj de la intelekta selekcio. Oni cetere devas konfesi, ke la plimulto de la sklavposedantaj Brazilianoj humane traktis ilin kaj laŭeble plimildigis la sorton de la sklavidoj naskiĝintaj sur siaj bienoj. Kiom da fojoj ni vidis mastrojn, kiuj volonte akceptis ĉe la familia tablo la duonnegrajn sklavidojn. Ili zorgis pri ilia nutrado, ilia vestado, kaj dum ilia malsano milde traktis ilin. La duonnegrinoj estis ofte vestitaj laŭmode, ornamitaj per juveloj, kaj ili sekvis la filinojn de siaj mastroj dum la promenadoj, ĉe la preĝejo, en la publikaj festoj. Plenuminte sian taskon, tiuj feliĉulinoj estis liberigitaj kaj preskaŭ ĉiam daŭrigis libere vivi, sub la sama tegmento, ĝuante diversajn privilegiojn. La negrajn maljunulojn oni uzis nur por facilaj servoj; dum la resto de l' tempo, ili parolis kun la infanoj de sia mastro, rakontante al ili strangajn imagfrapantajn historiojn.

La renkontiĝo de la Portugalo kun la Negro en la Nova Mondo alprenis alian karakteron ol ĉe la kontaktiĝo de la Negro kun la Anglo-Sakso. Dum la Portugalo ne timis kuniĝi je la Negro, la Anglo-Sakso, pli ĵaluza je la pureco de sia idaro, forrilatis kun la Negro kaj apenaŭ uzis lin kiel laborilon. Estas rimarkinde, ke nek la tempo, nek aliaj faktoroj povis ŝanĝi la unuan sintenadon de la Nord-Amerikanoj, kiuj ĝis nun lasas la negran rason apartigite de la blankularo. En Brazilio, kontraŭe, la blankulo kreis rason de duonnegroj nun disigitan tra vasta landparto.

La deduktoj de Galton pri la bestrasaj kunmiksoj ne plene aplikiĝas je la raskunmikso ĉe la homo. La heredeco de la moralaj kaj inteligentaj ecoj ne obeas al fiksaj reguloj. Sub la influo de nekonataj faktoroj, la inteligentaj ecoj ofte atingas ĉe la duonnegro superan gradon, kiun ne povas klarigi la proksima aŭ malproksima heredeco. Iu forto floras ĉe ili inteligenton kapablan superi tiun de ĉiuj parencoj. Oni ofte vidas, ke el malklera blankulo kaj stulta negrino naskiĝas ido, kiu posedas en plej alta grado inteligentajn kapablojn.

Kvankam oni ne povas diri, ke laŭ siaj formoj kaj linioj, la duonnegroj estas ekzemploj de beleco, tamen estas tre vere, ke, precipe ĉe la virina sekso, oni renkontas graciajn kaj belproporciajn tipojn. Ĉe la plimulto la voluptemo estas tre disvolvita, kio elmontriĝas per la amsopira rigardo, la dikaj lipoj, la malvigla, iom treniĝanta, voĉtono. Ili ĝenerale ne estas muskolfortaj kaj ŝajnas malmulte rezistemaj kontraŭ la malsanoj. Precipe de tuberkulozo multaj estas viktimoj. Ili kutime estas kuraĝaj, sentimaj, inteligentaj, parolemaj kaj multimagemaj. Oni tamen devas konfesi, ke je la morala vidpunkto oni ne povas blinde fidi je ilia lojaleco, nek je ilia honesteco.

Ili havas nigrajn aŭ kaŝtankolorajn harojn, iafoje ruĝemajn, preskaŭ ĉiam krispajn. La okuloj estas brunaj, kaŝtankoloraj, iafoje duonverdaj; la dentoj estas malpli fortaj kaj malpli regulaj ol ĉe la negroj. La vizaĝkoloro tre varias, de malhela olivoverdeta aŭ duonflava ĝis tute blanka. Kiel terlaboristoj, ili estas videble malsuperaj je la negroj, kies fortikecon kaj muskolforton ili ne heredis. Por la komerca kaj industria vivado ili ne montris kapablon; ili ĝenerale malŝparas sian havajon, havas nehaltigeblan inklinon por vantomontrado, kaj estas malmulte praktikaj en siaj aferoj, ŝanĝemaj kaj malmoderaj en siaj entreprenoj. Neniu tamen povas nei ilian viglan inteligenton, ilian literaturemon kaj sciencemon, nek ilian politikan kapablon. En Brazilio la duonnegroj naskis altinspirajn poetojn, eminentajn pentristojn, skulpistojn kaj muzikistojn, politikistojn, juristojn, elokventajn oratorojn, rimarkindajn literaturistojn, talentajn kuracistojn kaj inĝenierojn. Kiel politikistoj, ili estas lertaj, logantaj, sciantaj uzi la okazojn por almiliti la poziciojn, energiaj kaj

kuraĝaj en la batalado, ĉe kiu ili uzas ĉiajn armilojn. Laŭ tio oni konstatas, ke la kunmikso de la negra raso kun la blanka raso, kontraŭe al la opinio de kelkaj verkistoj, ne donas idojn intelekte malsuperajn; kaj eĉ se tiuj idoj ne povas per aliaj kvalitoj konkuradi kun la plej fortaj rasoj de la eŭropa trunko, se, ili ne havas tiel plenan civilizacian instinkton kiel tiuj lastaj, restas tamen certe, ke oni ne povas kalkuli tiujn duonnegrojn inter la vere malsuperaj rasoj.

Valora estas la kunlaborado de la duonnegroj en la progresigo de Brazilio. Plej grandan rolon ili havis en la multjara propagandado por la forigo de la sklaveco. Mi povus citi la famajn nomojn de pluraj duonnegroj, kiuj estris tiun liberigan movadon; ili firme kaj kuraĝe bataladis per la gazetaro kaj ĉe publikaj paroladoj; ili sentime sin elmetis al gravaj vivriskoj, batalante kontraŭ la potencaj sklavposedantoj tiam protektitaj de la konservativaj ŝtatregistaroj. Ili montris sentojn de patriotismo, de abnegacio kaj de braveco dum la longa milito de Paragvajo, speciale ĉe la ŝipbatalo ĉe Riachuelo. Ankaŭ dank' al ilia apogo, la Respubliko povis stariĝi sur la ruinoj de la Imperio.

La ras- kaj kolorantaŭjuĝoj, kiuj neniam estis tiel firme enradikigitaj en Brazilio kiel en Nord-Ameriko, multe malfortiĝis de post la proklamo de la Respubliko. Pro la rajtegaleco starigita de tiu reĝimo, multaj talentaj duonnegroj penetris en la plej altajn politikajn korporaciojn. Ĉe la nacia kongreso, ĉe la tribunaloj, en la supera instruistaro, en la diplomata kariero, ĉe la plej altaj administraciaj postenoj, ili nun okupas eminentan lokon. Grandan influon ili havas je la regado de la lando.

La edziĝoj inter duonnegroj kaj blankuloj ne plu estas malakceptataj kiel antaŭe, tuj kiam la alta rango de la duonnegro kaj liaj elprovitaj moralaj kapabloj forgesigas lian devenon. La duonnegro mem penas per edziĝoj realproksimigi siajn idojn je la pura blanka tipo. Oni jam vidis, post tri generacioj, duonnegridojn, kiuj prezentas ĉiujn fizikajn karakterojn de la blanka raso, kvankam ĉe kelkaj el ili ankoraŭ herede restas kelkaj trajtoj de la negra raso. Sed la seksa selekcio persiste daŭrigas kaj iom post iom malaperigas ĉe la duonnegridoj la karakterizajn trajtojn de la negro. Dank' al tiu procedo, estas logike supozi, ke en la daŭro de unu jarcento, la duonnegroj estos malaperintaj en Brazilio, fakto, kiu koincidos kun la paralela finiĝo de la negra raso en nia lando. Post la forigo de la sklaveco, la negro komencis forlasi la grandajn civilizitajn centrojn, kaj, almetite je ĉiuj kaŭzoj de detruado, sen sufiĉa rezistkapablo, li iras al malmulte loĝataj regionoj kaj tendencas malaperi.

Post unu jarcento la miksdevena loĝantaro de Brazilio havos do alian aspekton ol nuntempe. La eŭropa enmigrado konstante plifortigas la blankan elementon kaj post certa tempo fine elpelos la elementojn, ĉe kiuj ankoraŭ persistos kelkaj trajtoj de la negro. Tiam, Brazilio fariĝos unu el la ĉefaj civilizitaj centroj de l' mondo: ĝi estos la granda foiro de la riĉajoj de Ameriko, ekspluatonte ĉiujn industriojn, ĝuonte ĉiujn transportfaciligojn por la ekstera kaj kontinenta komerco, loĝota de agema kaj entreprenema popolo, kiu plenigos la grandajn urbojn de la marbordo kaj poste disvastiĝos en la vastaj ebenaĵoj de la interna lando kaj laŭlonge de la serpentumaj riveregoj de Sud-Ameriko.

„Labor et Divitae", tia estas la emblemo gravurita ĉe la portikfronto de tiu vasta amerika teritorio nomata Brazilio, kie estas sufiĉa loko por ke ĉiuj gentoj de la mondo povu vive kune kaj prospere.

*D-ro J. B. de Lacerda* (Rio de Janeiro).
Trad.: *E. B.*

---

## La solvo de la cigana problemo

La mondmilito solvas per unu frapo problemojn, pri kiuj en paca tempo oni dum longaj jaroj traktis, parolis kaj skribis. Tiel la aŭstria kaj hungara registaroj alprenis solvon de problemo, kiu estas plej interesa ne sole por la aŭstria monarĥio, sed por tuta Eŭropo, nome: la fina solvo de la cigana demando.

Kiu ne observis sur la landstratoj tiujn nedezirindajn, neinvititajn gastojn perlaborantajn sian vivbezonon per almozpetado, ŝtelo, en plej bona okazo per ŝnurdancado aŭ kaldronflikado? De jarcentoj la ciganoj estas la ĝenerala turmento de ĉiuj eŭropaj ŝtatoj. Foliumante la protokolojn de la polico, oni ekvidas, kiom da laboro kaj peno tiu malaborema, sed des pli vagema popolo kaŭzis al la registaroj. Oni ne povas paroli en vera senco pri patrujo de ciganoj, ĉar ili estas nomadoj; prefere ili migradas en la landoj de la hungara krono, en Bosnio-Hercegovino, plie en Serbujo kaj Montenegro; tie-ĉi ilia nombro laŭ ĝenerala takso atingas kelkajn centmilojn. En Hungarujo kelkaj ciganoj iĝis hejmohavaj kaj per tio formetis la vagemajn kutimojn; sed la pli granda parto restis ĝis hodiaŭ fidela al sia neorda nomada vivo kaj travagis Eŭropon laŭ ĉiuj direktoj. Ŝtataparteno kaj religio estis aferoj, kun kiuj la ciganoj sin tute ne embarasis. Pas- kaj transloĝlibereco, la akiraĵoj de moderna kulturo, favoris nur ilian nomadan vivon.

Jam antaŭ la komenco de la milito la hungara registaro preparis rimedojn por ĉesigi tiun staton. Sed la principo de transloĝlibereco igis ĉiujn dekretojn senvaloraj. Sole la situacio, kaŭzita per la milito, unuflanke la fermo de la landlimoj, aliflanke la okupo de Serbujo, donis la eblecon, fari definitivan aranĝon de la demando. La 1 junio 1916 estas por la ciganoj, troviĝantaj en tiuj regionoj, gravega tago, ĉar ĝi prenis al tiuj vaguloj la liberecon de la migrado. Kie ili estis ĉe tiu tago, ĉu en Aŭstrio-Hungarujo aŭ en Serbujo, ĉie ili estas enskribitaj kun la familioj kaj metitaj sub polica observo. Iliaj tirbestoj kaj veturiloj estas forprenitaj kaj aĉetitaj de la milita registaro, kaj samtempe stariĝis leĝo, ke cigano ne povas aĉeti sen speciala permeso ĉevalojn, mulojn kaj azenojn. La viroj inter 18 kaj 50 jaroj devis pasi militistan ekzamenon, kaj la kapablaj estas envicigitaj kiel laborsoldatoj. La nekapablaj viroj kaj la virinoj estas devigitaj, laŭ bazo de la milita laborleĝo, al laboro. La lastaj ricevas por sia laboro certan tarifpagon, dum la virinoj, kies edzoj estas mobilizitaj kiel laborsoldatoj, ricevas la kutiman militsubtenon. Sed la spertoj ĝis nun akiritaj kun la ciganoj ne permesis, ke oni lasu ilin libere disponi pri la gajnita mono; tial la sumoj estis donitaj al la komunumestraro, en kies regiono la ciganoj estas enskribitaj. El ĝi oni pagas la vivbezonojn; dume la flegado kaj nutrigo de la nelaborkapablaj ciganoj kaj infanoj estas prizorgata de la ŝtato. Ĉiu cigano krom tio ricevis legitimacion, kiu lin devigas resti en la komunumregiono, en kiu li estas enskribita, kaj forlasi ĝin nur kun polica permeso. Severaj punoj trafas ĉiun malrespekton de tiuj novaj dekretoj. Tuj post la enskribigo la ciganoj ankaŭ estis kupoksigitaj kaj ekzamenitaj laŭ sia sanstato. La malsanulojn oni transportis en hospitalojn.

Per ĉi-tiuj antaŭrimedoj la unua paŝo al la hejmigo de la ciganoj estas komencita. Kelkaj certe estas malkontentaj pri la altrudo de restadloko, kaj ankaŭ provas entrepreni foriron sen permeso. Multaj alkutimiĝas al la nova vivmaniero kaj restos tie, kie la sorto ilin atingis ĉe la memorinda 1 junio 1916, kiu ĉesigis ilian vagemecon. Per ĉi-tiu perforta ĉesigo de la vagado de la ciganoj, ankaŭ estos ebla, kontroli la apartenon al ŝtato kaj komunumo, same

ankaŭ ordigi iliajn religiajn rilatojn kaj konduki la infanojn ĝis nun lasitajn al la sovaĝiĝo, al sistema deviga instruado (la feliĉuloj!). La ekzistanta dummilita pasdevigo malebligas plian alvenon de ciganoj el eksterlando; aranĝo estas farita, ke la ciganoj en eksterlando ne povas veni en la teritorion de Aŭstrio-Hungarujo, ankaŭ post la milito.

Se Rumanujo kaj Bulgarujo agus sammaniere kiel la Aŭstria-Hungara monarkio, okcidenta Eŭropo estus liberigita de malagrablaĵoj, ĉar la pli granda parto de la ciganoj venis de tiuj landoj. Tamen troviĝas ankaŭ en Sud-Francujo, Italujo kaj Hispanujo konsiderinda nombro da ciganoj, sed por ili la supraj aranĝoj ne restos sen efiko; ili estas kutimigitaj almenaŭ dum ia tempo viziti la landojn de malsupra Danubo. Per la hejmigo de la ciganoj, malaperos iom-post-iom ankaŭ la kurioza cigana lingvo, tiu idiomo, kiu sen gramatiko kaj skribo sukcesis konserviĝi inter tiu enigma popolo, nekonata en sia deveno.

Trad.: *H. J.*

---

## Ĥina teatro

Kiam ni eniris la teatron, kelkaj Ĥinoj, profunde riverencante, venis al ni renkonte. Ili ridis ĝentile, kaj rapide kaj rekte etendis siajn longajn, belajn manojn, por montri al ni la vojon. Ni alvenis en homplenan ĉambregon. Multaj sidis, aliaj brue rondiris. Malhela kamero nin akceptis. Ĝi estis malfermita kontraŭ la ĉambrego. Ĉe nia alveno la tuta ĉeestantaro sin turnis, kaj dum momento, ni estis sceno. Kiam ni sidis, servistoj de l' teatro alvenis kaj metis antaŭ ĉiu el ni telerojn plenajn je kernoj de helianto, je terglanoj, senŝeligitaj kaj dispartigitaj oranĝoj, distranĉitaj blankaj rafanoj, cigaroj kaj cigaredoj. Ankaŭ teon ili alportis. Juna Ĥino estis kun ni por funkcii kiel interpretanto. Du viroj venis, profunde riverencis, ripete ridetis kaj ekmovis siajn mallarĝajn manojn kontraŭ ni. Ili estis la direktoroj de l' teatro. Ili diris al ni: „Ni, malgranduloj, treege ŝatas la honoron, kiun faras al ni la fremda mandarino, vizitante la vesperteatron. Lia princa Moŝto farus al siaj sindonemaj servantoj eksterordinaran favoron, se li, ĉe tiu unua vespero de sia vizito, bonvolus sin konsideri kiel gaston de la antaŭ li starantaj kaj lin respekteganta| malgranduloj." La Ĥinoj ridetis kaj konsumiĝis pro afableco. Ni, dankante, ankaŭ ridetis. Ni premis niajn manojn, profunde reverencis unu al alia, kaj la Ĥinoj foriris.

Tuj komencis la prezentado.

Sur la scenejo montriĝis kvazaŭ ensorĉita florĝardeno, en kiu homaj figuroj solene intermoviĝis. Malantaŭe, nevidebla ŝtonglobo ekfalis sur grandan bronzan kovrilon, kaj senĉese, regule kaj forte sur ĝi saltadis: tamburoj frape bruegadis, violonoj laŭtigis fortajn sonojn, kaj voĉo kantante aŭdiĝis, kaverna kaj pinta kiel poplo. La florĝardeno aliiĝis kaj dividiĝis. Oni vidis apartaĵojn. Unu figuro staris dekstre, alia maldekstre, ambaŭ sin reciproke riverencante kun stranga sintenado, kvazaŭ en sonĝo. Unu subite aperis sidante sur trabo. La du malsupre interparolis kantante kapvoĉe. Ili plendis kaj estis malfeliĉaj. Estis du virinoj, unu juna, la alia maljuna. Subite la viro, kiu sidis sur la trabo, per saltego sin jetis inter la du aliaj. La virinoj timigite ekkriegis. La violonoj perdis la spiron. Sole la ŝtonglobo kaj la tamburoj plue bruegis. La akrobato kantis el gorĝo tiel mallarĝa, kiel la truo de bobeno, etendis siajn manojn gracie kaj ĉirkaŭmoviĝis kun eksterordinara vigleco, kiel birdo, kiu subite alprenas homan temperamenton.

La pli juna el la virinoj estis longa kaj mallarĝa kun la anguleco de linio. Ŝi saltiris tute nereale, envolvita en la pompa strangeco de siaj koloraj brodaĵoj, ensorĉanta per la incita ĉarmo de siaj ekmovoj. Ŝia vizaĝo estis ruĝe lakita kaj brilis kiel tiu de fremda diino el sub la peza kovro de ŝiaj vestaĵoj. Estis malvirte! La Ĥinoj gorĝe kriis: „Ĥa, ĥa!" (Bone, bone!) Ni sciis, ke tiu stranga ĉarmulino sur la scenejo estis viro.

Tiam alvenis al ni maljunulino, singardeme marŝante sur siaj bulaj piedoj. Ŝi havis pakon da neuzitaj varmaj tukoj sur sia brako, el kiuj eliĝis varma vaporo, kaj ĉiu el ni prenis unu kaj vidis, ke tiaj tukoj estis ankaŭ amase disdonataj en la ĉambrego. Tie rondiris servistoj kun multaj samaj sur la brakoj. Centoj da brakoj alte leviĝis. Sur la du galerioj la homoj antaŭenkliniĝis kaj etendis la manojn. La servistoj ĵetis la tukon; ĝi suprenflugis aŭ flirtis super la kapoj de la homoj sidantaj en la partero. Mano etendiĝis, la blanka birdo haltis, kaj tuj ĉirkaŭvolvis la manon. La mano per ĝi zorgeme, longe kaj ĝue tuŝetis la vizaĝon, kapon kaj nukon. Ni faris la samon. Estis tre refreŝige.

La aktoroj plue ludadis. La terura globo denove brufalis sur la resonan pelvon. La violonoj kriegis. La tamburistoj frapadis kiel ekscititaj draŝistoj. La fajfistoj siblis kiel vaporvalvoj. Nur malofte tiu tiom fremda, por mia orelo tiom konfuza bruo, aŭdigis kelkajn melodiajn ondojn, inter kiuj kvietige kaj ĝojige ensteliĝis milda voĉo. La juna virino staris antaŭ maljuna viro, kiu havis dikajn ruĝajn vangojn, kaj en sia malsimpla masko montris specialan tradician karakteron. La junvirino aspektis kiel malloga ornamaĵo. La maljunulo ŝin amindumis. Ŝi ne devis kontraŭstari. Tamen ŝi kontraŭstaris, kaj ŝiaj ekmovoj antaŭ la karesa voluptemo de l' maljunulo estis kiel forkuro kun malicaj, mokaj, timemaj serpentumadoj.

Sur la scenejo ne estis kulisoj. Tablo estis ŝtonego. Se fortikaĵa muro estis bezona, kulioj en stratvestoj alportis seĝon. Kiam la scenejo aliiĝis, ĉiuj aktoroj momenton rondiradis. Flanke kaj funde de la scenejo kelke da homoj, ne apartenantaj al la teatraĵo, ĉirkaŭvagadis. Ili iris tien kaj reen, fumis el siaj akvopipoj, parolis, kraĉis kaj ree malsuprenrampis en la ĉambregon ĉe la rigardantoj. Malantaŭ la aktoroj sidis la muzikistoj ordinare vestitaj. Iafoje oni alportis al iu aktoro tason da teo. Li sin turnis kaj trinkis. En la ĉambrego okazis same: Oni babiladis kaj kriis, estingis la akvopipon kaj ekbruligis la fidibusojn, kraĉis, purigis al si la nazon, kaj senĉese dismordis heliantkernojn. Soldatoj bruege eldevigis liberan eniron. La virinoj sidis aparte sur la unua galerio. Ili estis ĉiuj zorgeme vestitaj per helkoloraj silkaj jakoj, nigraj pantalonoj kaj multkolore surbroditaj ŝuoj, tiel larĝaj kiel fingringo. Iliaj nigraj haroj kuŝis glate kaj brile sur la belforma kranio. Ĉiuj vizaĝoj estis pudritaj kaj ruĝigitaj; ĉiuj virinoj aspektis kiel floroj kovritaj per pruino. Iliaj infanoj ludadis ĉirkaŭe aŭ rigardadis. Belaj junaj kantistinoj sidis grupe.

Sur la scenejo la prezentado progresis seninterrompe. La voĉoj alte kantis fremdan muzikon psalmsimile, unutoneakra recitativo. Ŝajnis kvazaŭ ĝi volus altiĝi ĝis rompo de la voĉo, kvazaŭ ĝi volus trudpeli la voĉon tra la krankovrilo. La orkestro bruadis kaj murmuradis mistere, incitis, kaj envolvis la strangan brilegon de la vestoj, la strangecon de la okazaĵoj, la pentrindan originalecon de la ekmovoj sur la scenejo en la ampleksan kaj fortegan bruon de la muzikiloj, kelkfoje ĝi eĉ sufokis la voĉojn. Ofte el la teda, bruta frapado sur la resonantaj cimbaloj eliĝis subite kelkaj frazoj de bela, pentrinda melodio. Ili neatendite rompiĝis antaŭ la fino de la kadenco, kiu suprencelis kaj restis pendanta ie ajn super ni.

Kiam mi foje demandis la interpretiston — estis jam dum la unua parto — li ne komprenis mian demandon kaj

nur rakontis al mi la fabelon: La junulino devis edziniĝi kun la maljunulo. Ŝi ne volis. La viro, kiu desaltis de sur la trabo, promesis helpon. Li alivestiĝis por aspekti kiel la junulino. Kulioj alportis la geedziĝan liton sur la scenejon. La maljuna amanto alvenis, tremante pro deziro. Ili enlitiĝas. La maljunulo ricevas dormigan trinkaĵon, ĉar la alivestito estas rabisto. Li forkuras kun la monkesto. La servistoj de l' prirabito persekutas la rabiston, ŝajne en senfinecon, sed vere nur en novan teatraĵon.

La lastaj aktoroj de la unua teatraĵo ankoraŭ ne estis malaperintaj tra la dekstra pordo, la muziko ne estis ĉesinta eĉ momenton, kiam nova agado jam komenciĝis. Viro aperis, grandega, mirinde vestita, kun barbo kiel strio de nubo. Lia masko estis larĝa kaj kvazaŭ el emajlita bronzo. Ĝi subpremis ĉiun homan karnon en tiu vizaĝo. La figuro paŝis solene, levante la genuojn alte kaj regule, kaj peze demetante la krurojn. Ĝi estis monumento elirinta el la stranga arbaro de l' antikva ĥina mitologio, alprenante dum unu vespero pezan sangon kaj preterpaŝante antaŭ ni kvazaŭ kun alia konscio.

Tiun koloson sekvis malgranda malpurulo kun fulgo sur la vizaĝo kaj vestita per pecoj de monaĥa robo. Li kraĉis al la monumento. La kruroj de l' monumento, dancante, disstariĝis marmore, la barbo flirtis en la aero kiel pilko, kaj poste falis de brako al brako kiel akvofalo; la rigida masko pli malbone ŝtoniĝis. La monumento kolerigis. La amuzulo sursaltis la tablon. Aliaj alvenis. La malpurulo ree alkraĉis la grandegulon. La muzikistoj blovis kaj pafis kvazaŭ frenezaj. La interpretisto helpis al mia nescio: La grandegulo estas mandarino, la amuzulo monaĥo. La monaĥo ŝajnigas frenezecon, por riproĉi al la mandarino lian malbonan kaj kruelan vivkonduton. Tio estis ĉio.

Venis multaj similaj teatraĵoj. Estis vespero por unuaktaj prezentadoj. Ni estis ricevintaj programojn, grase presitajn paperĉifonojn. Sur ĝi la Ĥino montris al mi, ke tiun saman vesperon dekdu teatraĵoj estas ludotaj. Li klarigis ĉiun al mi. Ili estis ĉiuj malnovaj, klasikaj verkaĵoj, kaj ĉiu el ili estis de li konata. Estis pliĝuste bildoj, arabeskoj pri ĉiuspecaj okazaĵoj sen drama aranĝo, sen tragedia aŭ komedia elfino. Brodītaj ardeoj inter temploj kaj super pinoj, homo, nubkonturo, brodita per oraj fadenoj, fiŝo, humore desegnita, fatala griza pluvego sur senarba vojo . . .

Prezentado seninterrompe sekvis prezentadon. Ĉiuj dronis en la bruego de l' orkestro. Sed subite okazis io nova: Aro da amazonoj sur ĉevaloj rapidege envenis. Ĉevalo kaj homo estis unuo. La amazonoj enestis en la malgranda ĉevalo. Iliaj kruroj baraktis sube. La kapo de l' ĉevalo eliĝis el ilia ventro. Ili unue paradis kun tiuj pompe briditaj ĉevaletoj. Artaĵo specialspeca. La ĉevaloj petole saltadis, kontraŭstaris, penege estis subigitaj, nur tre nevole obeis. La amazonoj turniĝe elkuras. Aperas generalo en la peza klasika uniformo de la malnova ĥina militistaro. Soldatoj lin ĉirkaŭas. Ĉio kantas kaj gestadas. Bataliloj fulmas. Oni vidas, ke batalo alproksimiĝas. La milito komenciĝas. Sed ĉiam nur du kune batalas. La aliaj forlasas la scenejon. La du levas longajn glavojn. Ŝajnas, kvazaŭ ili ilin eligas el la planko de la scenejo. La glavoj svingiĝas en la manoj, eksaltas, desegnas en la aero frenezaĵojn, turniĝadas en la manoj kiel ŝtonoj sur ŝnuro, penetras la ornamon de sangavideco, de furiozo, de premsufoko, de l' abomeno de la militoj en la fumplena atmosfero de l' teatra ĉambrego. La kontraŭuloj dancante sin ĉirkaŭas unu la alian, saltas, falas kaj venkas, sufokas kaj mortigas; kaj la korpoj baldaŭ ludas same kiel la glavoj. Kaj tiu ĉi sovaĝa furiozo estas sindetena, konscia arto, estas ĥina brodaĵo, pentraĵo sur porcelano, bronzfandaĵo, kiu, en la nuna momento, en la olea lumo de l' teatro de Ĉanĉa, eliĝantaj el sia rigida beleco, fariĝas vivaj.

Tiel alvenas paro post paro. Malantaŭ la batalantoj bruegas la tamburoj. Ŝajnas kvazaŭ ŝtonegoj falus sur marojn konsistantajn el resonantaj kovriloj. La tuta urbo ekstere, 800,000 homoj, disflugas en la aeron. La violonoj kriegas kiel gorĝoj, kiuj forkuras por ne esti mortsufokataj. La rigardantoj ekscititaj sursaltas sur siaj seĝoj, fortege piedbatas kaj fajfas, kaj per fajraj organoj englutas ĉion, kion prezentas la scenejo. Tie la dancado fariĝas pli kaj pli stranga: la glavoj flugas tra la aero en figuroj ĉiam pli frenezaj, la saltoj fariĝas pli kaj pli liberaj. Unu turniĝas kiel rulanta rado sur unu mano kaj unu kruro, kaj ŝajne sur la nazpinto . . . pli kaj pli rapide, pli kaj pli ekscitite. Li fariĝas turniĝanta io. Estas kapturniga spektaklo. La tuta teatro furiozas, piedbatas, insultas, fajfas pro ĝuego.

Fine la generalino batalas kun la generalo. Ŝi estas vestita pli bele ol somera herbejo en fabelo. Ŝi estas ora kaj flora kiel somera ĝardeno plena je heliantoj. La amazonoj estas venkitaj. Fajro elspruĉas sur la scenejo, cindrigas ilian urbon, kaj en ĝia fumo la dioj sin montras al la batalantoj. Ili estas liberigataj de la tero kaj transportataj en la transejon.

. . . En ĉiuj teatraĵoj kelkaj figuroj ripetiĝis, kelkaj refaris diversajn agojn. Ili estis malnovaj, fiksaj starigoj de l' teatro. Ili kaj ĉio estis nepre sen realeco, kiel animo liberigita de korpo senviva. Estis teatro, kiu perdis sian terpezon. Ĝi fariĝis pura abstraktaĵo, ĝi similis al gota katedralo kompare kun ŝtonegaro, amasigita de teraj katastrofoj.

Flanke de la freneza strangeco de tiuj al nuraj formoj redaktitaj animaj travivaĵoj en ĥinaj teatraj prezentadoj — ĉar animaj travivaĵoj estas ĉiam la ĉelo de ĉia fabelo — la muziko sur la scenejo laŭtigis siajn ebriigajn bruadojn. Mi aŭskultis kaj aŭskultis, kaj nenion komprenis. Restis por mi nepenetreble kiel montaro, kia volo fakte regis en tiuj kunpuŝiĝoj de sonoj, al kiu leĝo de nia orelo aŭ de nia spirito ili konformiĝis. Mi ofte sur la ŝipoj aŭ sur la stratoj estis aŭdinta kanti tiujn longajn, akrajn, unutonajn sonojn, mi eĉ aŭdis ilin ludataj sur fonografoj en ĥinaj domoj. La popolo havas tiun muzikon en sia koro kaj orelo . . .

Sed finfine, kion ni komprenas pri Ĥinujo? De ĉio, kion ni vidis en tiu lando, kiom ni povis tiamaniere enmanigi, ke ĝi estis plene, sendube, vere nia. La instinkto kunigânta la rasojn de la tero, kiu trans Kunfutse, Jesu-Kristo, Grekujo, k. t. p. konservis al ni ankoraŭ kelkan sangoparencecon kun la fremdaj nacioj, certe ebligis al ni momente simpatie atenti la strangan veron de tiu granda popolo. Sed ne pli. Estis finite, kiel post la plezurega aventuro de ne klarigita somernokto.

La teatro fariĝis por mi pasia travivaĵo. En ĝi estis desegnita kaj objektivigita kiel flora, kolora kaj poezia ornamaĵo la enigmeco de la abstrakte disfluganta kaj tiom firme kunigita raso.

*Norbert Jacques.*
Trad.: *A. C.*

---

# Al niaj abonantoj

**La abonantoj, kiuj estos senpere informataj pri finiĝo de sia reabono, estas petataj kiel eble plej baldaŭ sendi al ni la sumon de 5 frankoj per poŝtmandato aŭ respondkuponoj.**

**Escepte, ni ankaŭ akceptos sesmonatajn abonojn po 2,50 frankoj.**

**La abonantoj, kiuj militservas aŭ estas militkaptitoj, kaj ne havus la eblon nun sendi sian reabonon, bonvolu nin informi.**

# ✱ NOTOJ ✱

∴ **Gravevunditoj kaj internigitoj.** — El la oficiala raporto de la svisa Federala Konsilantaro ni eltiras la jenajn informojn:

La interŝanĝo de la *gravevunditoj* inter Germanujo kaj Francujo, tra la svisa teritorio, regule daŭrigas. De komenco de aprilo ĝis fino de aŭgusto 1916 estis rehejmigitaj: 147 germanoj kaj 615 francoj; entute, de marto 1915: 2343 germanoj kaj 8668 francoj.

Inter Italujo kaj Aŭstrio-Hungario, oni ne povis ankoraŭ interkonsenti pri la interŝanĝo de la invalidoj.

La *internigado* de la vunditaj kaj malsanaj militkaptitoj kaj civilkaptitoj alprenis grandan amplekson.

En aprilo, Britujo aliĝis al la interkonsento pri internigado (krom pri la civilkaptitoj).

Je la fino de aŭgusto troviĝis en Svisujo:

| | Oficiroj | Soldatoj | Civilkaptitoj |
|---|---|---|---|
| Germanoj . . . . | 178 | 3,985 | 442 |
| Britoj . . . . . | 69 | 1,189 | — |
| Francoj . . . . . | 504 | 9,595 | 1,623 |
| Belgoj . . . . . | 64 | 1,084 | 439 |
| Aŭstrianoj . . . . | — | — | 1 |
| Sume | 815 | 15,853 | 2,505 |

El tio rezultas, ke, enkalkulante 170 pagantajn civilkaptitojn, Svisujo prizorgas la vivtenon de 19,343 personoj.

Konsiderante siajn favorajn klimatkondiĉojn, Italujo rifuzis sendi aŭstro-hungarajn militkaptitojn por internigado. Serbujo same agis. Kontraŭe, Francujo kaj Aŭstrio-Hungario lastatempe decidis internigi en Svisujo vunditajn kaj malsanajn civilkaptitojn restantajn en ambaŭ landoj.

Ĝis nun, la *monataj elspezoj* por la internigado atingas, en rondaj ciferoj, 2,000,000 Fr. por la francoj, 800,000 Fr. por la germanoj, 300,000 Fr. por la belgoj kaj 200,000 Fr. por la britoj. Ili estos repagataj de la koncernaj ŝtatoj.

La armea ĉefkuracisto donis provizorajn instrukciojn pri la *laboro de la internigitoj.* La laboro estos disdonata de tri regionaj komisionoj kaj de unu centra komisiono. La regionaj komisionoj konsistos el du mastroj, du laboristoj kaj unu neŭtralulo; la centra komisiono el unu mastro, unu laboristo, unu neŭtralulo. Tiuj komisionoj eklaboras. Ilia ĉefa tasko konsistas en tio, ke la laboro de la internigitoj ne konkurencu tiun de la enlanduloj.

Francujo kaj Germanujo starigis la kondiĉon, ke la civilaj internigitoj ne estu devigataj labori.

∴ **La poŝto de la militkaptitoj.** — De la monato septembro 1914 ĝis la fino de aŭgusto 1916, la speciala poŝto de la militkaptitoj en Bern ekspedis al:

| | | |
|---|---|---|
| Germanujo . . | 67,160,105 leterojn kaj kartojn; | 4,972,306 pakaĵetojn |
| Francujo . . . | 68,133,890 „ „ „ | 3,776,117 „ |
| Aŭstrio-Hungar. | 6,991,532 „ „ „ | 3,297 „ |
| Italujo . . . . | 6,640,436 „ „ „ | 21,155 „ |
| Britujo . . . | 125,798 „ „ „ | 3,505 „ |
| Turkujo . . . | 212,097 „ „ „ | 2,586 „ |
| Bulgarujo . . | 65,728 „ „ „ | 3,365 „ |
| Rusujo . . . | 27,923 „ „ „ | — „ |
| Japanujo . . | 40,267 „ „ „ | 15,866 „ |
| Svisujo (intern.) | 2,150,100 „ „ „ | 187,478 „ |
| *Sumo* | 151,547,930 leterojn kaj kartojn; | 8,985,675 pakaĵetojn |

La nombro de la pakaĵoj dum la sama periodo atingas 33,708,449.

El Svisujo al la diversaj militkaptitoj internigitaj en Germanujo estis ekspeditaj 2,835,797 panpakaĵoj pezantaj 5,469,511 kg.

De septembro 1914 ĝis la fino de aŭgusto 1916 oni ekspedis al:

| | | | |
|---|---|---|---|
| Germanujo | (francaj kaptitoj) | 3,067,902 mandat. | 35,472,327.46 Fr. |
| Francujo | (germanaj „ ) | 827,461 „ | 12,264,581.14 „ |
| Rusujo | (aŭstriaj „ ) | 283,728 „ | 6,816,526.39 „ |
| Aŭstrio-Hung. | (rusaj „ ) | 642,585 „ | 10,861,906.50 „ |
| | *Sumo* | 4,821,676 mandat. | 65,415,341.49 Fr. |

Krom tio, ĝi ekspedis al aliaj landoj (Japanujo, Italujo, Turkujo, Bulgarujo, k. t. p.) 154,112 mandatojn je valoro da 3,216,961.52 Fr. Plie, de la 1 aŭgusto 1916, la svisa poŝto peradas poŝtmandatojn por militkaptitoj inter Germanujo kaj Rusujo. Tiu servo estis antaŭe prizorgita de la sveda poŝto. Dum aŭgusto, la svisa poŝto ricevis kaj ekspedis 6562 mandatojn de Germanujo je valoro de 95,058.59 Fr. por germanaj militkaptitoj.

Do, entute 4,982,350 mandatoj je valoro da 68,727,364.60 Fr.

Dum la monato aŭgusto 1916, la administracio de la svisa poŝto ricevis kaj ekspedis, por militkaptitoj, *ĉiutage meznombre,* 323,367 leterojn kaj kartojn, 16,649 pakaĵetojn malpli ol 1 kg., 51,305 pakaĵojn ĝis 5 kg., 6,588 mandatojn je valoro da 89,748.11 Fr.

*Laŭ oficiala komunikaĵo.*

∴ **La latinaj literoj en Japanujo.** — Oni informas, ke Japanujo decidis la jam de longa tempo pripensitan enkondukon de la latinaj literoj. Tiu-ĉi decido havas, laŭ kompetentaj konantoj de Japanujo, ne takseblan signifon. Ĝis nun la japanoj uzis la ĥinajn literojn, tiel nomatajn ideografoj, tio estas signifsignoj, kiuj povas esti legataj en diversaj lingvoj, ekzemple kiel ĉe la okcidentaj popoloj, la nombroj, la formuloj de la ĥemiistoj kaj matematikistoj estas internacie komprenataj. La legado de tiuj signoj okazas, sen ke la senkonscia traduko en la parolata vorto ludas rolon, kiel ĉe ni. Kontraŭ la multaj preferoj de la orientazia „Ideografio“ estas gravega malhelpo: la kvanto de la signoj estas grandega, pli ol 40,000; ankaŭ la ellernado de la pli multe uzataj signoj — la gazetoj bezonas eble 2000—2500 — postulas kelkjaran laboron. Ĝis la 13 aŭ 14 vivjaro la japana lernanto nur povas legi, kion li lernis laŭ sia lernolibro. Ekzistas ja ankaŭ japana silabskribo, kies ambaŭ silabaroj „Katakanna“ kaj „Hirakanna“ posedas po 49 signoj; en telegramoj tiuj silabsignoj jam de longe substituas la ideografojn sed anstataŭigo ili ne povas esti. En certa senco la latina skribo estas jam de jaroj enkondukita en Japanujo, kaj ekzistas tie libroj kaj revuoj, presitaj tiel; sed evidentiĝis, ke ekzemple gazetartikoloj, skribitaj latinlitere, ne ĉiam estas komprenataj de japanoj, kiuj povas legi kaj kompreni la skribon; en maldika vortareto egalas al la sonkunmetaĵo „ko“ ne malpli ol 25 diversaj signoj de la plej diversa signifo. Krom tio, la sonsimileco de vortoj en la japana lingvo, kaŭzita de la fuŝigo de la alprenitaj ĥinaj sonoj, ankoraŭ pli malagrabla ol en la ĥina lingvo, devigas tre ofte eĉ inteligentulojn interparolantajn pri flua temo, skribi sur la manplato de la maldekstra mano per la montra fingro de la dekstra, signon por pli bone komprenigi la diritaĵon.

De post la jaro 1854, de kiam Japanujo estas malfermita al fremdaj popoloj, ĝi aldonis al sia malnova ĥina kulturo multajn akirojn de la eŭropa kulturo. Tial la demando, ĉu la malnova skribo povos esti lasata, ĉu ĝi sufiĉas por la postuloj de la estanteco kiel taŭga komunikilo, fariĝis ĉiam pli kaj pli urĝa. Evidentiĝis fine, ke la ideografio ne estas kapabla por tio. Laŭ la ricevitaj sciigoj, ne estas precize konstateble, kiamaniere la latina skribo estos enkondukata ĝenerale. Tio povas esti certa, ke en la instruado ĝi venos ĉe la komenco; la ideografio estos apude certe kun malpligrandigo. Verŝajne la infanoj devos ellerni ĉirkaŭ 1300 skribbildojn, t. e. la kvanto, kiun oni juĝis kiel plej necesa; krom tio devas esti lernotaj ankoraŭ la fonetikaj silabaroj. — *H. J.*

# ✱ LITERATURO ✱

## MILITNOKTOJ

# La Patrolo

de **F. Sollar**

— Jen venis via vico. Vi estas la unua sur la listo de la memvoluloj. Observu bone la ĉirkaŭaĵon dum la tago. Tiun ĉi nokton, vi kontrolitos kun la kamarado, kiun vi elektos. Estas nepre necese scii la numeron de la regimento, kiu staras kontraŭ ni.

Tian informon oni akceptas kun ŝajna trankvileco. La vizaĝo estas senmova; oni pripensas kaj decidas:

— Mia kapitano, mi preferas iri sola; tiel mi pli facile povos englitiĝi nevidate.

— Konsentite! Foriru je la dek-unua. Revenu kiam vi povos.

La oficiro daŭrigas sian kontroliron.

Estas vespero, simila al ĉiuj vesperoj, en la tranŝeo de unua linio. Postenigita antaŭ la krenelo, la observisto havas ĉirkaŭ si nur bruniĝantan teron kaj ĉielon paliĝantan.

En sia tragedia kaj ruinigita soleco, la soldato nek afektas, nek fanfaronas. Li vidas sin tia, kia li estas, malpura, terkolora, la piedojn en la koto, miksita kun la grundo, kiun li defendas. Lacega estas lia korpo, sed fieran animon li havas; li estas forta, rezistkapabla. Tra la krenelo, li ekvidas la kampon, kie li malhelpas la malamikon veni, kaj pri kiu li estas responda.

Ekvenas la ombro. La penso fariĝas pli milda; ĝi saltas ekster la senfruktaj rondoj de la morto, kuras al rememoroj pri feliĉo, malstreĉiĝas en la ĝuoj de la estinteco, sin fordonas al revoj karesaj kaj amaj.

Je tiu momento de la sentimentala iluzio, pasis la kapitano.

Tre simplaj vortoj ĵus estis elparolitaj, kvazaŭ oni projektus promenadon, kaj tamen, en la spirito de tiuj kiuj diris ilin, ili esprimas la plej altan supron de braveco, eble mortdecidon.

Antaŭ kelka tempo, kiam la kapitano petis pri memvoluloj, oni en bela fervoro, kun multaj kamaradoj, levis la manon; oni montris sin aventurema; oni ĝoje propetis la superan emocion forrifuĝi de l' mondo por kelkaj horoj, eble por ĉiam.

Nun, oni estas sola, preta por la ofero. Oni ekvidas la kompatindan destinon: batali sola, en la mallumo, kiu dekobligas la korpremon. Tiam, okazas, ke la plej brava kaj la plej maltimema momenton sentas, ke ekmankas liaj fortoj.

Sed se pasas kamarado, oni tuj mokdiras:

— Mi baldaŭ vizitos *ilin*.

La pretigoj finiĝas. La luno, antaŭ kiu glitas arĝentaj nuboj, iafoje disjetas sian palegan rebrilon. Oni havu nenion lumantan aŭ bruantan. Ĉio, kio ŝarĝas, estas forjetata. Vigla, fleksebla, facilmova oni devas esti. Sufiĉos tranĉilo, kiun oni eningigas ĉe la zono...

Por esti certa ne liveri al la malamiko ian montron, oni sin liberigas je ĉiuj siaj paperoj, amleteroj, de kiuj oni neniam disiĝis, leteroj de patrino, de infano, de edzino, kiuj en kelkaj linioj entenas ĉiujn kaŭzojn vivi, batali kaj agi.

Oni donas al la serĝento la ĵus skribitan leteron. Ĝi iru al tiu estaĵo, kiun oni plej multe amas en la mondo, kaj, nenion dirante pri la baldaŭa aventuro, ĝi alportu la kortuŝan amkareson de agonianta animo, longan kisadon, senfinan ĉirkaŭpremadon!

Se oni estas mortigata, la malamiko trovos sur la brusto nur malgrandan metaltabulon kun nomo kaj numero, por enskribi ilin sur lignan krucon.

Preta. Dio zorgu! Oni elglitas ekster la fosaĵo.

Sternata, platigita sur la tero, oni volus enfali internen de ĝi. Kun serpentaj kaj malrapidaj gestoj, kiel raŭpo, oni sin etendas sur la grundo; la renoj kaviĝas; la manoj, la genuoj, la piedoj desegnas sulkojn en la terbulo. Je longaj interspacoj, kiel maltrankvila besto, oni starigas la kapon, spionrigardas, kaj rapide almetas denove la kolon kontraŭ la tero. Je ĉiu movo, trabatas vin la terura penso, ke oni estas vidata, vivanta celtabulo al kiu jam direktiĝas pafiloj. Kiam pafo traŝiras la silenton, ekhaltas la sango kaj malvarmiĝas. Ĉu celita pafo aŭ perdiĝanta kuglo?

La senmoveco streĉas la muskolojn, kaj ree oni rampas.

Kiam la luno malaperas sub nubo, oni uzas la okazon por antaŭensalti. Sed subite, el la malamika linio, raketo eksplodas fajfante tra la aero kaj brilante flirtas laŭ la vento. La tero lumiĝas kaj blankiĝas. La reliefoj videbliĝas. La plej eta herbtufo faras makulon. La tuta korpo tremas, kaj oni volus, ke ĝi aspektu kiel kadavro, ĉar oni scias, ke ĝuste en tiu minuto, malantaŭ ĉiu krenelo, rigardas okulo.

Malrapide, kun graciaj kurblinioj, la raketstelo malsuprenflugas, longigas la ombrojn kaj subitege mortas. Al la duonblindigitaj okuloj, la tero ŝajnas pli nigra. Oni spiras kaj antaŭenpaŝas je kelkaj metroj. Senfortiĝinta, spireganta kiel ĉirkaŭpelita besto, oni rondrigardas. Tiam, kiam oni ekvidas, ke nur duono de la vojo estas atingita, freneza malespero ekpezas sur la ŝultroj kaj malvarmigas la koron. Oni estas laca senfine atendadi la morton, kaj oni volupte pensas je kuglo, kiu en sia facila abelflugo tuŝus vin ĉe la frunton.

Kiu soldato ne havis tiun funebran inklinon al la morto, kaj kiu soldato ne ĉerpis el ĝi novan energion? Kiam oni tiel multe deziras ĝin, oni estas kapabla je ĉiuj agoj, kiuj ĝin spite kontraŭstaras. Al la homo, kiu estas preta por ĝi, ĉio sukcesas; ĉio simpliĝas kaj faciliĝas. Li streĉas superhoman volon. Transformita li estas. La miraklo fariĝas lia kutima ago. Liaj membroj obeas kvazaŭ ensorĉite. La genuoj sangas kaj la ungoj estas duonelŝiritaj; oni eĉ ne plu suferas de tio. Oni antaŭenrampas, kviete, malvarme, decideme, kuraĝe, metode, senhalte, sentime. La kruela kalvario finiĝas serene.

Fine oni alproksimiĝas al la malamiko. Oni ektuŝas la ferfadenan retaron, je dek-kvin metroj de la observposteno. Oni retenas sian spiradon, elstreĉas la orelon.

Tra la kvieta aero de la nokto, du voĉoj laŭtiĝas: brua voĉo de maturaĝulo, la alia tre juna, timema.

Bone ŝirmite en sia truo, ambaŭ observistoj pensas nur pri manĝado kaj trinkado. De tempo al tempo, oni divenas, ke la maljunulo petas la junulon rigardi tra la krenelo, ĉar aŭdiĝas armilfrapado. Oni neniam ion scios pri tiuj ambaŭ nekonatoj, kiuj baldaŭ estos du kadavroj, eĉ ne la sencon de iliaj lastaj vortoj. Nur la raŭka sono de iliaj voĉoj por ĉiam enfiksiĝas en la memoro.

Sen abomeno, sen kortuŝo, sen ŝanceliĝo, oni elprenas sian tranĉilon.

Morti aŭ esti mortigita. *Ilia* tasko estus faligi kiel hundon la patrolanton, se ili vidus lin; kaj ili grumblus pro kontenteco. Oni estas la pli malforta. Do oni devas esti la pli forta. Tie staras la tuta demando.

Oni rampas inter ferfadenoj ĝis la rempareto. Oni firmigas sian geston, sin starigas, sin kuntiras en la mallumo kiel eksaltonta pantero, kaj oni atendas lunradion.

Inter du nuboj, la lumo alglitas, disvastiĝas sur la dorso de ambaŭ viroj. Oni ensaltas en la truon, kaj antaŭ ol krio povas esti ellasata, oni entranĉis barban gorĝon kaj traboris la koron de la pli juna. Oni aŭskultas. Nenia bruo. Ĉio estas bona. Oni elŝiras de la ŝultrolangetoj de la surtuto la numerojn de la regimento.

La luno malvarma lumigas ambaŭ rigidiĝantajn kadavrojn. Oni salutas ilin. Oni grimpas sur la deklivaĵon. Oni rapidrampas al la propraj linioj. Kelkaj kugloj fajfas; oni malzorgas. Oni preskaŭ kuras. Oni estas savita.

*Oni*, tio estas, ĉiuvespere, laŭvice, anonimaj kaj sentimaj, centoj de soldatoj.

Trad.: *A. R.*

# TRA LA ESPERANTA LITERATURO

**Kiel sukcesigi la vivon,** de *Jules Fiaux*, tradukis „*Ŝolom*". The Power Book Co., 329, High Holborn, WC, London. 1 s. 2 d. net. 71 paĝoj, 183 : 123 mm.

Estas filozofema libro, kiu en 21 ĉapitroj montras kiel per memedukado oni povas havigi al si sukceson kaj feliĉon. Krom ĝeneralaj ideoj je diversa valoro, estas enmetitaj konsiloj pri sugestado kaj pri profunda spirado, laŭ „hinda sekreto", tiel, ke oni rajtas supozi, ke la esperanta broŝuro rilatas al serio de libroj pri iu nova filozofio aŭ religio rekomenditaj sur la dorspaĝoj. La aŭtoro ripetas la konatajn, sed ĉiam ripetindajn verojn, ke sincereco, memfido, kontento, trankvilo, akurateco, k. t. p. feliĉigas la homon, kaj li indikas metodojn por akiri tiujn ecojn. Troa enprofundiĝo ne estas al li riproĉinda; la scienceco montriĝas ĉefe en okaze iom komplika stilo, tiel ke ni timas, ke por ne instruitaj legantoj la libro estas tro scienca kaj por sciencistoj ne sufiĉe. — Ekzemple: „por kontraŭbatali la spiriton de malkontento la sola kuracilo estas la optimismo, kaj por atingi ĝin oni faru firman decidon vidi en ĉio nur tion, kio estas bona. Sekve ni forigu unue la tutan literaturon pesimistan. ‚Kiel utilas al ni koni riproĉindajn aferojn, aŭ realaj aŭ imagaj?', diras la aŭtoro. Legante la jurnalojn ni evitu ĉiujn priskribojn pri krimoj, katastrofoj kaj skandalo: ankaŭ ĉiun kritikadon pri eminentuloj, precipe kiam ĝi estas akre dirata." — En sia klopodo kontraŭbatali la malbonan literaturon (malbona se ĝi mensogas aŭ trograndigas) la aŭtoro ŝajnas forgesi, ke la kritiko, eĉ la kruda malkontento pri estantaĵoj, estas la fonto de ĉiu progreso. — En la ĉapitro pri Trankvilo li pretendas, ke ni ne plimalgrandigas la forton de niaj emocioj kiam ni konfidas ilin al aliaj personoj. „Ni ne devas paroli al iu ajn (kontraŭ ĝenerala opinio) pri niaj sendisciplinitaj sentoj." Nu, la ĝisnuna sperto kaj la eklezia institucio de la konfesado iras la pruvitan vojon de la ĝenerala opinio, kaj ĝin ankaŭ sekvas la moderna psiĥoanalizo. Tiu scienco, kiu jam montris mirindajn rezultatojn, ĝuste postulas, ke al la kuracisto estu malkaŝataj ĉiuj pensoj kaj sentoj, la plej abomenaj aŭ malpuraj, por ke poste la cerbo, kvazaŭ malpleniĝinta, povu normale refunkcii. Estas kun la diroj en tiu libro, kiel kun la plimultaj „veroj" en populara filozofio: ili estas veraj, kaj la malo ankaŭ estas vera, ĉio ĝis limo kies malfacilan fiksadon oni lasas al la leganto.

La Esperanta traduko estas entute klara, sed la lingvaj konoj de la tradukisto ne plene sufiĉis por lia tasko. Formoj kiel: ĉiun agon ni faras por; la celon ni aspiras devas esti kontrolata; ne ĉiom ni manĝas nutras, k. t. p., estas anglaj, ne Esperantaj. Oni ankaŭ trovas erarojn kaj eraretojn pri plej diversaj punktoj de la gramatiko. „Per tio mi ne absolute malaprobas la lernejon; tio povas esti utila, sed nur kondiĉe, ke ni rezervas al ni la privilegion, kiu ebligas nin depreni el ĝi tion, kion ni bezonas, kaj nenion pli." — „Se ni lernigis al la infanoj" por: se ni instruus. — „Ni diru al ni, ke armita per kuraĝo, ni havas nenion timi" — „ni havas malpli povon", k. t. p.; la ekzemploj abundas. Ankaŭ ni preferus alian uzon de certaj vortoj: la (spirita) ĉirkaŭaĵo estus pli klare ol la ĉiam skribita: „ĉirkaŭaĵoj", la sekvanta paĝo estas preferinda al la „sekvonta" kaj ĉe „memkonscieco", „timemeco", „feliĉeco", k. t. p. la „ec" estas superflua. „Fortuno" kaj „Prestiĝo" nenion aldonos al la bonŝanco kaj imponeco de nia movado. *St.*

**Speisekarte Deutsch-Esperanto.** Laŭ mendo de la Germana Esperanto-Asocio, eldonita de la loka unuiĝo de la Esperantaj grupoj en Leipzig. Johannisplatz 3, Leipzg. 50 Pfennig. 40 paĝoj. 215 : 135 mm.

Tiu verketo entenas antaŭ- kaj postparoladon en germana lingvo, klarigon pri elparolado de Esperanto kaj aron de kelkcentoj, eble eĉ de milo da vortoj. La ordo progresas de la supoj al fiŝoj, viandoj kaj legomoj, finas la festenon per kompoto, fromaĝo kaj deserto, poste nomigas ĉiuspecajn trinkaĵojn kaj fermas kun la manĝilaro. Sur ĉiu paĝo estas kolonoj por la germana kaj Esperanta vorto, tria kolono entenas la francajn esprimojn, tiom kiom oni uzis ilin ĝis nun en certaj germanaj restoracioj. La kajero estas bone sukcesinta unua provo pri terminaro multe pli malfacila ol kutime oni kredas. Ĝi povas servi kiel bazo por pli kompleta internacia verko, kaj tial la Leipziganoj meritas dankon por la entrepreno. Kelkaj eraretoj kaj malbelaj esprimoj, ekzemple troa uzo de „aĵo", la ĉiama forigo de „maniero" (ovoj laŭ rusa) k. t. p. estas despli ne gravaj, ol la eldonistoj intencas repolurigi la verkon okaze de la dua eldono. Interese estas, ke tie, kiel ĉe la teknikaj esprimoj kaj verŝajne en ĉiuj fakoj de la praktika vivo, Esperanto devas barakti kontraŭ la fantaziaj vortoj. Sub tio ni komprenas la esprimojn, prefere elektitajn el fremdaj lingvoj aŭ el historiaj nomoj, kiuj estas pli malpli sensencaj kaj ĉefe alcelas doni al iu aĵo brilegan ŝajnon. Por ĉiu nova kuirmaniero, kaj ili estas senfinaj, la kuirartisto eltrovas nomon: à la Colbert, à la Napoléon, Victoria pudingo, Aleksandra saŭco, laŭ Milana, Germana, Rusa aŭ Ĥina maniero, k. t. p. En certa loko la restoraciestroj prefere rekomendas la „mockturtle soup", kiun la mendantoj de festenoj plezure mendas pro la angla nomo, ne sciante, ke estas kontraŭfarita testudo, do simple iu supo forte salita por instigi la soifon. La svisa fromaĝo estas nomita en unu lando Emmentaler, en alia Gruyère, kaj en iu grandurbo estas ŝajne uzataj ambaŭ kaj la simpla „svisa" por montri tri kvalitojn. Plia demando, pri kiu en multaj landoj eĉ la polico devis sin okupi, estas, ĉu vorto signifas vere la devenon, aŭ nur manieron de preparado, aŭ nenion. Ekz. la Yorkshira ŝinko, la Frankfurtaj kolbasoj, la Pilsena biero, la kokidoj de Bresse, k. t. p. Fakto estas, ke nau dekonoj de la personoj, kiuj vizitas restoraciojn, malmulte komprenas pri detaletoj de la manĝokarto kaj anstataŭ belan nomon preferus havi klaran. La tradukisto de la citita verketo bone sukcesis pri la internaciigo de multaj nomoj, uzante vortojn, kiuj indikas la ĉefan materialon, aŭ la manieron de kuirado aŭ alian karakterizon. La saman vojon oni devos iri, se oni starigos internacian vortaron pri manĝaĵoj, kiu kun la esperata plia disvastiĝo kaj uzado de nia lingvo fariĝos necesa. Absolutan precizecon oni neniam atingos, tial oni ne ĝin alcelu. Vojaĝanto, kiu en fremdlando bone vidas el Esperanta menuo, ĉu li ricevos viandon aŭ legomon, kaj iomete laŭ kia preparo, estos kontenta. Li scios sufiĉe kaj okaze eĉ pli ol la urbanoj, kiuj sin ĝenas demandi pri la misteroj de manĝaĵo kun nomo nekomprenebla. *St.*

**Langue internationale. Point de vue national,** de S-ro *A. Muffang*, 7, rue du Fresne, Angers. Preza: 0. 50 (du respondkuponoj), mendebla ĉe la verkinto. Broŝuro, 32 paĝoj.

Tiu broŝuro, verkita franclingve, laŭ franca vidpunkto, prezentas argumentojn por ĉiu ajn nacio, kiu deziras konservi sian originalan nacian karakteron, kaj samtempe plimultigi kaj plifaciligi la ĉiuspecajn internaciajn interrilatojn. Estas, en la nunaj cirkonstancoj, ne oportune, diskuti la argumentojn de la aŭtoro. Estu nur permesate al ni, denove bedaŭri, ke iuj Esperantistoj tro forgesas la idealon de alproksimigo inter la popoloj, kiu gvidis niajn pionirojn, kaj parolas tute same kiel fervoraj ŝovinistoj. Per tia sennecesa akcentigo de la nacia vidpunkto, oni preparas al nia movado malfacilan estontecon.

**La terposeda reformo en Izraelo,** de *A. Damaschke*. Esperantigita de *F. Ellersiek*. Verlag Deutsche Warte, Berlin. Prezo: (ne notita). Broŝuro de 24 paĝoj.

Interesa historia priskribo de la terposeda demando en Izraelo, verkita laŭ la vidpunkto de la germana movado por la terposeda reformo. La verko estis bonstile esperantigita de S-ro Ellersiek. *Interim.*

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Nederlanda Esperanta kunveno

La ĉiutrimonata kunveno de la Nederlanda Esp. Societo okazis en Harlemo la 16 julio, sub la prezido de S-ro Ziermans. Ĉeestis delegitoj el Amsterdam, Arnhem, Hago, Harlemo, Rotterdam, Wormerveer, kaj aro da vizitantoj.

Estis diskutitaj diversaj demandoj pri ekzameno kaj pri propagando.

El la raporto de la sekretario rezultas, ke la societo, kiu en julio 1914 havis 13 grupojn kun 397 membroj, nun havas 14 grupojn kun 381 membroj. La influo de la milito do ne estis tiel granda, kiel estis pensita komence. Dum 1915—1916 la delegitoj laŭregulare kunvenis, same kiel la ligestraro. La organo regule aperis, ĉiam ankoraŭ en broŝurformato, sub la gvidado de S-ro Ziermans. La ekzamenoj altiras sufiĉe grandan nombron de partoprenantoj.

La venonta kvaronjara kunveno okazos la 22 oktobro en *Wormerveer.*

## Skota Esperantista Kongreso

La dek-unua Skota Esperantista Kongreso okazis kun plena sukceso en Linlithgow la 24 junio. Ĉeestis reprezentantoj de la pli multaj Esp. grupoj en Skotlando kaj kelkaj alilanduloj.

S-ro D-ro Scougal prezidis la laborkunsidojn, kie oni diskutis pri la enkonduko de nia lingvo en la lernejojn. S-ro J. M. Warden, prezidanto de B. E. A., proponis rezolucion, per kiu estas rekomendate al la edukaj aŭtoritatoj doni lokon al Esperanto en la lernejoj. S-ro R. G. Barr, el Glasgow, subtenis, kaj la propono estis akceptita. S-ro W. M. Page, el Edinburgh, proponis, ke al la ŝtata sekretario por eksteraj aferoj estu submetata, por transdono al Petrogrado, listo de britaj eksport- kaj importfirmoj dezirantaj uzi Esperanton por siaj negocoj, kaj ke reciproke, per la ambasadoro en Petrogrado, estu sendata listo de similaj firmoj en Britujo. S-ro G. Douglas Buchanan, el Glasgow, subtenis, kaj diris, ke la sperto de lia firmo pruvis la grandan valoron de Esperanto por la komerco kun aliaj nacioj.

Oni aklame akceptis la proponon kaj konsentis, laŭ propono de S-roj Andrew Wilson kaj D. R. Tullo, ke la konsilantaro efektivigu la rezoluciojn.

Poste, kelkaj eminentaj gastoj esprimis sian favoron al nia lingvo, kaj la samideanoj hejmeniris tute kontentaj pri siaj propagandaj laboroj en Linlithgow.

Antaŭ la laborkunveno okazis teo, ĉe kiu partoprenis okdek-ok personoj.

## Sveda Esperanto-Tago

La jarkunveno de la svedaj Esperantistoj okazis en Stockholm la 29—31 julio. La malferma kunsido komenciĝis per salutparolado de Redaktoro Paul Nylen. Ĉar la prezidanto ne ĉeestis, S-ro W. Wahlund anstataŭis lin. Sekvis salutparoladoj de diverslokaj svedaj samideanoj kaj de F-ino A. Mikkelsen, reprezentantino de la Esp. unuiĝo de danaj instruistoj. S-ro R. Pehrsson, el Gävle, interesige parolis pri la nuna stato de nia movado. Post la vespermanĝo oni deklamadis kaj paroladis. S-ro Backman kaj S-ro Nylen rakontis pri sia esperantistiĝo. La kongreso decidis sendi saluttelegramojn al D-ro Zamenhof kaj al la prezidanto de S. E. F., S-ro Lundgren. Ĉe la federacia kunsido, la 30 julio, oni pritraktis la demandon pri Esp. ekzamenoj en Svedujo, kaj eventualan eldonadon de propaganda broŝuro. Plue, estis proponite, ke S. E. F. kune kun la organizajoj de la norvegaj kaj danaj Esperantistoj aranĝu tutskandinavan kongreson. Krom tio oni diskutis pri aranĝo de centra Esp. biblioteko en Svedujo. Ĉiuj tiuj proponoj estis lasitaj al la estrara komitato por esploro. Aliaj decidoj estis: aliĝo de S. E. F. al UEA, kaj ŝanĝo en la federacia regularo rilate al elekto de anstataŭantoj por estraro kaj revizantoj.

La estraro por la nova laborjaro estis elektita. S-ro J. Lundgren, el Hedemora, estos denove prezidanto.

Ĉe diskuto pri la temo „La rimedoj por plej efika propagando", S-ro Helsing parolis pri la graveco de agitado inter gazetistoj kaj parlamentanoj. S-ro Nylen atentigis, ke oni povas havi bonan helpon de la gejunularo en la pli altaj lernejoj, kaj ke oni devas ĉiuokaze kiam io reala okazas je Esp. raporti pri tio en la ĉiutaga gazetaro. S-ro Adamson parolis pri propagando ĉe publikaj lokoj kaj per portado de la stelo.

Posttagmeze oni ekskursis al Drottningholm kaj vespere ĉeestis prezentadon de „Boks kaj Koks".

La lasta tago estis dediĉita al vizitoj kaj promenadoj.

La sveda Esp.-Tago 1916 estis bonsukcesa kaj donis al la ĉeestantoj certan esperon je la estonteco de nia movado en Svedujo. La ĉeestado de samideanoj el Norvegujo kaj Danujo donis al la kongreso skandinavan karakteron. Dankon al ĉiuj Stockholmaj samideanoj, kiuj laboris por la kongreso.

## Svisa Esperanta Societo

La 9 kaj 10 septembro okazis en Neuchâtel la ĝenerala kunveno de la *Svisa Esperanta Societo.* Ĉeestis ĉirkaŭ 80 anoj el la diversaj kantonoj. En la ĉefa kunsido, dimanĉon je la 11a, sub la alterna prezidanteco de S-ro de Saussure kaj de S-ro Wenger oni aŭdis bonvenigan paroladon de S-ro Strœle kaj raportojn pri la jara agado de la Societo de S-roj de Saussure kaj Perlet. Kelkaj decidoj estis alprenataj post diskuto kaj voĉdonado, kaj la propono akceptata, organizi Esperantan propagandon inter la internigitoj civilaj kaj militistaj. Oni ankaŭ honoris la sur la diversaj batalkampoj mortintajn samideanojn per stariĝo. Post la kunsido okazis la komuna tagmanĝo en „Hotel du Soleil". Tie aŭdiĝis kelkaj paroladoj: S-ro Strœle laŭdegis la patrujon, kaj Tiĉina samideano rakontis la fondon kaj progresadon de la Esperantista grupo en Lugano. Estas la unua fojo, ke la kantono Tiĉino partoprenis en festo de S. E. S., kaj tiu okazo estis vigle kaj ĝojege aklamata. La Lokla Grupo ĥore kantis Esperantajn kantojn. Finiĝis la festo per agrabla komuna promenado al Valengin, kie oni vizitis la internon de la kastelo. Kiel kutime, la ĉefa plezuro de la kunveno estis la renkonto de malnovaj geamikoj kaj la konatiĝo kun novaj.

*A. C.*

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Katzenau bei Linz:* Ĉe la internigejo de la Trentinaj italaj limloĝantoj, estis starigitaj bone vizititaj Esp. kursoj, gvidataj de S-ro D-ro inĝ. A. Mondini, Del. de UEA en Stenico, kaj instruisto M. Ongari el Spiazzo. — *Praha:* En septembro F-ino Šupichova komencis novan kurson, al kiu aliĝis multaj partoprenantoj. — *Wien:* Esp. Unuiĝo „Danubio" finis kurson per ekzameno, en kiu ĉeestis du direktoroj de la Vienaj burĝaj lernejoj. Post la kurso de S-ro direktoro Schamanek, 26 partoprenintoj akiris la ateston por „sukcesplena vizitado".

## Britujo.

*Halifax:* La kvaronjara konferenco de la Federacio de Yorkshire tie okazis, sub la prezido de S-ro J. Merchant. La reprezentantoj raportis pri la nuna stato de la diversaj grupoj. Estis proponite, ke Inter-Federacia kunveno estu aranĝita inter la Federacioj de Yorkshire kaj de Lancashire. La proksima konferenco okazos en Huddersfield la 7 oktobro. — *Isle of Man:* Ĉe la civilkaptitejo, S-ro K. Greuling interesigis al Esp. en sia barakaro 75—80 kaptitojn; en la 4a barakaro estas 20 Esp-istoj. Ĝis nun 15 personoj aliĝis al UEA. — *London:* La anoj de la Reklamarta Klubo aŭdis bonegan paroladon de S-ro S. R. Marshall pri „Postmilita komercado, la lingva malfacilaĵo kaj ĝia rilato al la Reklamarto". La vera temo estis „Esperanto, ĝia facileco, utileco, disvastiĝo, kaj ĝia neceso por komercadi kun Rusujo post la milito". La plimulto de l' aŭskultantoj tute konvinkiĝis pri la praktikeco de nia lingvo por komercaj rilatoj. Informoj pri la komerca valoro de UEA, kaj de Ĉekbanko, la elmontro de Esp. katalogoj diversnaciaj kaj de ĵurnaloj, ankaŭ tre impresis la ĉeestantaron: la precizaj respondoj de S-ro Marshall al la multaj argumentoj idistaj kaj aliaj, estis tiel trafaj, ke ĉiuj dubemuloj aĉetis lernolibrojn, kaj nun eklernas. La kunvena prezidanto, S-ro Hopton Hadley, tre konata reklamisto, dankante la paroladiston, esprimis la deziron, ke lia praktika propono pri la instruo de Esp. al komercistoj kaj ĝia utiligo post trimonata studado estu sukcesega. S-ro P. Blaise ankaŭ multe helpis per kelkminuta pritraktado pri UEA, kaj S-ro G. Hammond tre utilis kiel ĉefhelpanto ĉe l' nigra tabulo kaj diagramoj. Tiu ĉi kunveno certe havos grandan influon en la reklamarta mondo. La gazeto „Advertiser's Weekly" enpresis tre favoran raporton. — *Southport:* Tie okazis la 34a kvaronjara konferenco de la Federacio de Lancashire kaj Cheshire. Partoprenis 130 personoj. La konferenco voĉdonis kondolencan rezolucion pro la perdo de S-ro Rousseau, vicprezidanto de UEA. Post la administraj traktaĵoj, okazis temanĝo kaj tre agrabla koncerto. Proksima konferenco en Burnley. — *Swansea:* La ĉi-tiea grupo, fondita de rusa samideanino S-ino Suĵadinoff, aranĝis festeton okaze de la vizito de kelkaj aliurbaj Esp-istoj. — *York:* Sekve de la kongreso, aliĝis kelkaj novaj anoj. La Edukada Komitato konsentis starigi kurson en la Castlegate Komerca Lernejo.

## Danujo.

*Kopenhago:* F-ino Margarethe Noll estis elektita kiel prezidanto de la Centra Dana Esp. Ligo. Dum vizito ĉe la Teozofia Kolonio en Bastard, F-ino M. Noll estis petata fari paroladon pri nia lingvo; svedaj kaj danaj ĉeestantoj esprimis la deziron, eklerni Esp.

## Francujo.

*Lons-le-Saunier:* Kurso por flegistoj kaj vunditoj okazas ĉe la hospitalo. — *Lyon:* Kursoj okazas ĉe la Esp. Rondo kaj ĉe la Esp. Laborista Grupo (ĉe la Unio de la Sindikatoj), ĉiu el ili kun dekkvino da lernantoj. — *Narbonne:* Kurso okazas ĉe la Laborborso kun kvindeko da lernantoj. — *Paris:* Kunvenoj daŭrigas okazi ĉiudimanĉe. La unua dimanĉo en ĉiu monato estas dediĉata al parolado. — *Philippeville* (Alĝerio): Dank' al la klopodoj de S-ro Duffau, kurso estis fondita ĉe la sidejo de la sekcio de la Ligo por la Homrajtoj. — *Rouen:* S-ro Guersent gvidis kurson kun ĉ. 15 lernantoj.

## Germanujo.

*Achim:* S-ro Fricke, el Bremen, gvidis kurson, kies membroj montris viglan intereson. Nova kurso okazos en aŭtuno. — *Berlin:* Ĉe kunveno de la Esp. Gruparo, S-ro Mahn, Del. Breslau, faris tre interesan paroladon pri Esperantismo kaj la celoj post la milito. Li instigis ĉiun veran Esp-iston, peni revivigi la bedaŭrinde interrompitajn internaciajn rilatojn. — *Essen:* Nova senpaga kurso komenciĝis kun 51 partoprenantoj; la nombro de la subtenantaj membroj estas 82. — *Gera:* Nova kurso malfermiĝas en septembro. — *Hattingen:* La grupo aranĝis sukcesan kunvenon de samideanoj el najbaraj grupoj; ĉeestis pli ol 80 personoj el Elberfeld, Essen, Köln, Hagen kaj Hattingen. — *Lübeck:* Okazis delegit-kunveno de la Nordalbinga Esp.-Ligo. Tiu Ligo, kiu enhavas nun 12 grupojn kaj 220 membrojn, regule aperigas bultenon. Kursoj estis aranĝitaj en du urboj. S-ro D-ro Möbusz sukcese paroladis pri nia lingvo ĉe la ĉi-tiea lacareto.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La Societo Paco kaj Amo elektis novan komitaton: Prez. P. Perez; vicprez. F. Alsina; sekr. J. Roig; vicsekr. J. Sangenis; kas. J. Bausells; kalk. E. Lapeira; bibl. M. Badia; anoj J. Trobat, D. Marach. — *Madrid:* Okaze de la XXIXa datreveno de la publikigo de la unua Esp. lernolibro de D-ro Zamenhof, la Propaganda Fako de la Centra Madrida Grupo organizis feston. S-ro Ramirez, vicdel., paroladis pri nuna stato de nia movado. S-roj Rosch kaj Pintado ludis tre bone hispanan amuzteatraĵon, S-ro Rosch deklamis monologon; sekvis komuna teo kaj danco. Ĉeestis multaj personoj. Ĉiumonate estas organizataj amuzkunvenoj. — *Tarrasa:* Granda festaro estis aranĝita kun la grupoj „Aplech" kaj „Katolika Stelo" el Sabadell. Okazis dancadoj, festeno kaj teatra festo; 700 personoj. S-ro Grau faris propagandan paroladon.

## Nederlando.

*Hago:* Nova kurso estos aranĝata en aŭtuno. — *Harderwijk:* Ĉe la internigejo de la belgaj soldatoj S-ro La Gravière gvidas novan kurson, kiun akurate sekvas dek-ses soldatoj, iliaj progresoj estas tre kontentigaj. — *Hengelo:* Du kursoj estis starigitaj kun ĉ. 50 partoprenantoj; estis aranĝita ekspozicio, pri kiu favore raportis la gazetaro. — *Rotterdam:* Dum la somero sukcesa ekskurso estis aranĝita kun partopreno de 75 personoj; multaj propagandiloj estis disdonataj. La katolika kontraŭalkohola asocio „Het Kruisverband" starigis sekcion por Esp.; jam 15 membroj aliĝis. — *Zeist:* Ĉe la internigejo, kvina kurso estas gvidita de S-ro F. de Backer. La lernantoj de la jam finiĝintaj kursoj korespondas kun gesamideanoj el ĉiuj landoj.

## Norvegujo.

*Kristiania:* „Missionsblad for Israel", ĉiumonata organo, redaktata de P-ro D-ro Chr. Ihlen, aperigis redakcian artikoleton pri la Malnova Testamento en Esperanto, bazitan sub la artikolo de Pastro J. Beveridge („Esperanto", februaro 1916).

## Rusujo.

*Astraĥan:* En Komerca Lernejo Vorobjev formiĝis Esp. rondeto. La Astraĥana Societo aranĝis someran kurson. — *Kirsanov:* Ĉe la kursoj aranĝitaj de S-ro Travaglia ĉe la italo-aŭstriaj militkaptitoj, 100 personoj ĉeestas. — *Kozlov:* En la loka gazetaro ĉiusemajne aperas propagandaj artikoloj de D-ro Sivjakov, J. Ĵmudskij kaj N. Romanov. — *Kostroma:* S-ro Rozanov propagandis inter popolaj geinstruistoj veturintaj por la kursoj pri eksterlerneja klerigado. — *Moskvo:* Moskva Librejo „Esperanto" sciigas, ke dum la lastaj monatoj la intereso de la publiko al Esp. mirinde kreskas, kaj ke la stato de nia movado proksimiĝas al la antaŭmilita. — *Orel:* S-ro Palĉevskij fervore propagandas inter oficiroj kaj soldatoj; kelkaj grupoj estis aranĝitaj. — *Rjev:* Dank' al la agado de S-ro Roman Fjedoroviĉ, rondeto formiĝis. — *Rostov:* La propagando tre vigliĝis. La gazetaro aperigas favorajn artikolojn. Rondeto formiĝis inter gimnazianoj. — *Ŝusov:* S-ro Maĥmendarov gvidis du kursojn. — *Vitebsk:* Nova kurso funkcias sub gvidado de S-ino Miĥalovska kaj de S-ro Grigoroviĉ. — *Zaporojje-Kamenskoe:* La kuratoro de la Odessa Lerna Distrikto konfirmis la decidon de la pedagogia konsilantaro de la gimnazio pri enkonduko de Esp.

## Svedujo.

*Gävle:* Ĉe la finiĝo de la kurso, festo estis aranĝita. S-ro E. Adamson en sia parolado rememorigis pri la oferoj, kiujn nia movado devis doni al la milito, kaj speciale pri Mudie kaj Rousseau. — *Hallstahammar:* Fondiĝis grupo kun 15 membroj. Kurso estas aranĝita sub la gvidado de S-ro Efraim Jansson. — *Harnäs:* Festo

estis aranĝita je la fino de la kurso. Dum la somero okazis konversaciaj kunvenoj. — *Örebro:* Estis elektita komitato por prepari la fondon de Esp. Klubo. — *Stockholm:* La Laborista Esp. Grupo aranĝos en aŭtuno du novajn kursojn sub la gvidado de S-roj A. G. Hedberg kaj J. Johansson. — *Västerås:* La nove fondita klubo elektis sian estraron; kurso estis aranĝita.

## Svisujo.

*Bern:* La grupo aranĝis komunan ekskurson al Worbenbad kun la Lyss'aj samideanoj, kiu tre bone sukcesis. Ĉeestis 20 personoj. — *Le Locle:* La klubo post dujara dormado jus vekiĝis, partoprenis la kunvenon en Neuchâtel kaj organizis kurson kun 9 partoprenantoj. — *Lugano:* La grupo havis la okazon, servi por rilatoj kun la Ruĝa Kruco. Nia lingvo ekdisvastiĝas en aliaj partoj de itallingva Svisujo. — *Montreux:* S-ro R. de Saussure faris kurson en Caux; ĉeestis i. a. du francaj internigitaj oficiroj. — *Thun:* S-ro R. de Saussure faris paroladon al francaj internigitoj. Unu el ili, S-ro adjudanto Condray, kiu lernis en germana militkaptitejo, instruas dekon da kamaradoj.

## Argentino.

*Buenos Aires:* La Biblioteko „Estudios Libres" fondis novan Esp. grupon nomatan „Tagiĝo". Adreso: 4324, Str. Costa Rica. — *Pergamino:* La Esp. societo kalkulas jam 95 membrojn. S-ro L. Kelety faris interesan paroladon ĉe la Normala Lernejo. — *Zarate:* Nova grupo estas fondita. Adreso: 90, Str. 3 de Febrero.

## Indio.

*Ahmednagar:* Ĉe la germana internigejo, kelkaj personoj eklernas nian lingvon dank' al la propagando de S-ro E. Gruhlke.

# TRA LA GAZETARO

∴ „*Latinamerika Esperantisto*". Revista Mensual. Ano I. Num. 1. Director: D-ro Antonio Aleman Ruiz, Apartado 1324. Habana, Cuba. (Abonprezo ne montrita.) Artoplena kovrilo kun torĉportanta junulo, 32 paĝoj, 235 : 155 mm.

„La gazeto proponas al si propagandi la lingvon internacian Esperanto en Cuba kaj inter ĉiuj nacioj latinamerikaj. Ĝi sekvos la normojn jam fiksitajn de aliaj tiaspecaj publikigaĵoj." Per tiuj vortoj S-ro Ruiz enkondukas la novan gazeton, kiun li ankaŭ deziras distingi per bela papero kaj bildoj. La ĉefartikolo, kiel la pli multaj aliaj estas skribitaj en hispana, aŭ, kiel diras la eldonisto, en kastilana lingvo; Esperantaj estas poezio de S-ro Ed. Privat kaj du legaĵoj. Kun siaj belaj ilustraĵoj, ĉefe portretoj kaj propagandaj bildoj, kaj la interesaj hispanaj artikoloj pri la estinta kaj nuna movado en Cuba, la nova gazeto faras tre bonan impreson. Ni ĝojas pri la revekiĝo de Esperanto en Latinameriko kaj deziras al S-ro Ruiz kaj al liaj kunlaborantoj daŭran sukceson.

∴ „*Esperanto Bulteno*". Monata organo de la Esperantistoj en la Platriveraj Respublikoj. Direkcio: Paseo Colón 161, Buenos Aires. Abonprezo: trimonate, 60 cts. enlande, 1,25 Sm. eksterlande, 4 paĝoj.

Tiu nova Bulteno, al kiu ni deziras bonan sukceson, celas kunligi la Esperantistojn de Argentino kaj Urugvajo, kaj helpi la propagandon de nia lingvo en tiuj landoj, kie Esperanto jam trovis fervorajn amikojn.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Fondaĵo Bolingbroke Mudie.** — Ĉe la lasta kunveno de la Brita Esperanto-Asocio (York, 12 junio 1916) estis decidite aranĝi fondaĵon por rememorigi pri la granda poresperanta laboro plenumita de Bolingbroke Mudie.

La fondaĵo kolektos 500 Funtojn (12,500 frankoj). Ĝi havos jenan celon:

*a)* Publikigi serion de verkoj en Esperanto kun literatura karaktero, zorge presitaj kaj eldonitaj, sub la titolo „Libraro Bolingbroke Mudie".

*b)* Doni financan helpon por la publikigo de meritaj verkoj, originalaj aŭ tradukaj, faritaj de Esperantisto, el kiu ajn nacieco, ĉu en, ĉu pri la lingvo.

*c)* Reklami por Esperanto en gazetoj, revuoj, libroj kaj publikaj lokoj.

*d)* Presi, publiki kaj disvastigi propagandilojn, senpage aŭ alie.

*e)* Disdoni kaj premie donaci librojn kaj medalojn por Esperanto-lernantoj ĉe lernejoj aŭ kursoj, kaj premiojn en konkursoj pri literaturaj verkaĵoj.

*f)* Por kiuj ajn celoj, en okaza aŭ principa rilato kun la ĉi-supre nomitaj, laŭ decidoj de la Brita Esperanto-Asocio en la jara kunveno.

Subskribojn oni sendu al: S-ro Bertram Chatterton, honora kasisto de B. E. A., 17, Hart Street, London WC.

∴ **Esperanto kaj komercaj rilatoj.** — En la lasta N-ro de „*Esperanto*" (paĝo 16), ni parolis pri la interesa eksperimento provita de S-ro S. R. Marshall, el Londono, (57, Muirkirk Rd., Catford) aranĝi en diversaj urboj de Britujo kaj Rusujo kurson speciale starigotan por komizoj ĉe komercaj firmoj por: 1e pruvi, ke post trimonata studado de Esperanto ĉiuj landoj povus entrepreni internaciajn komercajn rilatojn pere de nia linguo; 2e doni praktikan kaj publikan elmontron pri la tuja utileco de Esperanto por internaciaj komercaj rilatoj post la milito, kaj per tio forigi la apation de l' ĵurnalaro kaj de la publiko.

El la dua cirkulero eldonita de S-ro S. R. Marshall ni eltiras la jenajn instrukciojn:

„Oni devas starigi trimonatajn kursojn en ĉiu grava industria aŭ komerca urbo. Ju pli multe da kursoj, des pli granda kaj rapida la rezulto. Se eble, la kursoj devus esti senpagaj, sed tio ne estas nepre necesa; se tia kurso malhelpus ordinaran kurson, kunigu ilin kaj elektu la plej lertajn studantojn por la internacia pruvo, kiu tre kredeble okazos en januaro 1917.

„Aranĝu, se eble, ke la kurso komenciĝu dum la unua semajno de oktobro kaj fermiĝu je la fino de decembro 1916; ankaŭ invitu ĵurnalon aŭ publike konatan personon, ke ĝi aŭ li certigu kaj atestu pri la komenciĝa kaj finiĝa datoj, kaj atentigu la alilandajn konsulojn pri la afero.

„Por ricevi la necesajn lernantojn, metu anoncon aŭ artikolon en la lokajn ĵurnalojn kaj skribu leterojn al komercistoj, petante, ke ili sendu komizo(j)n al la kurso.

„La nombro de studantoj ne gravas; povas esti pli aŭ malpli ol 20.

„En Londono la lernantoj estos instruataj dufoje ĉiusemajne: faru same, se eble.

„Fine, faru kiel eble plej multe da bruo pri la eksperimento kaj sendu al la iniciatinto ĉiujn detalojn pri la kursoj aranĝitaj kune kun ekzemplero de l' anonco aŭ alia reklamo farita."

Laŭ informo de S-ro S. R. Marshall, tiaj kursoj estos certe aranĝataj en Birmingham, Huddersfield, London, por Anglujo; Astraĥan kaj Odessa, por Rusujo; ankaŭ en Beauvais (Francujo), Kristiania kaj Madrid. De aliaj urboj en diversaj landoj favoraj respondoj estis ricevitaj, sed nenio estas ankoraŭ definitiva.

Ni informados niaj legantojn pri la faktoj koncernantaj tiun eksperimenton, kiu meritas la atenton de ĉiuj samideanoj, kaj kiu kompreneble povos ankaŭ trovi aplikon en aliaj landoj.

∴ **Esperanto kiel komerca lingvo.** — De la Brita Esperanto-Asocio ni ricevis la gravan informon, ke la 20 julio, ĉe la „Guildhall“, Londono, la „Court of Common Council“ voĉdonis decidon favoran al la alpreno kaj oficiala instruo de unu komerca lingvo, ĉu angla, franca, rusa aŭ Esperanta, laŭ posta elekto.

Jen la teksto de la decido:

„Ĉar Anglujo kaj ĝiaj kunligitoj estas preparantaj komunan agadon rilate al estontaj komercaj aferoj, estus tre dezirinde, se unu lingvo povus esti akceptata kiel komerca lingvo, instruota en ĉiuj lernejoj. Tiamaniere la angla, franca, rusa, Esperanta, aŭ alia lingvo servus kiel komunikilo por komercaj aferoj tra la tuta mondo.“

Kopio de tiu decido estas sendita al la „Board of Trade“ (Ministrejo por komercaj aferoj) kun la deziresprimo, ke ĝi submetu la aferon al la nun kunsideranta Konferenco por Internacia Negoco. Ĉar tiu afero povas havi gravajn sekvojn por nia movado, estas rekomendinde skribi al la „Board of Trade“ favore al Esperanto, aŭ instigi konatulon aŭ komercan societon, fari tion. Leteroj estu adresataj al: The President of the Board of Trade, London.

∴ **Esperant kaj komerca korespondado.** — En Petrogrado, sub la aŭspicioj de la Ministrejo de komerco kaj Industrio, agas la „Ruslanda Eksporta Ĉambrego“, kies Oficejo donas informojn pri ĉiuj demandoj de ekstera komerco. Ĝi korespondadis antaŭe nur en la rusa, angla kaj franca lingvoj (ĝis la milito ankaŭ en la germana), lasante sen respondoj la demandojn en aliaj lingvoj; de nun ĝi uzas ankoraŭ Esperanton. Tio ĉi sendube tre plifaciligos la korespondadon kun la Informejo por la komercistoj kaj industriistoj de tiuj landoj, kie oni parolas nek angle, nek france. La adreso de la Informejo estas: Eksportpalata, 92, Nevskij, Petrograd. (Komuniko de la Petrograda Esp. Societo.)

∴ **Esperanto kaj la danaj pac-amikoj.** — La 15—16 julio okazis en Skanderborg (Danujo) la jarkunveno de la danaj pacamikoj. Ĉi tiu kunveno estis por Esperantistoj tre grava kaj ankaŭ sukcesplena afero, ĉar Esperanto estis pritraktata tie en la tagordo. S-ro Baruël efike paroladis pri Esperanto en la servo de la propaca laboro. Lian proponon sekvis diskutado, kaj oni fine akceptis la jenan rezolucion:

„La jarkunveno rekomendas la rezolucion al la simpatio kaj bonvola konsidero de la ĉefestraro kaj admonas ĝin serĉi kunhelpon ĉe Centra Dana Esp. Ligo“. (Laŭ Esp.-Raporto de Centra Dana Esp. Ligo.)

∴ **Esperantista Literatura Asocio.** — Dum du jaroj la E. L. A. preskaŭ ne povis labori. Ĝia tasko kaj celado ja estas internacia, E. L. A. volas tralegi kaj eventuale korekti manuskriptojn de alilanduloj, por ke ne enŝoviĝu naciismo, esprimo ne ĉiel komprenebla (idiotismo). Ĝi volas malhelpi la aperon de malbona libro kaj tiel eviti vanan laboron, perdon de mono, librejan malsukceson. Por gazetoj E. L. A. ĝenerale ne laboras, ĉi tion prizorgadas la redakcioj; ne pri artikoloj kaj rakontetoj ĝi sin okupas, nur libromanuskriptojn ĝi volas prilabori.

Sed libroj nun tre malofte aperas, manuskriptojn oni ne sendas. La administracio de E. L. A. sidas en Germanujo, el multaj landoj oni nenion povas sendi; sed ankaŭ el Hispanujo, Ameriko, Svisujo, Holandujo, Svedujo, Norvegujo, Danujo, Bulgarujo, Grekujo, Aŭstrio-Hungarujo, kaj Turkujo oni nenion sendis. Kelkaj manuskriptoj ankoraŭ kuŝas en la administrejo, ekz. fragmento el „Hiavata“ de Longfellow kaj „Senlingvulo“ de Korolenko.

Ni tamen scias, ke la fervoro kaj la labor-deziro de la Esperantistoj tute ne ĉesis. Ĝi kvazaŭ kuŝas nun en tero, kiel florbulo, favora pluvo ĉiumomente povas ekflorigi ĝin. Tiam E. L. A. devas esti preta por nova laboro, kaj pro tio ni skribis ĉi-tiujn liniojn farante proponon.

Ni nun ne povas kongresi, ni ankaŭ ne povas konigi nian proponon en nia iama organo, la „Oficiala Gazeto“. Ni nur povas publikigi ĝin en „Germana Esperantisto“ kaj peti, ke aliaj gazetoj represu nian proponon. Ĝi estas la jena:

Ni daŭrigu la Esperantistan Literaturan Asocion, sed ni iom ŝanĝu la regularon. La celado restu la sama, ni ĝin ripetis pli supre. La kotizajo ankaŭ restu la sama, unu spesmilo ĉiujare. Abono de iu ajn gazeto ne estas deviga. Estis ja por ni tre utile, ke la Oficiala Gazeto presigis ĉiun monaton niajn sciigojn, nia okpaĝa „Bulteno“ estis grava parto de nia laboro. Ni tamen proponas, ke ni estonte rezignu je tiu ĉi bonŝanco, ke ni laboru sen gazeto, sen „Bulteno“. Necesajn sciigojn ni povas aperigi en kelkaj gazetoj, ekz. en „Germana Esperantisto“ kaj en „Esperanto“.

La anoj de E. L. A. laboros senpage, ili ja reciproke helpas unu la alian. Nur kiam iu membro deziras pli grandan helpon, postulante multe da laboro, oni kontraktos pri pagado. Markoj aŭ respondkuponojn oni bonvolu aldoni al la manuskriptoj.

Ni petas, rigardi ĉi-tion kiel proponon. Ĉiu ano de E. L. A., vidinte ĝin, bonvolu sendi sian aprobon aŭ malaprobon, konsenton aŭ malkonsenton. Li nur bonvolu ne silenti. El silentado nenio nova povas elkreski, ĉiu konigo de opinio estas por ni valora. — Komunikajo de E. L. A. Por la administracio: *Marie Hankel.*

∴ **Kalkuloj de la dek-unua Kongreso de Esperanto.** — En la aprila numero de nia gazeto ni publikigis la kalkulojn de la ne okazinta kongreso en Edinburgh. Dank' al la afableco de nia reprezentanto en Usono, S-ro D. E. Parrish, ni povas nun konatigi la spezojn de la bone sukcesinta kongreso en San Francisco. Por la prijuĝo de nia movado kaj kiel bazo por estontaj entreprenoj la ciferoj de niaj kongresoj, la bilancoj de la grandaj Esperantaj societoj, k. t. p. estas gravaj. Laŭpove ni ilin publikigos kaj, por faciligi la komparon, ĉiam kalkulos ilin en frankoj.

*XIa Kongreso en San Francisco, 22—29 aŭgusto 1915.*

*Enspezoj*

| | Frankoj |
|---|---|
| Kongreskartoj | 2175.— |
| Helpkongreskartoj | 906.85 |
| Donacoj | 207. |
| Biletoj kaj presajoj venditaj | 3824.95 |
| Diversaj enspezoj | 728.50 |
| | 7842.30 |

*Elspezoj*

| | Frankoj | |
|---|---|---|
| Ekskursoj | 1289.25 | |
| Festoj | 885.— | |
| Gastigadoj | 275.— | |
| Premioj | 175.— | |
| Ornamado | 163.75 | |
| | | 2788.— |
| Presajoj | 1317.50 | |
| Oficiala Gvidlibro | 537.50 | |
| Al la Oficejo en Parizo por protokolo de la XIa kongreso | 144.50 | |
| Insignoj | 582.— | |
| | | 2581.50 |
| Vojaĝaj elspezoj | 419.25 | |
| Propagando | 154.40 | |
| Anoncoj | 141.65 | |
| Poŝto | 125.75 | |
| Telegramoj | 33.50 | |
| Pakajoj | 32.50 | |
| Kambiaj perdoj | 76.— | |
| Rezerv. por aliaj kostoj | 61.85 | |
| Diversaj elspezoj | 150.— | |
| | | 1195.— |
| Gajno, redonita al la Garantiantoj | | 1277.80 |
| | | 7842.30 |

(Ni kalkulis la Dolaron po 5 frankoj. Rilate al la nuna kurzo, la spezoj estas pli altaj je proksimume 6 %.)

# Al niaj abonantoj

*Kelkaj abonantoj en la militantaj landoj plendas pri neregula ricevo de nia gazeto. Tiu manko devenas de la poŝta kontrolo, kiu, en kelkaj regionoj, sen iu kaŭzo, jen allasas, jen malhelpas la alvenon de nia gazeto. En okazo de nericevo, niaj legantoj bonvolu plendi al ni; la mankantajn kajerojn ni laŭeble anstataŭos. La ekzempleroj retenataj de la poŝta kontrolo ne estas resendataj al ni; pri ilia nericevo ni do povas esti informataj nur per niaj abonantoj mem.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Asocia jaro 1917.** — Ni esprimas tutkoran dankon al ĉiuj personoj, kiuj, malgraŭ la nuna malfacila tempo, bonvolis regule pagi sian kotizajon por la kuranta jaro. Dankon ankaŭ al la subtenantoj, pro la konfido, kiun ili montris al nia Asocio, konsentante libervole por ĝi plian ofereton.

Al la apogo de ĉiuj tiuj fidelaj samideanoj ni ŝuldas la fakton, ke UEA, sen tro da malfacilaĵoj, povis travivi la milittempon kaj plenumi, en la vasta kampo de la humana helpado al militviktimoj, ŝatindajn servojn, kiuj en multaj rondoj favore konigis nian movadon kaj nian organizajon.

Ĉar bedaŭrinde nenio lasas antaŭvidi baldaŭan finiĝon de la mondkatastrofo, ni estas devigataj ree alvoki, por la nova asocia jaro, la helpemon de niaj fidelaj membroj. Ni esperas, ke komprenante la dummilitan kaj postmilitan gravecon de UEA, ili bonvolos daŭrigi al ni sian moralan kaj materialan apogon.

La kotizajo por la asocia jaro *1917* (komenciĝanta je la 1 novembro 1916) estas de nun pagebla al ĉiuj Delegitoj kaj al la C. O. de UEA, kiel kutime, 2. 50 Fr. por ordinara membro kaj minimume 5 Fr. por subtenanto.

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj**

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 24,375 |
| 127. W. v. Šmurlo, Petrograd | . . . . . . . . . . . . | 125 |
| | Frankoj | 24,500 |

Entute (ĝis la 15 septembro) 127 Garantiantoj mendintaj 196 atestojn, valoro 24,500 frankoj.

Antaŭ la Pariza Kongreso restis ankoraŭ 15 atestoj pri kiuj, laŭ la spertoj de la Berna Kongreso, ni rajtis esperi, ke ili estos akirataj dum la kongreso mem. La milito malrapidigis, sed feliĉe ne tute haltigis la vendadon: 10 pliaj personoj fariĝis Garantiantoj, S-ro Elten prenis duan ateston, tiel, ke hodiaŭ nur restas 4, valorantaj entute 500 Fr. Por ke baldaŭ la serio de la 200 atestoj estu plena, ni tre petas, ke unu aŭ kelkaj el niaj fervoraj membroj bonvolu mendi tiun reston. UEA, kiu sukcesis kunteni la internaciajn Esperantistajn rilatojn, malgraŭ la politikaj, financaj kaj alispecaj malhelpoj de la nuna krizo, meritas, ke oni ĝin subtenu. La fakto, ke ĝi rezistis al tiu terura provo cetere pruvas, ke la rajtoj, kiujn oni akiras fariĝante Garantianto, havas internan kaj daŭran valoron.

Ni rememorigas, ke laŭ la Regularo la atestpromesoj ne povas enhavi specialajn kondiĉojn kaj estas efektivigeblaj plej malfrue tri monatojn post la promeso. Pri la akiro de atestoj oni bonvolu informi la *Centran Oficejon de UEA* (10, rue de la Bourse, *Genève*). La monon oni pagu al la banko, kiu senpere kvitancos la ricevon: *Kantonalbank, Bern* (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbank konto 1020, svisa poŝtĉeko III. 106.].

Poste la Garantiantoj ricevos la atestojn, la karton de dumviva membro, kaj estos enregistrataj kiel abonantoj al „*Esperanto*".

**Kotizajoj por 1916.** — Je la 31 julio estis enkasigitaj 2256 kotizajoj (el kiuj 89 subtenantoj). Krom tio estas 146 dumvivaj membroj. Sume: 2400. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 68.

Je la 31 aŭgusto estis enkasigataj 2403 kotizajoj (el kiuj 98 subtenantoj). Krom tio estas 146 dumvivaj membroj. Sume: 2549. — *Esperantiaj Entreprenoj:* 70.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato julio:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 823 | 1,857 |

*Tuta sumo:* 2,680. (Antaŭa monato: 2,224.)

Movado de la korespondaĵoj dum la monato aŭgusto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 771 | 1,722 |

*Tuta sumo:* 2,493. (Antaŭa monato: 2,680.)

### Novaj Delegitoj.

*Barraba* (Aŭstralio, N. S. W.). — D.: S-ro Edgar A. Pryke, komercisto.
*Bournemouth* (Anglujo, Southampton). — D.: S-ro D-ro J. E. Esslemont, W. Southborne.
*Esbjerg* (Danujo). — D.: S-ro P. Sörensen, Nörregade 47.
*Lewisburg* (Usono, Penn.). — D.: S-ro E. M. Rumsey, 29, N. Water St.
*London* (por *Enfield*). — D.: S-ro Albert G. Farley, 112, Nags Head Rd., Ponders End.
*Lugano* (Svisujo, Tiĉino). — D.: S-ro Carlo Bassi, pentristo, 23, C. Pestalozzi.
*Sézanne* (Francujo, Marne). — D.: S-ro Gérard Aussenac, fervoja oficisto.
*Surbiton* (Anglujo, Surrey). — D.: A. J. Howard Hulme, 52, Malvern Road.

### Ŝanĝo.

*Geestemünde* (Germanujo, Hannover). — D.: S-ro Ch. Tangermann, Schulstr. 10, II.
*Görlitz* (Germanujo, Schlesien). — D.: S-ro H. Quicker, Jahnstr. 18.
*Letchworth* (Anglujo, Herts.). — D.: F-ino E. M. Bartholomew, Sunnyside.

Provizore ne plu estas Del. en jenaj regionoj: *Cork* (Irlando); *Douglas City* (Usono); *East Maitland* (Aŭstralio); *Franzensbad* (Aŭstrio); *Harrow* (Anglujo); *Losonc* (Hungarujo); *Palma Sola* (Usono); *Port Sunlight* (Anglujo); *Randers* (Danujo); *St-Dizier* (Francujo).

### Adresŝanĝoj.

*Stoke-on-Trent* (Anglujo, Staffords). — D.: S-ro H. Tomlinson, 34, Stamer Terrace.
*Tobolsk* (Siberio). — D.: S-ro P. Novoselov, Abramovskaja ul., d. Turkova.

# Dummilita propagando

Sub tiu titolo, S-ro Pillath, Del. de UEA en Essen, aperigas en „*Germana Esperantisto*" artikolon, el kiu ni opinias utile represi la partojn, kiuj havas ĉiulandan nuntempan intereson. Oni konstatos, ke malgraŭ la milito vigla laboro por Esperanto estas ebla, se oni energie agas laŭ bona plano:

„... Jam en la unuaj tagoj de l' mobilizado enarmeiĝis la plimulto el niaj membroj. Restis eble duona dekduo. Ankoraŭ ni kunvenadis en nia fiksita vespero, sed ne por studi aŭ propagandi Esperanton: ni sole interŝanĝis niajn ideojn pri la milita situacio. Esperanto estis kvazaŭ subpremita per tiuj primilitaj interparoloj ... Tio daŭris sufiĉe, sed ne tro longe. Mi jam ne memoras, kiu unua reekparolis la vorton Esperanto, kaj same ne, kiu proponis, ke ni rekomencu la laboron. Fakto estas, ke ni denove ekstudis en nia aparta ĉambro kaj, ke oni priparolis la eblon aranĝi novan kurson.

La ideo efektiviĝis malgraŭ ĉiuj militaj bruoj. Tamen mi ne havis grandan esperon, sed mi pensis, ke se partoprenos eble *ses*, mi instruos ilin, komprenebie *senpage*. (Pri la senpageco mi diros poste ankoraŭ kelkajn vortojn.) Do, propagandinte *de buŝo al buŝo* — tiam ni ne kuraĝis ankoraŭ nin turni al la ĉiutagaj gazetoj — ni aranĝis publikan kunvenon, kaj mi faris paroladon pri la graveco de Esperanto dum kaj post la milito. *Ni havis tute ne atenditan sukceson!* Pli ol 40 personoj sin enskribis por la nova kurso. Mi demandis min, kiuj estas la kaŭzoj de tiu ĉi preskaŭ ne verŝajna fenomeno? Mi trovis kelkajn. Unue jam la vorto Esperanto alportis spireton de paco. Ĝi rememorigis, ke trans la limoj ankaŭ estas homoj, kiuj same kiel ni esperatendas la revenon de l' paco. Due oni estis leginta mallongajn notojn pri la fervora agado de Esperantistoj al la militkaptitoj, por la Ruĝa Kruco, k. t. p. Certe estas, ke neniu havis ion kontraŭ nia movado; pli ĝuste ni trovis simpation, kiun ni ofte malhavis antaŭ la milito. Trie konsiderinde estas, ke dum la milito maloftiĝas sciencaj kaj gajigaj distraĵoj. En tiu tempo oni do estas pli inklina, partopreni en la kurso ol en pacaj cirkonstancoj, jam por forgesi dum horoj pri la militaj teruraĵoj! Mi do diras al ĉiuj grupestroj kaj propagandistoj: Ekkuraĝiĝu, *aranĝu, ĝuste dum la milito, kursojn kiel eble plej ofte kaj vi vidos, ke vi sukcesos!* Grave estas, kiel mi jam diris, tion fari *senpage*. La milito postulas de ĉiu ajn gravajn financajn oferojn por la ŝtato. Ne konsilinde estas pligrandigi tiujn kostojn per kotizoj por la Esperanta instruado. Sed facile estas, post iom da tempo, *engrupigi* la kurspartoprenantojn je *modera* unuiĝa kotizo. Tiamaniere la unua dummilita kurso alportis al ni pli ol 30 novajn membrojn! Nun ni sentis fundamenton sub niaj piedoj, kaj kun freŝa kuraĝo ni laboris plue. Niajn kunvenojn ni aranĝis konforme al la cirkonstancoj: mallonga (unuhora) energia instruado, poste senĝena kunestado, klarigoj pri la efiko de Esperanto dum la milito, kantado de patriotaj kaj Esperantaj kantoj. Per tio ni ligis la anojn al nia grupo tiel firme, ke ĉiu jam sopiris la plej proksiman vesperon. — Dua kurso (aranĝita post parolado de konata oratoro) alportis al ni 51 novajn amikojn. Ĉiun unuan dimanĉon en la monato ni kunvokas ĉiujn al komuna gaja kunestado (meznombre ĉeestas ĉiufoje 70 personoj), kaj ĉiun trian dimanĉon ni faras kune refreŝigan ekskurson. Neniam antaŭe mi vidis tian harmonion inter la membroj kiel nun; same kontentigaj estas la rezultatoj de la lernado; la progresoj estas rimarkindaj.[1]

„Restas al mi ankoraŭ ion diri pri la simpatiigo de la ĉiutagaj gazetoj por nia afero. Tion oni faru *tre singarde* kaj *taktplene*. Tre ofte ekzistas ĉe la redaktoroj malnovaj antaŭjuĝoj kontraŭ Esperanto. Oni ne sendu al ili tro multe da propaganda materialo, precipe *ne presitan*, sed de tempo al tempo raportu al ili *manskribe* kaj *mallonge pri faktoj*... Tiamaniere la gazetistoj iom post iom forlasos sian antaŭjuĝon kontraŭ Esperanto kaj eble eĉ partoprenos en la kursoj (kio efektive okazis ĉe ni). En la nuna tempo la ĉi tieaj gazetoj estas senescepte favoraj al nia afero kaj akceptas preskaŭ ĉiujn sciigojn pri nia movado. Mi dubas, ĉu ekzistas ankoraŭ iu homo en nia urbo, kiu ne scias kion signifas Esperanto. Eĉ el la militejo ni tre ofte ricevas petojn pri alsendo de lernolibroj Esperantaj.

„Mi dezirus, ke ĉiuj grupoj almenaŭ provus fari la samon kiel ni. Ili miros, kiel *favora* estas *por nia afero ĝuste la nuna tempo*. Laboru, propagandu, ĉie kaj ĉiam, senlace kaj sentime! La sukceso venos, kaj kiam ni fine havos la pacon, vi staros sur firma fundamento, pretaj rikolti la fruktojn de via dummilita laboro.

*F. Pillath.*

[1] Tre grava estas ankaŭ la varbado de subtenantaj membroj. Uzante presitan karton, ni gajnis dum mallonga tempo pli ol 80. Bone estas postuli nur malaltan kotizon. Al ĉiuj publikaj kunvenoj ili estu invitataj.

# Meditado pri la literaturo Esperantista

Kio estas literaturo? Literaturo estas dokumento pri la kvanto de la intelekta forto de nacio. Per la literaturo la eĉ plej profunde kaŝitaj sentoj de la homo, de la tuta nacio fariĝas realaj; ĝi vivigas pensojn farante ilin kapablaj por efektiviĝi la ideojn mistere naskatajn. Per ĝi oni ekkonas la nacion. La vivplenaj nacioj havas potencan literaturon, aŭ la potenca literaturo montras la vivplenecon de la nacio. Ĝi estas por la sama nacio spegulo, por la nacioj fremdaj fotografaĵo. La literaturo estas sanktejo, kiun fremda nacio ne povas profani.

Ĉiu certe scias kaj sentas plej bone, kion la literaturo signifas por la nacio, kaj ĉiu inteligentulo ankaŭ certe koniĝis iom je la literaturoj fremdnaciaj, almenaŭ je ilia literaturo klasika.

La verkistoj kaj poetoj komunikas per siaj verkoj al sia popolo ĝiajn proprajn sentojn kaj pensojn, por kies koncentrigo la simpla popolo ne estas en multaj okazoj kapabla, ĉu pro manko de talento verkista, ĉu pro netaŭgeco al la laboro cerba.

Ne ĉiu homo simpatias je ĉiu verko. Tio klarigas, ke la verko ne trafas ĉiam lian intereson, ĉar ĉiu publike esprimita penso estas sole tiam kunpropraĵo de ĉiuj, kiuj ĝin aprobas, aŭ alie dirite, ĝi ne vekas, ne enkorpigas liajn sentojn kaj pensojn. Sed kiam fariĝas male, tiam la homo post ĉiu tralegita tezo ekĝemas kortuŝite kaj paroletas mallaŭte: „Ho, miaj pensoj, ho, miaj vortoj!"

Per la legado de bonaj verkoj la homoj komparas siajn proprajn farojn je la legataĵo, diferencigas la bonon de la malbono kaj prenas ekzemplojn por sia plua vivado. Se ĉiu homo prenus el ĉiu tralegita verko por si eĉ unu solan bonan ekzemplon kaj kondutus laŭ ĉi tiu ekzemplo, aŭ se en ĉiu verko oni trovus eĉ unu solan, por la bonfarto de la homaro imitindan ekzemplon, tiam la samaj verkoj tute plenumos sian taskon.

Nun la internacia lingvo Esperanto per sia interna ideo naskis kvazaŭ novan popolon. Popolon sub la standardo de la verda stelo!

La lumo de ĉi tiu stelo unuigis jam amason de ĉiuaĝaj homoj, el ĉiuj kvin mondpartoj kaj iliaj regionoj, ligante ilin per puraj sentoj de iliaj koroj.

Je ĉi tiu nova popolo aperis ankaŭ la necesa literaturo.

Ni do nun rigardu iom pli proksime tiun ĉi literaturon kaj prijuĝu ĝian valoron, ĉu ĝi respondas al la tasko al ĝi konvena. Kaj la rezultato montros, ke la pli granda parto de la jam tre riĉa Esperantista literaturo ne taŭgas por ke ĝi povu esti nomata literaturo de la Esperantista popolo. Kial?

Mi nun demandas: Kiom da Esperantistaj verkistoj ni havas, kiuj al nia rondo komunikis ĝiajn proprajn sentojn kaj pensojn, kiuj vivigis la ideojn de la Esperantistaro, kiuj vekis entuziasmon en ĉiu vera Esperantisto, kiuj parolis la varmegajn kaj esperdonajn vortojn pri la nova celo de la homaro; kiuj montris al ĝi pluan vojon transpaŝitan, gvidis ĝin al la celo montrita kaj donis al ĝi la forton, por ke ĝi nedeflankiĝu el ĉi tiu vojo, se la lasta ne estas kaj ne estos ĉiam oportuna kaj alloga?

Kiom da Esperantistaj verkistoj kaj poetoj ni havas, kiuj ekkomprenis tute la ideon de ĉi tiu internacia lingvo, de la Esperantisma movado kaj celado? Kiu ekkonis tute la signifon de la internacieco? Ĉu tiu, kiu tradukas por la Esperantista *internacia* popolo iun paŝkvilon de iu literaturo nacia, aŭ tiu, kiu kantas en siaj poemoj pri siaj propraj personaj aferoj, kiuj por la vera Esperantista popolo havas nenian valoron, aŭ fine tiu, kiu preferas pliriĉigi la Esperantistan literaturon per verkoj, koncernantaj sole internajn aferojn de sia patra nacio, aŭ per verkoj pure patriotismaj?

Kion havas ĉio ĉi tio je la internacieco komunan?

Esperantistoj ne devas kopii! La Esperantistoj devas fondi literaturon propran, originalan, karakterizan, literaturon severe internacian, literaturon novan respondantan al la interna ideo de Esperantismo!

Mi tial vokas al ĉiuj Esperantistaj verkistoj kaj poetoj: Verku sole por la Esperantista popolo, verku originalaĵojn kaj faru tradukojn sole klasikajn. La kampo por ĉi tio estas vastega, ĉar la estonteco kuŝas sole en internacieco!

*Jan Otcovský.*

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

∴ S-ro *E. O. E. Leggatt*, Esp-iano el „Godalming (Anglujo), dankas la C. O. de UEA pro informdonado rilate al sia filo kaj sendis al UEA donacon de 25 frankoj.

∴ S-ro *V. Danjkowski*, Esp-iano el Kiev, kore dankas F-inon Irma Raff, el Wien, S-ron Poensgen, el Kaiserswerth, kaj la C. O. de UEA pro iliaj klopodoj rilate la junulon Loreck.

∴ S-ro *I. J. Krestanof*, Esp-iano el Pirdop (Bulgarujo), dankas S-ron D-ron Sos, S-rojn Kaftan kaj Schwarz, el Wien, S-ron Klinger, el Tetschen, kaj F-inon Eicher, el Dresden, pro iliaj afablaj servoj.

∴ S-ro Majoro *R. L. Busch*, el Manila (Filipinoj), skribas al ni: „. . . Veturinte en Japanujo lastan monaton, mi renkontis kelkajn japanajn samideanojn, kaj ĉeestis ĉe unu kunsido de J. E. A. en Tokjo. Mi trovis la lingvon tre helpema, kaj la afableco de la samideanoj aldonis tre multe al mia plezuro. Mi nun estas pli fervora propagandisto ol antaŭe, ĉar mi persone pruvis la utilecon de Esp. kaj de UEA."

## Dummilita helpado al UEA

La C. O. de UEA ricevis la jenan leteron:

„Ĉiuj, kiuj, kiel mi, amas Esperanton kaj deziras, ke UEA pligrandiĝu, devas, almenaŭ tiel mi opinias, peni por kunhelpi kaj faciligi iel ajn la taskon, kiun prenis sur sin la personoj, kiuj regas kaj direktas nian Asocion.

„Por tiu celo kaj atentante precipe la nuntempajn terurajn cirkonstancojn kaj ceterajn malfacilaĵojn, kiuj ne permesas, ke nia UEA povu enspezi ĉiujn kotizaĵojn de ĝiaj membroj, mi decidis, por samtempe plifaciligi ĝian agadon, donaci al la Centra Kaso de nia Asocio la sumon da 25 Frankoj, kies kvanton mi sendas al vi per poŝtmandato.

„Mi petas, ke vi bonvolu akcepti mian malmultvaloran donacon."

*Narciso Bofill*,
Delegito en Palma de Mallorca.

Ni tutkore dankas nian fervoran Delegiton pro la sentoj esprimitaj en lia letero kaj pro lia kompreno de la devoj de fidela Esperantiano dum la nuna malfacila periodo.

Rimarkinde estas, ke, malgraŭ la malfavoraj cirkonstancoj, S-ro Narciso Bofill sukcesis kolekti 53 kotizaĵojn al UEA en Palma de Mallorca. Ankaŭ imitinda ekzemplo! *C. O. de UEA.*

## Esperanto kaj la lernado de ĉiu nacia lingvo

Ĉiuj, kiuj konas la demandon pri la instruado, scias, ke nenio pli permesas funde esplori sian propran lingvon, ol lernadi alian, je kiu oni devas ĉiumomente ĝin kompari.

La neceso klarigi al si la signifon de ĉiu vorto de la lingvo, kiun oni lernas, por ĝin bone traduki nacie, aŭ, male, de ĉiu nacia vorto por doni de ĝi la ĝustan signifon en la fremda lingvo, donas al la spirito kutimon de precizeco kaj de klareco tute rimarkindaj.

La devo, aliflanke, por bone diveni la penson de l' verkisto, kiun oni volas traduki, fari la analizon de ĉiu frazo, kaj serĉesplori la gramatikan rolon, kiun ludas ĉiu el la vortoj, el kiuj ĝi konsistas, starigas por la intelekto gimnastikon, kiu havigas al ĝi grandegan flekseblecon kaj permesas skribi facile, donante al la stilo formon delikatan kaj plaĉan. Ne kalkulante, ke la lernado de la verkoj de grandaj verkistoj kiel *Virgile, Homer, Shakespeare, Gœthe, Schiller*, k. t. p., havigas al ĉiuj, kiuj sin dediĉas al tiu lernado, toleremon kaj sagacecon la plej envindajn.

Tie estas, cetere, la tuta sekreto de la supereco pri la nacia lingvo ja konstatata en la gimnazioj kaj liceoj ĉe la junuloj lernantaj la latinan kaj la grekan lingvojn super iliaj kamaradoj lernantaj nur la nacian lingvon.

Tial ni samopinias kiel tiuj, kiuj pensas, ke oni estis tre malprava, tiujn lastajn jarojn, tro malŝati la latinan kaj la grekan lingvojn, kaj ke decas, pro la profito mem de nia nacia lingvo, kiel eble plej baldaŭ denove atenti pri ili. Sed la lernado de la latina kaj la greka lingvoj estas longa kaj malfacila. Kaj pro tiu motivo mem ĝi estas nur atingebla de tiuj, kiuj povas fari longajn studojn. Esperanton kontraŭe oni lernas facile kaj rapide. Kaj ĝi povas nepre anstataŭi oportune, por la lernantoj de la unuagradaj lernejoj, la lernadon de la latina kaj de la greka lingvoj.

Tion volis komprenigi eminenta Universitatano, S-ro Boirac, Rektoro de la Dijon'a Akademio, kiam li skribis, ke „*Esperanto estos la latina lingvo de la Demokratio*".

Tion ankaŭ opiniis alia Universitatano, la bedaŭrata S-ro Carlo Bourlet, Profesoro ĉe la franca Lernejo de la Artoj kaj Metioj. S-ro Carlo Bourlet tion sprite rimarkigis en unu el siaj tiel interesaj paroladoj, kiam li diris, ke estas neeble ludigi al la lingvo latina la rolon de internacia lingvo, ĉar la latina estas mortinta lingvo, kaj ke pro tio ĝi ne povas traduki iajn modernajn ideojn kaj esprimojn. Ekzemple, diris S-ro Carlo Bourlet, la latina lingvo ne permesas traduki tiun frazon: „Mi metas mian naztukon en la poŝon de mia pantalono", ĉar la Romanoj havis nek naztukon nek pantalonon!

Esperanto kontraŭe permesas traduki ĉiujn ideojn. Kaj la principo, kiu estas ĉe ĝia fundamento, la internacieco de la radikoj, igas la lernadon de la Zamenhofa lingvo, laŭ ĉiuj, kiuj ĝin konas, la plej bona preparado al la lernado de la fremdaj lingvoj, eĉ de la latina kaj de la greka. Ĝia enkonduko en la unuagradajn lernejojn ne nur permesus al tiuj el niaj geinfanoj, kiuj ĉeestadas ilin, egalvalori, pri la sperto de la nacia lingvo, iliajn kamaradojn de la gimnazioj kaj liceoj, sed samtempe ĝi donus al ili la eblecon, korespondadi eksterlanden, tiel kaj eĉ pli facile, en ia proporcio, kaj ĉiuokaze pli rapide, ol siaj kunlernantoj, kiuj lernas fremdan lingvon, ekzemple la anglan aŭ la germanan.

Kiel al iliaj kamaradoj de la gimnazioj kaj liceoj ankaŭ, ĝi havigus al ili la rimedon, koni la grandajn fremdajn verkistojn. Multaj efektive jam estas la tradukoj faritaj, per Esperanto, de la verkoj de la plej famaj skribistoj. Ni nur citos tie ĉi *Hamlet'on* de Shakespeare kaj *Ifigenion* en Taŭrido de Gœthe. La unua el tiuj tradukoj estas, laŭ freŝdata provo, tiu, kiu, rilate al la tradukoj faritaj de la sama verko per la vivantaj lingvoj, la plej similas la originalon.

Ĉu nun la cirkonstancoj estas tiaj, ke ili favoras la lernadon de Esperanto? La okazintaĵoj, tra kiuj ni vivas, ne permesas dubi pri tio. Ne nur efektive plej multe utilas doni al la nunaj batalantoj la rimedon por kompreni la multajn militkamaradojn el la fremdaj landoj, kiuj batalas kun ili, kaj komprenigi sin de ili, sed plie la bezono de facila interkomprenilo post la milito montras, kiujn gravajn servojn povas fari Esperanto, kiel dua lingvo.

La registaraj potencoj bone agus, kaj ni eĉ ne ŝanceliĝas diri, ke tio estas por ili devo, favorante, per ĉiuj rimedoj kaj speciale per ĝia oficiala enkonduko en la lernejojn, la lernadon de internacia lingvo.

*L. Demarcy*,
Leĝoscienca Licenciato,
Prezidanto-fondinto de la Beauvais'a Esp. Grupo.

## Korespondado kun la Internigitoj ĉe Harderwijk

Ricevinte leterojn de kelkaj britaj Esperantistoj, kiuj bedaŭris pro si mem kaj pro la amikoj-internigitoj, ke oni ne plu estis permesantaj korespondadon en Esperanto, mi turnis min al la Del. de UEA en Amsterdam, S-ro C. Hes, kaj petis, ke li klopodu por la redono de la privilegio ricevi kaj sendi leterojn en Esperanto. S-ro

Hes jam sciigas al mi, ke li ricevis leteron de cenzura oficiro, dirantan, ke oni nun povos korespondadi kun internigitoj ĉe Harderwijk. La Komandanto de la internigejo afable aranĝis la aferon, kaj komisios de nun holandan soldaton por tralegi la Esperantajn leterojn.

Mi deziras esprimi koran dankon al S-ro Hes pro lia samideana helpo, tiel sukcese rezultinta kaj denove dononta grandan feliĉon al la Esperantistoj-internigitoj; al la Komandanto, pro lia komplezemo; kaj al nia nekonata holanda samideano, laboranta pro la cenzuro.

*J. M. Warden,*
Prezidanto de Brita Esperantista Asocio.

### Respond-poŝtkartoj

Kiam membro sendas informpeton kun pagita respond-poŝtkarto, estas rekomendinde, ke li ne forgesu, mem skribi sian adreson sur la respondkarto, por ke la respondo ne estu utiligebla de alia persono. Jam tri fojojn en du monatoj, la respondkarto estas eltranĉita antaŭ ol atingi min; ĝi, kontraŭe, ĉiam alvenas, kiam oni antaŭzorgis pri skribado de la adreso.

F-ino *G. Gérard*, Del., Paris.

# Esperantia Vivo

**Naskiĝoj.** — Al ges-roj *Bobs*, el Utrecht bei Lübeck, naskiĝis filino.

Al ges-roj *Alvarez Perez*, Del. de UEA en Caracas, naskiĝis filino.

Al ges-roj *Freund*, Esp-ianoj en Breslau, naskiĝis filo.

**Fianĉiĝoj.** — F-ino *Margarethe Eichler*, el Dresden kaj S-ro *Ivan H. Krestanof*, el Pirdop (Bulgarujo).

F-ino *Hermina Muck*, el Wienacht, kun S-ro *Ferdinand Helbling*.

F-ino *Alice Savary*, el Le Day-Vallorbe (Svis.), kun S-ro *Gustave Mairet*, Esp-iano el Londono.

**Edziĝoj.** — F-ino *Sofie Andersen*, el Trondhjem, norvega verkistino kaj S-ro *S. Engesgaar Christie*, fondinto kaj unua prez. de Norvega Esp. Ligo, verkinto de la tre uzata lernolibro Hele-Esperanto.

F-ino *Palmyra Conceiçao Cabral* kaj S-ro *Antonio Silva Leça*, el Funŝalo (insulo Madeira).

F-ino *Anita Capra*, Esperantistino pariza kaj itala, kun S-ro *René-Charles Pichon*, laŭreato de la oratora konkurso en Bern.

F-ino *Helene Doria*, Esp-istino el Parizo, kun S-ro *Colette*, el Parizo.

# Alvokoj

### Enketo

Mi estus danka, se oni bonvolus komuniki al mi la titolojn de verkoj de L. Tolstoj, Turgenev kaj Dostojewsky, tradukitaj en anglan, francan, italan kaj aliajn naciajn lingvojn.

Skribu al: *A. Sidorov*, 7, Gruzovaja ul., *Voronej* (Rusujo).

### Korespondado

Por propaganda celo mi tre petas la legantojn de tiu ĉi gazeto, ke ili bonvolu sendi ilustritajn poŝtkartojn de sia urbo al la prezidanto de la grupo de nia urbo por disdoni ilin al la lernantoj, kiuj respondos kaj tiamaniere per faktoj konvinkiĝos pri la utileco de nia lingvo.

La adreso de la Prezidanto estas: *G. van Heek*, Steynstr. 72, *Hengelo* (Nederlando).

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Asselin**, el Tours (Franc.), fervora propagandisto.
**Berthonet**, el Francujo.
**Briscoe**, el Harwood (Anglujo), aviadisto.
**Dauptain**, el Francujo, aviadisto.
**Haller**, el Wien (Aŭstrio).
**Harzdil**, el Jaromeritz (Aŭstrio).
**Shanks**, el Aldershot (Anglujo).
**Zöchmann**, el Wien (Aŭstrio).

* * *

Kun doloro ni ekscias la morton de la jenaj fervoraj samideanoj:

**S. Sackur**, membro de UEA en Breslau, multjara abonanto de nia gazeto, mortinta je la aĝo de 86 jaroj.

**Anselmo Morin**, ano de la Lingva Komitato, iniciatinto de la Esperanta propagando en Meksikujo, mortis la 19 majo en Barcelonette (Francujo).

*La milito kruele frapis nian karan kunlaboranton, S-ro Théophile Cart, kies pli juna filo, ankaŭ Esperantisto, estis mortige vundita ĉe la batalo de la Somme, la 20 julio 1916. Ni sendas al nia ŝatata samideano la esprimon de nia tutkora simpatio en lia granda ĉagreno.*

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dek-sesa listo*

*Baghy, Julius*, nun en Buguruslau (Samara gub., Rusujo).
*Brühe, Arthur*, el Germanujo, militkaptito N-ro 8860, komp. 39, Handforth near Manchester (Anglujo).
*Gukov, Josef*, el Arad, Berezowka (Rusujo).
*Eckstein, Tiberius*, el Tjumen (Siberio).
*Jurig, Rudolf*, el Zittau, Dépôt des prisonniers de guerre de la Lande, Dordogne, Gare Razag, N-ro 01,937, Groupe 18 (Francujo).
*Rosenstock, Leon*, el Krakow, kadett-aspirant, militkaptito en Astraĥan (Rusujo).
*Swiatly, Laurenti*, el rusa Polujo, Wattenweiler, Post Neuburg (Bavarujo).
*Szekacs, Ladislaus*, el Vacz (Hungar.), Nikolajev, poŝto Iljinskoje (Kurska gub.. Rusujo).
*Tauche, Paul*, el Germanujo, militkaptito N-ro 9011, komp. 24, Handford near Manchester (Anglujo).

* * *

S-ro *Goldberg, Gerhard*, el Germanujo, 102a Inf. Reg., 3a Bat., 12a komp., malaperis en Barleuse (Somme, Francujo), la 4 julio 1916.

S-ro *Schicketanz, Heinrich*, el Wien, malaperis en rusa Polujo.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L. = letero. PK = poŝtkarto. PI = poŝtkartoj ilustritaj.
PM = poŝtmarkoj. bfl = poŝtmarko sur bildflanko.

ALAGOAS (Brazilio). — S-ro Pedro Cavalcante de Lima, dentisto, 9, strato Afandega, Jaragua, PI, L.

ASTRAĤAN (Ruslando). — S-ro G. Artemjev, Acmjanskij most, svoj. dom, PI, L, PM (kun ĉiuj landoj).

AUCKLAND (New Zealand). — S-ro Leslie A. Watson, 4, Summer street, Ponsonby, foto kaj PK, PM (kun alilandanoj).

BAKU (Ruslando, Kaŭkazo). — S-ro Vadim Stopani, 21, Sadovaja, PM (sendos bonajn rusajn poŝtmarkojn).

BAKU (Ruslando, Kaŭkazo). — S-ro S. Meĥmandarov, Realnoje uĉilŝĉe, PI, L (pri angla, hispana kaj aliaj lingvoj).

BRJANSK (Ruslando, Orlova gub.). — S-ro J. P. Ŝkurin, Upravljenije Voinskago Naĉalnika, PK, PI, L (kun ĉiulandanoj).

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro F. H. Ruprecht, 161, Paseo Colon, PI (kun ĉiuj landoj).

CULEMBORG (Nederlando). — S-ro Otto de Beus (kun gesamideanoj el ĉiuj landoj, precipe Ruslando, Japanujo, Ĥinujo kaj aliaj orientaj landoj).

DRESDEN (Germanujo). — S-ro Robert Wolf, Kasernenstr. 19, I, 40 jaraĝa (kun samaĝuloj kaj bindistoj.)

FRANCUJO. — S-ro O. Boisson, 232 d'Inf., 21me Comp., Secteur Postal 94, PI, L.

FRANCUJO. — S-ro Roger Léger, sergent au 158e Reg. d'Inf., 6e Comp., Secteur Postal 116, PI, L.

GEFLE (Svedujo). — S-ro Einar Adamsson, 30, Brynasgatan, deziras donace aŭ interŝanĝe ricevi ĉiuspecajn Esp-ajojn, katalogojn, gazetojn, k. t. p. por propaganda vojaĝo kun ekspozicio.

GENÈVE (Svisujo). — S-ro Ernest Hediger, 1, Avenue Helvétique, Chêne-Bourg, PI, bfl (vidaĵoj, moroj, tipoj, k. t. p.).

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Eeman, sous-officier, 3e chasseur à pied, PI, L (kun ĉiu landoj).

HARDERWIJK (Nederlando). — Belgaj internigitaj soldatoj, Espistoj (kun ĉiuj landoj). Adresu petojn al S-ro F. La Gravière, 4a Volontaires, Baraque 17.

HARDERWIJK (Nederlando). — S-ro Neotavie de Corte, belga suboficiro, Baraque 18, PI, L (kun ĉiulandanoj).

HENGELO (Nederlando). — Membroj de la nove fondita Esp. Klubo. Sin turni al S-ro G. van Heek, Steynstr. 72.

KIŜINEV (Ruslando, Besarabio). — S-ro N. Krassovskij, Gubernskaja Ĉertejnaja (pri kompletigo de teknika vortaro, geodezia terminaro, Esp. evoluo kaj ĝenerale pri lingvaj demandoj).

LA PLATA (Argentino). — S-ro Angel Tagliaferri, 539, Str. 3, PK, PM.

LOBITO (Okcidenta Afriko, Angola). — S-ro Antonio Ferreira da Silva, Caminho de Ferro, PI, L.

MORSCHACH (Svisujo, Schwyz). — S-ro Alfred Binder, germana militkaptito internigita, Hotel Frohnalp, L, PI.

MOSKVO (Rusujo). — S-ro A. M. Ĵigarev Petrovsko, Razumovskoje, fabriko Jokisch, PI, L (ankaŭ pri fotografarto).

NIJNIJ-NOVGOROD (Ruslando). — S-ro Aleksandro Kavaraŝkin, 1, Polevaja, kv. 9, PI, L.

OREL (Ruslando). — S-ro Boris Popov, Bolŝaja Meŝĉanskaja, dom Larionova. Nur per L (serĉas konstantajn ĉiulandajn koresp. pri temoj, kiuj donas eblecon, bone interkonatiĝi, ekz. pri nia lingvo, pri moroj kaj vivkutimoj, pri etikaj kaj politikaj demandoj, k. t. p.).

PÉRIGUEUX (Francujo, Dordogne). — S-ro Roger Gamot, 106, Rue Louis Blanc, PI.

PITTSBURGH (Usono, Pa.). — S-ro Joseph Ballay, c. o. Farmers Deposit Savings Bank, PI, L.

POITIERS (Francujo, Vienne). — S-ro P. Bélingard, 9bis, place de la liberté, PI (kun alilandanoj).

PONSONBY-AUCKLAND (New-Zealand). — S-ro Leslie A. Watson, 4, Summer street, PM, PI, fotografaĵojn (kun alilanduloj).

RIGA (Ruslando). — F-ino K. Krasting, kontoro de fratoj Nobel, PI (kun eksterlandanoj).

SALONIKO (Grekujo). — Kelkaj samideanoj de la Orienta Armeo. Sin turni al S-roj P. Garde, 1er Génie, projecteurs 1—2, Secteur 501, kaj Fernand Courault, 3e Reg. Art., 41e Batterie, Secteur 502.

ZEIST (Nederlando). — S-ro F. de Backer, belga internigito, 11e Bij Plaatsgesehut, barako 15a, tendaro 2a (angle kun samideanoj el Ameriko kaj germane kun samidean(in)o ne germana, konanta bone tiun ĉi lingvon).

ZEIST (Nederlando). — S-ro Arthur Simbosch, belga internigito, 2e batterie de côte, baraque 25, camp I, PM.

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

HELPO. — Honora membro de Kovna Esp. Societo (Rusujo), S-ro A. M. Nedoŝivin, tre petas siajn samideanojn, se eble estas, prizorgi kaj helpi al restinta en Kovno maljuna patrino de lia amiko D-ro med. P-ro Wladyczko, kies nomo estas Paŭlina Stanislavovna Wladyczko, Polica str., domo de Lutera preĝejo, Kovno.

KALENDARO. — Unu el miaj lernantinoj deziras kompili Esperantan kalendaron surhavantan internaciajn kaj Esperantismajn dirajojn el ĉiuj landoj. Mi petas ĉiujn samideanojn sendi tiajn al F-ino F. B. Aicken, 168, Wilbury Road, Letchworth Herts, Anglujo. F. M. Bartholomew, dumviva membro de UEA.

MALAPERINTO. — Esperantiano Simon Tarulla, N-ro 1366, ne plu ricevis sciigojn de sia frato, soldato en la itala armeo. Oni supozas lin militkaptito en Aŭstrio; eventualaj informoj estas danke akceptataj. La adreso de la malaperinto estis: Soldato Cesare Tarulla, 201a Inf. Reg., 1a Bat., 2a komp. Informon oni sendu al la C. O. de UEA.

MALAPERINTO. — Kiu povas doni informojn pri la samideano Ferency Istvan? Li estis instruisto en Szekely-Keresztur kaj soldatiĝis en julio 1914. La lasta adreso de lia edzino estis: Dr. Domjàn Lajos, levelewel, Ferenczi Istvànné, Nagykanizsa, 8, Bajza u. Oni sendu informojn al la C. O. de UEA.

MALAPERINTO. — Lady Vanĕk, Zugführer des 28/II. k. k. Inf. Reg., malaperis dum 1915. Oni supozas lin militkaptito en Ruslando. Utilajn informojn oni sendu al: F-ino R. Pozzi, Molino-Nuovo, Lugano (Svisujo).



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO